# PACO



OFICIALA ORGANO DE LA MONDPACA ESPERANTISTA MOVADO (MEM)

ELDONO DE LA GERMANA DEMOKRATIA RESPUBLIKO (GDR)

*La konservo kaj gardo de la naturo, la vivmedio de la homo, iĝas pli kaj pli internacie solvenda tasko.*

Foto: Zentralbild

4

1972

# La popoloj akuzas la imperiismon

## Aŭtomatigita, ŝtelmova, totala milito

170 delegitoj partoprenis la laborojn de la Komisiono pri la novaj aspektoj de la milito, en la kadro de la Tutmonda Asembleo de Parizo, por la paco en Hindoĉinio. 33 specialistoj kaj atestantoj. La raporto de tiu komisiono konstatas ke sub la masko de l'„vjetnamigo", la registaro Nixon aplikas novan taktikon kiu daŭrigas kaj plivastigas tiun militon".
Tiu nova fazo de la konflikto havas 3 karakterizaĵojn:
1° – *Aŭtomatigita milito*: „Hodiaŭ la *maŝinoj* detruas kaj masakras en Hindoĉinio. La Usona aer-armeo starigis gigantan detruaparataron, kiu konsistas el gravaj aer-bazoj en Tajlando kaj Sud-Vjetnamo, 3 aviadilŝipoj en la Tonkina Golfo kaj 450 bombaviadiloj de la B. 52-oj ĝis la jetoj kaj la mitralaviadiloj je malgranda alteco. Unu tuno da bomboj falas sur Hindoĉinion ĉiujn 60 sekundojn. La esenca karakterizaĵo de tiu aŭtomatigita milito estas la senĉesa plimultiĝo de la armiloj kies ekskluda celo estas mortigi".
2° – *Ŝtelmova milito*: „Karakterizaĵo de tiu milito estas la cenzuro trudita al la gazetoj kaj la mito laŭ kiu la retiro de la tertrupoj implikus iun ‚maleskaladon'. Fakte, la Nixona administracio trudis la sekreton pri la informoj koncerne liajn genocidajn agojn, malpermesis al la ĵurnalistoj aliri la regionojn ruinigitajn per la bombadoj, mensogis al la Mondo utiligante terminojn kiel ‚militajn celojn' aŭ ‚protekto-reagojn'".
3° – *Totala milito*: „Tiu totala milito samtempe kombinas genocidon, biocidon kaj ekocidon. Ĉio estas bombadata: homoj, bestoj, digoj, kultivaĵoj, lernejoj, vilaĝoj, historiaj monumentoj, agroj kaj eĉ pli malbone, ĉiuj spuroj de la homa spirito.
Kaj tamen, kvankam la Nixona administracio mortigis, vundis aŭ deportis pli ol 3 milionojn da civiluloj, la heroismo de la Hindoĉinaj popoloj venkis la Usonanojn dum tiuj-ĉi penis detrui la kulturon mem de tiuj popoloj. Ili forpelis milionojn da homoj el iliaj prapatraj hejmoj, starigis lernejan sistemon kiu senigas la junulojn je ilia prahistoria heredaĵo, subtenis subpreman reĝimon de perfiduloj koruptitaj, kiuj pliriĉiĝas dank'al prostituo kaj drog-ŝakrado."
4° – *La Daŭrigo de neleĝa milito*: „Kondukante tiun agresmiliton kontraŭ la Hindoĉiniaj popoloj, Usono ne kaŝas ke ĝi celas protekti siajn neo-koloniistajn interesojn en tiu mondparto, tiel atencanta plej evidente la fundamentajn naciajn rajtojn de la Hindoĉinaj popoloj.
Usono ekpraktikis sian politikon utiligante la oficojn de la policaj reĝimoj je sia soldo, neleĝe akirintaj la regpovon kaj tute senigitaj je popola subteno.
La plej signifoplena aspekto de tiu aŭtomatigita milito estas la intensigo de la amasaj bombadoj: tiu detru-metodo subfosas la fundamentojn mem de la militleĝoj ĉar ĝi malaperigas ĉian distingon inter civiluloj kaj batalantoj tia, kia difinis ĝin la konvencioj de Hago kaj Ĝenevo, same kiel la pincipojn establitajn per la procezoj de Nurenbergo. La amasaj sendiferencigaj bombadoj, la terorismaj atakoj kontraŭ la civilaj loĝantaroj, la deportadoj de tutaj socioj tutevidente konsistigas genocidon laŭ la difino farita per la konvencio pri genocidoj de 1948.
„Tiu nova fazo de la milito postulas novajn agad-formojn", konkludas la komisiono, kiu rekomendas intensan informklopodon pri tiu kruelega milito, la kondamnon de l'genocido ĉe la leĝaj mondaj instancoj, la agadon direkte al la usonaj scienculoj „por malhelpi ke la medicina scienco estu malmoraligita kaj fariĝu la mort-arto, kiun reprezentas la aera milito". (Trad. Dr. H. Eichhorn) – CR –

## El Helsinki: Alvoko de la Monda Packonsilantaro al komuna agado

En tiu ĉi jaro komenciĝos la preparoj por la kongreso de la Mondpaca Movado (1973) kaj por la 25-a datreveno de la movado (1974). La jaro 1972 prezentas grandajn perspektivojn je sukceso kaj ni alvokas ĉiujn kontraŭimperiismajn kaj pacamajn fortojn de la tuta mondo, plifortigi sian unuecon kaj garantii, ke tiuj eblecoj estu utiligotaj.
La plej urĝaj taskoj en la jaro 1972 estu:
- *venki super la imperiisma agreso de Usono en Hindoĉinio, starigi sendependecon kaj daŭran pacon por la heroaj popoloj de Vjetnamio, Laoso kaj Kamboĝo;*
- *politika reguligo en la Proksima Oriento per plena realigo de la rezolucio 242 kaj de aliaj ĉirilataj rezolucioj de la Sekureckonsilantaro de UN kaj de la Asembleo de UN;*
- *konferenco pri eŭropa sekureco kaj kunlaboro, kiu nuligu la „ekvilibron de teruro", por fari Eŭropon kontinento de paca kunekzistado kaj kunlaboro;*
  *la agado por malkovri la intrigojn de la usona imperiismo kaj de NATO en Mediteraneo, por ke ĝi fariĝu maro de la paco;*
- *pli forta batalo de la afrikaj popoloj kontraŭ la koloniismaj kaj rasismaj reĝimoj; la subtenado de la popoloj sur ĉiuj kontinentoj en la batalo kontraŭ imperiismo kaj novkoloniismo, por nacia liberiĝo, paco kaj socia progreso;*
- *la plena subteno al la pliintensiĝanta batalo de la popoloj en Latina Ameriko kaj al la liberiga batalo de la aziaj popoloj.*




*En februaro 1972 okazis en Parizo tutmonda solidarec-asembleo por paco en Hindoĉinio. Japana delegitaro, dum demonstracio.*
Foto: Zentralbild

# Tri jaroj Pariza Konferenco de la Kvar

## Por paca solvo de la vjetnama problemo

La kuraĝa vjetnama popolo kelkajn jarojn jam batalas daŭre kaj sukcese kontraŭ la usona agresanto por la tuja kaj senkondiĉa ĉesigo de la usona agreso en Sudvjetnamio, Laoso kaj Kamboĝo. Same ili batalas por la totala kaj senkondiĉa retiro de la trupoj usonaj kaj de iliaj sudvjetnamaj anoj. Subtenon en tiu ĉi batalo ricevas la vjetnama popolo de la socialisma landaro – en la unua vico de Sovetunio, de la internacia komunisma kaj laborista movado, same de la tuta progresiva homaro. Oni batalas kontraŭ la ĉefa potenco de la imperialisma landaro ne nur ĉe la milita kaj politika frontoj, sed ankaŭ ĉe la diplomatia fronto. Nur per ĉi tiu unueco de la batalo oni akiris la signifoplenajn sukcesojn kaj same oni devigis Usonon totale kaj senkondiĉe ĉesigi la bombatakojn kaj aliajn militagojn kontraŭ DRV la 31 an de oktobro 1968 kaj devigis ilin al la konferenca tablo en Parizo.

Kiam la 25 an de januaro 1969 la Parizaj Vjetnamaj Konferencoj komencis, prezentis la reprezentantoj de DRV kaj de la Nacia Fronto por la Liberigo de Sudvjetnamio jam en la inaŭgura kunsido ilian planitan 4- respektive 5- punktan starpunkton en la serioza klopodo kaj la preteco solvi politike la vjetnaman problemon.

En la pasintaj tri jaroj prezentis la Nacia Fronto por la Liberigo de Sudvjetnamio respektive la provizora revolucia registaro de la respubliko Sudvjetnamio pluajn gravajn paciniciativojn, kiuj la plenan subtenon ricevis de DRV, de la socialisma stataro, kaj larĝan konsenton en Sudvjetnamio kaj en la tuta mondo, inkluzive de la pacamaj fortoj en Usono:

- 10- punkta programo de la Nacia Fronto por la Liberigo de Sudvjetnamio de la 8-a de majo 1969 (principoj kaj ĉefenhahavo por la plena solvo de la sudvjetnama problemo, kiel kontribuo por la restarigo de la paco en Vjetnamio);
- 3- punkta deklaracio de la 10 a de decembro 1970;
- 7- punkta propono de la 1 a de julio 1971.

Ĉi tiuj raciaj proponoj estas faritaj, dum ke Usono ne nur plu militis, sed eĉ sian agreson etendis al la tuta Hindoĉinio. Krome ili konstante rompas la suverenecon kaj la sekurecon de DRV, kion montras la, je la fino de la antaŭa jaro, rekomencitaj barbaraj bombardadoj kontraŭ DRV.

La ĉefpostuloj de la vjetnama popolo estas:

- Usono devas senprokraste fini sian agresmiliton, rezigni la politikon de vjetnamigo de la milito, totale retiri ĝiajn trupojn kaj la trupojn de la aliaj fremdlandoj de la usona alianco kaj malmunti la usonajn militbazojn, sen elmetado de ia ajn kondiĉo, aŭ respektive fiksi limdaton por la retiro de la trupoj.
- Usono devas reale respekti la rajton pri memdecido de la sudvjetnama popolo, meti finon al sia enmiksigo en la internajn aferojn de Sudvjetnamio kaj ĉesigi sian subtenon por la popolmalamika sajgona Thieu reĝimo.

En la kazo, kiam la Nixon – registaro fiksas limdaton por la retiro de la trupoj, garantias la PRR de SVR la sekuran retiron de ĉiuj trupoj de Usono kaj de tiuj de la aliaj aliancanoj, el Sudvjetnamio, totalan liberigon de la militistoj el ĉiuj partioj kaj de la civiluloj kaptitaj dum la milito, inkluzive de la usonaj pilotoj kaptitaj en DRV.

### Demagogio de Nixon

La komenco de la Pariza Konferenco de la Kvar okazis samtempe kun la ekofico de Nixon, kiu promesis la finigon de la vjetnama milito, al la usona popolo kaj al la monda publiko. Sed prezidento Nixon rifuzas ankoraŭ ĉiam obstine, post kiam jam okazis 140 kunsidoj de la Pariza Konferenco de la Kvar, objektive kaj reale pri la konstruktivaj proponoj de la registaro de DRV kaj de PRR de RSV diskuti. Anstataŭ li provas trompi la usonan popolon kaj la mondan publikon, per demagogiaj manovroj. La mankantaj sukcesoj de Usono sur la batalkampo en Sudvjetnamio, nun estas kaŝataj pere de la denove komencitaj perfidaj teroratakoj kaj per „premo ĉe la konferenca tablo".

Kelkaj de la malkonvinkaj pretekstoj de Nixon refutas la „International Herald Tribune" de la 4a de januaro de la nuna jaro. En la artikolo „La komuniko de la bomboj" de Anthony Lewis estas dirite pri tio: „La streĉe kunmetita iluzio de la prezidento signifis, ke la usonaj militfortoj devas resti en Sudvjetnamio, ĉar la malamiko havas usonajn militkaptitojn. La vereco estas tute alia: La militkaptitoj estas utilaj en la kadro de la politiko de Nixon, por helpi al li pravigi la restadon de la usonaj trupoj. Ekzistas la iluzio, ke la bombatakoj estas necesaj, por protekti la restintajn usonajn trupojn en Sudvjetnamio. Oni vidas nun, ke la vero estas tute alia: La restintaj trupoj oni lasas tie, por ke oni havu kaŭzon por pluaj bombatakoj. Ekzistas la iluzio, ke la usona respondeco por vivo kaj morto en Hindoĉinio venos iom post iom al la fino. La politiko de Nixon en vero malebligas la finon.

Sen bombatakoj kaj rekta subteno per usonaj aviadiloj la registaro de Thieu en Sajgono havus malmulte da viva ŝanco plu ekzisti kaj ĝia ekzisto estas nun ĉefa kaŭzo por tio, kial ni estas en Vjetnamio . . ."

(El „Horizont" 5/72, trad. K. Urban)

---

Jevgenij Jevtuŝenko

## MEMORAĴO AL LA AGRESANTOJ

*Se, ardante de soifo al human',*
*vi vjetnamon lasos nuda kaj sen pan',*
*kaj al liaj brakoj-kruroj metos jen*
*pezajn, ferajn braceletojn de katen',*
*honorsigne al multrasa famili'*
*per „Playboy" la buŝon ŝtopos vi al li*
*kaj ekĵetos lin, kun tre konkreta cel',*
*sur la rokon, kie mankas eĉ la ŝel',*
*eĉ herbeto, kie kuŝu li pro lac', –*
*nur por etaj du plandetoj restu plac', –*
*okulhare kaptos semojn li, en ver',*
*inter fingroj liaj kreskos primaver',*
*kaj ŝlosiloj de la verdaj ĝermoj jen*
*turnos sin en la seruroj de katen',*
*malfermiĝos la premiloj el la fer',*
*fortos liaj brakoj-kruroj en liber'.*
*Je arbego kreskos ĝermo pli kaj pli,*
*kaj el ligno kanoteton faros li.*
*El „Playboy" farita estos lia „non"*
*kaj remile eknavigos li al bon',*
*remilingojn ja konstruos li sen ĝen'*
*el la fero de ŝlosinta lin katen'.*
H a j f o n g.

El la rusa: *K. Gusev* – CR –

---

# La plej grava problemo de la homaro

Unu el la centraj lokoj en la nuntempaj internaciaj rilatoj okupas la problemo de malarmado. Ĝi ne ĉesas resti la temo de diplomatiaj intertraktoj, ĝi estas objekto de laboro kaj de diskutoj de internaciaj organizaĵoj, ĝi figuras en oficialaj politikaj programoj de multaj ŝtatoj de la mondo.
Tio ne estas hazardo. La homaro, kiu akiris tragikan sperton de pli ol 2 miloj da militoj, okazintaj dum novtempa periodo, precipe de la teruraj militaj masakroj en la imperiisma epoko, grade disvolvas sian kontraŭmilitan instinkton, speciale akriĝantan en la tempoj de la nuklea armilo, kiam eksplodigo de nova monda konflikto signifus memneniigon de nia civilizacio. Paralele kun vekiĝado de memkonservaj homaraj refleksoj kreskis la organizita socia protesto kontraŭ armadoj kaj kontraŭ militoj. Ĉiam pli klare kristaliĝis ankaŭ la eliminprogramoj de apartaj armadspecoj kaj la aliaj metodoj de daŭra pacosekurigo al la mondo.
Jam en la XVII–XVIII-a jarcentoj aperis multaj utopiaj projektoj de redukto aŭ elimino de armado. La historio notas pli malpli radikalajn elpaŝojn de progresemaj pensuloj en multaj landoj kontraŭ la milito, kiel kontraŭ produkto de reĝimoj apogataj sur socia malegaleco kaj perforto. En la XVIII-a jarcento okazis la unuaj interkompreniĝoj inter la ŝtatoj rilate la limigo de kelkaj armilspecoj. La utopiajn projektojn de pensuloj – pacifistoj sekvis en j. 1817 la precedenco de la unuaj partaj malarmad-paŝoj. Oni kontraktis pakton nomatan Pakto Rush–Bagot inter Grandbritio kaj Unuiĝintaj Ŝtatoj de Norda Ameriko. Ĝi koncernis la limigon de armad-limito de la ŝipoj cirkulantaj sur la Grandaj Lagoj en limzono de Kanado kaj Usono.
Tiu – ĉi modesta evento fariĝis dum la sekvontaj jaroj precedenco por malarmadaj interkonsentoj en Eŭropo kaj Suda Ameriko.
La problemo de malarmado – verdire antaŭ ĉio en teoria formo prezentis gravan temon de du packonferencoj en Hago/j. 1898 kaj 1907. En Ligo de Nacioj al la problemo de malarmado oni donis formalan rangon de unu el la temoj de multflankaj interregistaraj intertraktoj. Oni povas aserti, ke ne pli frue ol depost 1919 j. la problemo de malarmado komencis graviĝi, kiel temo de diplomatiaj intertraktoj karakterizantaj la nuntempajn internaciajn rilatojn.
Seriozan rolon en konstanta ranga kresko de malarmadaj traktadoj ekludis la unua en la mondo socialisma ŝtato – USSR. Je rekomendo de V. I. Lenin la sovetunia registaro dum konferenco en Ĝenevo (j. 1922), kiel la unua en la historio, proponis realigon de universala malarmadprogramo. Tiu unua sovetunia malarmada iniciato iĝis komenco de persista batalo flanke de la socialisma sistemo por elimino de financaj rimedoj ebligantaj la organizon de militoj. La batalo alportis la unuajn efikojn ne pli frue, ol post 40 jaroj, sed la celo de universala malarmado estas ĉiam ankoraŭ malproksima.
Dum ĝisnuna konkuro al armado la ŝtatoj elspezis 3 trilionojn da dolaroj por militistaj celoj, la aktualaj elspezoj atingis nivelon de 200 miliardoj ĉiujare. Nekutime seriozajn ne nur ekonomiajn, sed ankaŭ sociajn sekvojn de konkuro al armado, elmontris la raportoj de ekspertoj de UN en j. 1962 kaj 1971.
Tiu kresko de militaj potencialoj kaj elspezoj malebligas la sekurigon de daŭra paco al homaro. Paco en la mondo estas ĉiam ankoraŭ necerta, kaj la minaco de militaj lokaj aŭ mondaj konfliktoj prezentas en internaciaj rilatoj unu eblecon. En 1967 estis publikigita raporto de la Ĝenerala Sekretario de UN enhavanta aŭtoritatan trarigardon de la danĝero ligita al eventuala apliko de nuklea armilo. La raporto, montras, ke la staton sur armada kampo oni povas difini per nomo de „armita paco". Tio estas situacio kun kiu ne povas konsenti la popoloj de multaj ŝtatoj, inter ili de la socialistaj ŝtatoj. De komence de la nuklea epoko la socialistaj ŝtatoj daŭrigas aktivan diplomatian batalon subtenatan de vasta socia movado en multaj landoj, batalon por stabiligo de la paco, pere de elimino de financaj rimedoj por militgvidado, antaŭ ĉio de la amasekstermaj armiloj. Sub influo de postuloj flanke de progresemaj sociaj medioj okazis malarmadaj traktadoj post la dua mondmilito. Ilia aparta karakteriza trajto estis tio, ke ili trakuradis jam sur nova historia platformo – ne nur kun partopreno, sed ankaŭ sub potenca influo de la socialista sistemo.
La socialistaj ŝtatoj, ege kontribuis al progreso de la postmilitaj malarmadaj traktadoj.

L. F. – CR –

Aleksandr Logvin

## Nokte antaŭ la 23.12.71

*Mi aŭdis, aŭdis timsonoran*
*Alarmon ie en la mond . . .*
*Strećite nervojn, son' horora*
*Rondiris ondo post la ond'. . .*

*Similis tio al orkano,*
*Tenebra misteraĵ', omen' –*
*Sed aŭdis, aŭdis el lontano,*
*Mi krion, plenan de malben' . . .*

*Kaj vi ne pensu, ke mi fola –*
*Ne estis tio halucin'.*
*Alarmon aŭdis ne mi sola,*
*Ne povis koro trompi min.*

*Sed kiu plendis? Kiu vokis?*
*De kie venis la signal'?*
*La koro arde reciprokis,*
*Postulis min al la batal'.*

*Al la batal' kontraŭmilita,*
*Por la feliĉa homa sort'.*
*Ve, maljustec' – ne ekstermita!*
*Multloke regas ja perfort'!*

*Se ne ribele, do almenaŭ,*
*Proteste per ali-rimed'*
*Ni, malgraŭ iu ajn omeno,*
*Defendu Pacon sur Planed')*

omeno = aŭguro
lontano = malproksimo
fola = gaje frenezeta

## MESAĜO

**Al la japanaj esperantistoj, pacbatalantoj, karaj amikoj kaj kunbatalantoj por la plej grandega celo de nia epoko**

La Mondpaca Esperantista Movado (MEM) forte interesiĝas pri via aktiva partoprenado en la amasa batalo de la japana popolo por konservo de la tutmonda paco, por fiaskigo de la monstraj planoj de novaj militinstigantoj el la imperiismaj rondoj, por estingo de la militfajrujoj en Hindoĉinio kaj Mezoriento. Ni legis atente pri la laboro de la Internacia konferenco kontraŭ A- kaj H-bombo en Hiroŝima, al kiu la ĝenerala sekretario de MEM pacamiko Tomaŝ Balda sendis specialan mesaĝon.
Vian preseldonon „La Verda kolombo" estas ricevata de ni kaj legata kun intereso.
Vian sperton en la pacbatalo lige kun aliaj neesperantistaj amasaj kaj porpacaj movadoj kaj organizaĵoj ni publikigas en la paĝoj de la organoj de MEM – la revuo „Paco" kaj la bulteno „Pacaktivulo".
Daŭrigu, karaj pacamikoj, vian noblan lukton por ĉesigo de la usona agresmilito en Suda Vjetnamio, en Laoso kaj Kamboĝo, subtenu la pacbatalon por solvo de la militkonflikto en Meza Oriento sur la bazo de la sekureckonsilantara rezolucio ĉe la Unuiĝintaj Nacioj.
Akceptu niajn varmajn salutojn pri novaj sukcesoj en tiu noblega agado!

El „La Verda Kolombo" No 13/1971

Prezidanto de MEM (N. Aleksiev) – CR –

# MEMOROJ PRI J.D.BERNAL

Post la morto de profesoro John D. Bernal nomis Romesh Chandra ties vivon kaj laboron „inspiro por ĉiuj geviroj, laborantaj por la paco".
Tiel ankaŭ la evoluo de nia Mondpackonsilantaro al tutmonda movado, efikanta en ĉiuj kontinentoj, por ĉiam estas ligita kun la vivoj kaj agadoj de la elstaraj sciencistoj kaj pacbatalintoj Joliot Curie kaj John D. Bernal, la unuaj reprezentintoj de nia movado.
La scienca laboro de nia neforgesebla amiko Bernal esence helpis, konvinki la pacmovadon, ke la batalo kontraŭ milito samtempe signifas luktadon kontraŭ malsato, malriĉeco, malprogreso por sociaj justeco kaj progreso. Per tiuj konstatoj estas cititaj jenaj punktoj, esprimantaj karakteron kaj gravecon de Bernal, kaj kiuj donis al sia vivocelo epokan signifon. La batalo por mondo sen milito kaj laboro por scienca progreso estis intime kunigitaj. Por postmortaj epokoj ili donas instruon por la ĉiutaga laboro.
*„Mi neniam kapablis diferenci inter miaj respondeco kiel sciencisto kaj kiel civitano, kiel tion povas kelkaj inter miaj kolegoj."* Tiu frazo per kiu li finis sian faman kaj larĝe disvastigitan libron „Mondo sen Milito", esprimas la esencon por kompreni liajn pens-, vol- kaj agmanierojn. Lia respondeco kiel civitano instigis lin, konstante transpasi la limon de sia fakoscienco. El tiu respondeco li studis la kondiĉojn de la societo, la aktivajn fortojn de la mondo, la decidajn faktorojn de la tempo, en kiu li vivis; por helpi ĝin aliigi. Aliflanke li encerbigis al si amplekse la sociordajn kondiĉojn kaj konformojn en ĉiuj dimensioj, kiujn li registris en sian propran sciencan laboron.
John Bernal naskiĝis en jaro 1901. Ankaŭ laŭ sia eksterajo li estis homo de nia jarcento, kiu fariĝis jarcento de gigantaj teĥnikaj eltrovoj kaj de grandaj sciencaj prosperoj. Aliflanke ĝi estigis du mondmilitojn, sed fine kaj ĉefe karakterizis ĝin la Granda Revolucio en Rusujo kaj la estiĝo de la unua socialista



Foto: Zentralbild

pacpotenco, kiu kaŭzis la decidan turnon de la homa historio. Ĉiuj gravaj evoluoj respeguliĝas en la vivo de Bernal. Li glore partoprenis ĉiujn gravajn paŝojn de sia fakoscienco, kaj li estis inter la unuaj, kiuj ekkonis, ke la nova epoko, komencinte dum nia jarcento, nepre postulas novajn formojn de la internacia vivo kaj de interindividuaj rilatoj. Kiel fizikisto li efike aplikis siajn sciojn kaj spertojn kaj evoluigis ilin, kies principojn eltrovis aliaj antaŭ li. Kiel batalanto por mondpaco kaj socia justeco li agis same sur alia bazo, sed ĉiam servante al la sama celo: Li ĉiam konsciis la fakton, ke la nunaj pacbatalantoj realigos per leĝaj agoj la humanismajn celojn kaj ties ĝermojn. Sed samtempe li ekkonis pli frue ol multaj aliaj, ke nia generacio havas la unikan ŝancon, realizi la jarcentjarajn idealojn de paco, de interkompreniĝo de la nacioj kaj de tutmonda frateco, kiu estiĝu socia potenco.
Kiel sciencisto kaj pacbatalanto li portis en si profundan optimismon. Sed tiu konvinko neniam fariĝis ĉe li facilanima entuziasmo. Li sciis, ke nia kontraŭulo en tiu batalo estas senkompromisa, sperta kaj senkompata. Bernal sciis, ke la prudento devas unuiĝi kun la potenco, por ke ĝi estu realigebla. Lia konfeso al socialismo estis konfeso al prudente uzata potenco, servanta por la homa progreso. En tiu senco sin sentis profesoro Bernal ankaŭ konforma kun la socialista germana ŝtato, G D R, amikece ligita, kiun li vizitis precize antaŭ dek jaroj pro studaj intencoj, kaj en kiu li trovis por ĉiam multajn amikojn kaj batalantojn.
Bernal kreis per sia vivo modelon, ke socialistoj sin sentas unuanimaj en pensoj kaj agoj kun ĉiuj homoj, ankaŭ se ili ne estas socialistoj, sed sincere jesas pacon kaj interkompreniĝon. Tiel li kreis kadron por kolekti homojn, diversaj en opinioj, sintenado kaj konvinko, kiuj amike kaj kolektive povis labori efike por sama granda celo kaj kontraŭ komunaj malamikoj. En sia lasta parolado, preleginte ĝin kiel prezidanto de la Mondpackonsilantaro en jaro 1965 en Helsinki, diris profesoro Bernal: „Paco sen finigo de maljusteco kaj ekspluatado estus amara moko. Antaŭ kiam estas ebla, krei novan mondon kiel neevitleblan rezulton de progreso, scienco kaj teĥniko, devas malaperi imperialismo kaj ĉio, kiu ĝin reprezentas."

El materialo de Friedensrat der DDR tradukis Dieter kaj Renate Berndt

# La sangospuro de la brita imperialismo en Nordirlando

Komence de aŭgusto 1969. London sendis la unuajn 3 500 soldatojn al Nordirlando, komisiitaj „pacigi" la „blankan kolonion". Hodiaŭ 13 000 soldatoj troviĝas daŭre en la apartenantaj al Granda Britio ses graflandoj en la Nordokcidento de la Irlanda insulo. Dum $2\frac{1}{2}$ jaroj ili establis reĝimon de teruro kaj murdteroro. Kruelaj faroj de la koloniala fisoldataro kaj de iliaj komplicoj el la nordirlanda reganta klano kontraŭ la popolo kaj speciale kontraŭ la movado por la civitana rajto apartenas al la ĉiutaga vivo de la lando. La brita soldataro furiozas en Nordirlando kiel antaŭe en la afrikaj kaj arabaj kolonioj. Jen nur kelkaj ekzemploj el la granda aro da krimoj de la brita imperialismo.

### La kuglo trafis lin dum dormo

15a de aŭgusto 1969 en la katolika mizerkvartalo Ardoyne en Belfast: Ame sinjorino Rooney kovras sian plej junan filon, la naŭjaran Patrick. Estas la 20-a horo, la tempo por dormo de la etulo. Duonan horon poste furiozas la infero en la mallumaj ŝtratetoj de la kvartalo. Britaj soldatoj estas ĉirkaŭintaj Ardoyne. Komencas unu de iliaj malbonfamaj fikontroloj. Per la fusilkolboj ili trabatas la pordojn. Vitro splitiĝas. Homoj vekriaĉas. Hazarde preterveturas varaŭto kaj kaŭzas misfuzon. Tuj la fisoldataro komencas pafadon. Ili pafas al ĉiu fenestro, al ĉiu niĉo. Unu kuglo trafas Patrickon en la kapon. Tuj li estas morta. Intertempe la soldatoj estas enpenetrintaj en la domon. Brutale ili flankenŝiras sinjorinon Rooney, kiu konsternite surplanken falis kaj ploris apud sia filo. El la fenestro de la infanĉambro la soldatoj sentakte daŭrigas la pafadon. Entute ses homoj estis murditaj en Ardoyne dum tiu nokto.




Grafiko: Zentralbild

En la frumatenaj horoj de la 10a de aŭgusto.
Sur la belfasta „Falls Road" (= strato) teren falas juna viro, kiu sukcesis sin savi el la brulantaj domoj, morte trafita per britaj kugloj.
Patro Hugh Mullan, 40jaraĝa katolika pastro, observas la okazon el sia kontraŭsituanta loĝejo. Rapidege li surmetas la sutanon kaj kuregas sur la straton, por doni la sakramentojn al la mortanto. Alia domano iras al li. La brita paflertulo, kiu estis irinta en pozicion sur la domtegmento, distancata 50 metrojn, eĉ ne hezitas unu momenton. Post kelkaj sekundoj tri mortintoj kuŝas sur la „Falls Road".

### „Nur estis eraro"

18a de aŭgusto 1971. Strabane: Batalantoj por la civitana rajto de la nordira loko Strabane ĉe Londonderry demonstracias kontraŭ la sanga subprema militiro de la brita fisoldataro, dum kiu nur inter la 9a kaj 13a aŭgusto mortis 25 homoj. La brita garnizonestro faras alarmon. Oni pafas la demonstraciantojn per ebonitaj kugloj, kiuj igas ege dolorajn vundojn. Per tio la demonstracio disiras. Kirk McDevitt, 28jaraĝa, surdmuta ek de la naskiĝo, estas faranta sian ĉiutagan matenan promenadon. Kelkajn minutojn post la dispafado de la demonstracio li trovas unu de la nigraj, longformaj pafaĵoj. Britaj soldatoj, kiuj observis lin el dekmetra distanco, tuj ekpafadas. Poste ili asertis, ke normale ili postulis de Kirk McDevitt, ke li faligu la „armilon". Cinike la garnizonestro klarigis pro la murdo de la surdmutulo „Tio nur estis eraro!"

### Angela ludis en la antaŭdoma ĝardemo.

4a de septembro, Belfast: John (7), Bernadette (5), Angela Gallagher ($1\frac{1}{2}$) ludas en la antaŭdoma ĝardenaĉo de la gepatra domo. Sinjorino Gallagher elsendis ilin, ĉar en la malgranda loĝejo de tiu kvartalo de malriĉuloj nur estas loko por dormado. „Patro" John jus volis averti Angela, kiu estas okupata ĉe la malalta murego, kiam eksonas la seka bojo de mitralo. Senlaŭte ekfalas Angela. Serĝento Jack Pearson: „Mi vidis suspektan movon ĉe la murego de la antaŭdoma ĝardeno kaj donis pafordonon!"
Kaj ĉiutage la gazetaro alportas novajn informojn pri similaj krimoj. Kiomlonge ankoraŭ?

(El „Horizont" 5/72, trad. E. Diedrich)

# Unujara konstruiva laboro por paco kaj sekureco

## Bilanco de GDR 1971

### GDR kaj la eŭropa sekureco

La internacipolitika bilanco por la jaro 1971 montras, ke GDR ĝuas plej grandan signifon en la lukto pro realigo de eŭropa sekureckonferenco kaj ĉiuj praktikaj rimedoj, ebligantaj konsolidiĝon de la situacio sur la kontinento. Apud la multilateralaj klopodoj en kadro de la socialisma ŝtataro GDR en tiu influsfero ekagis per multflankaj propraj kaj suplementaj iniciatoj.
Krom la rajtigita postulo pro samrajta partopreno GDR havas rilate realigo de eŭropa konferenco nek antaŭkondiĉojn nek nur konsentas akcepton aŭ malakcepton de ĉiuj proponoj. Ĝi opinias, kiel akcentis la ministro por eksterlandaj aferoj, Otto Winzer, en intervjuo por la Finna Radio, ke oni ne faru kondiĉojn, ne konstruu barojn, sed traktu ĉiujn demandojn reciproke kaj paralele. Tio ekzemple validu por la ratifikado de la kontraktoj inter la UdSSR kaj GFR, same inter Pollando kaj GFR.
La subskribo de la kvarflanka konvencio pri okcidenta Berlino je la 3. 9. 71 estis grava paŝo sur la vojo por certigo de la paco en Eŭropo. Ĝia realigo ankaŭ estis sukceso responde je la multnombraj tiurilataj iniciatoj de GDR. El la kvarflanka konvencio rezultintaj konversaciojn inter la registaroj de GDR kaj de GFR, kaj la Senato finiĝis je la 11. 12. 71 kun parafigo de kontrakto kaj du interkonsentaj dokumentoj. La kontrakto regulas la transittrafikon de personoj kaj varoj inter la Federacia Respubliko Germanio kaj Berlino (okcidenta). La interkonsentaj dokumentoj reguligas la demandon de enklavoj per interŝanĝo de teritorioj kaj koncernas plifaciligojn kaj plibonigojn de la vojaĝoj kaj vizitoj. Jam en februaro 1971 la ministra konsilantaro de GDR prenis la iniciaton por tiuj intertraktoj. Ĝi estis sukcesplena antaŭ ĉio pro la pacienco, la konsekvenco kaj la konsentemo de GDR.

### GDR kaj la Unuiĝintaj Nacioj

La 26a plenkunsido de Unuiĝintaj Nacioj reflektis kiel neniam antaŭe la kreskintan internacian aŭtoritaton de GDR same kiel la ekkonon, ke ne eblas, solvi gravajn problemojn sen GDR. Dum la ĝeneraldebato 20 ŝtatoj pledis por la membreco de GDR –, 15 pliaj pledis por la aliĝpermeso rilate dividitaj landoj. Vico

de aliaj ŝtatoj pledis por la realigo de principa universaleco de UNO.
Por la realigo de UNO-principo rilate universaleco pledis aliaj ŝtatoj. La ministro por eksterlandaj aferoj de Usono, Rogers, unuan fojon korekte uzis la nomon GDR. Multokaze GDR substrekis, ke ĝi pretas, kunagi ĉe la taskoj de UNO kaj ĝiaj specialaj organizaĵoj transprenante la koncernan respondecon.

### La kunlaboro de la GDR kun la aziaj, afrikaj kaj latinamerikaj ŝtatoj

Depost 1969 17 aziaj, afrikaj kaj latinamerikaj ŝtatoj normale diplomate ekinterrilatis kun GDR. Ĉiam kaŭzis tiun akton la komuna percepto pri neceso de batalo kontraŭ imperialismo kaj neokoloniaIismo. Por multaj de tiuj ŝtatoj la interrilata normaligo al GDR, estis signo de ilia suvereneco kontraŭ imperialista enmiksada politiko. Je ekonomia kampo ĉiam pli montriĝas, ke samrajtaj ekonomiaj rilatoj inter evoluantaj landoj kaj socialistaj ŝtatoj estas efika rimedo kontraŭ ekonomia ĉantaĝo per kapitalistaj ŝtatoj kaj monopoloj. En 1971 GDR celstrebe daŭrigis siajn klopodojn por atingi oficalajn kontaktojn kaj interkonsentajn dokumentojn pri la ekonomia kaj sciencteknika kunlaboro kun evoluantaj landoj. Akcentinda estas ampleksa kontraktaro, subskribita fine de julio 1971 kun la respubliko Ĉilio. Apud la kutimaj kontraktoj rilate interŝanĝo de varoj kaj la sciencteknika kunlaboro unuan fojon inter la registaroj estis subskribitaj specialaj sekciaj interkonsentoj. Temas pri kompleksaj kontraktoj pri la kunlaboro rilate elŝaktigadon, produktadon kaj prilaboradon de kupro kaj de kampkultura kaj nutrajvara mastrumado. Unuafoje estis faritaj kontraktoj kun Hindio kaj Cejlono pri la scienc-teknika kunlaboro. Ĉe tio estas citinde, ke precipe la signifo de tiaj kontraktoj en la ekonomia kooporado inter GDR kaj t.n. evoluantaj landoj konstante kreskas, ĉar la kontraktantoj estas aparte interesataj je subteno en tiu kadro. Tiu intereso koncernas krom la interŝanĝo de ekspertoj la instruadon de naciaj fakuloj kiel ankaŭ la peradon de spertoj en GDR ĉe la gvidado kaj planado de la ekonomio, de la kleriga kaj kooperativa sistemoj kaj aliaj sferoj. La evoluado de ekonomia kunlaboro inter GDR kaj junaj naciaj ŝtatoj estas ekkonebla per kelkaj ciferoj: La volumo de eksporto kun Egiptio altiĝis de 1965 ĝis 1970 je 24 procentoj, kun Sirio je 30 procentoj kaj kun Irakio je ĉ. 80 procentoj.

(Panorama DDR, trad. Elsa Gruhle)

*La 4-an de junio 1972 la usona justico devis liberigi Angela Davis kaj deklari ŝin „senkulpa en ĉiuj punktoj de la akuzo"! Jen sukceso de la monda protestŝtormo.*

Foto: Zentralbild



# ANGELA DAVIS

## Deklaracio de la Monda Packonsilantaro

Forpasis pli ol 25 monatoj, kiam oni arestis kaj enkarcerigis la docentinon Angela Davis kiel laŭdira kunkulpulino je murdo. Sed estas sendube, ke Angela Davis estas politika malliberulino.
Angela Davis, la juna, nigra aktiva komunistino, kunigas en si la plej bonajn trajtojn de ĉiuj, kiuj batalas por paco kaj justeco.
La usona imperiismo elektis ŝin kiel atakcelon por ekbati kontraŭ la nacia batalo kontraŭ milito, rasismo, malriĉeco kaj persekutado.
Ĝi uzas la du ideologiajn ĝemelajn armilojn de la militinstigantoj: rasismo kaj kontraŭkomunismo.
Angela Davis direktis siajn salutojn al tiuj milionoj da homoj, kiuj en la tuta mondo, sub la devizo „Libereco por Angela Davis" leviĝis al la batalo por ŝia liberigo. La Monda Packonsilantaro sendas siajn salutojn al ŝi kaj devontigas sin al ankoraŭ pli granda subteno por Angela Davis kaj por aliaj konataj usonaj politikaj malliberuloj, kiuj fariĝis viktimoj de la politika persekutado: por la membroj de la „**Nigraj Panteroj**" kaj por la sepopo el Ĉikago, por la du lastaj Soledad-fratoj, por la sesopo el Harrisburg, gvidata de la fratoj Berrigan, de jezuitaj pastroj, kaj por Daniel Ellsberg.
Ni salutas ankaŭ la sennombrajn nekonatajn usonajn politikajn malliberulojn kaj devontigas nin subteni ilin ĉiam pli kaj pli forte.
Maljusteco, kie ajn ĝi estas aplikata, prezentas danĝeron por la justeco kaj por la paco en la tuta mondo! Ni devontigas nin, entrepreni ankoraŭ pli grandajn penojn por mobilizi pluajn milionojn da homoj el ĉiuj kontinentoj al la batalo kontraŭ la politika persekutado en Usono. La militinstigantoj kaj armaj konzernoj uzas tiajn persekutojn kaj la rasismon por kontraŭagi ĉiujn, kiuj kontraŭas iliajn agadojn kaj intencojn.
Ni neniam forlasos nian komunan aferon, la seninterrompan batalon por libereco kaj justeco, kontraŭ ĉiuj formoj de la morala kaj fizika tiraneco.
Angela estos libera. Ŝia liberigo signifos grandan venkon por la mondpaco kaj justeco.

# LA SUEZ-KANALO KAJ PACO

de Rudi Graetz

Depost la malfermo de la Suez-kanalo en novembro 1869 forpasis pli ol 100 jaroj. Ĝis la agreso flanke de Israelio dum junio 1967 la Suez-kanalo estis la plej uzita artefarita ŝipvojo de la tero, kiu ligas trans la istmo de Suez la Mediteraneon kun la Ruĝa Maro. Ĝi mallongigas la ŝipvojon inter Eŭropo kaj Azio minimume je 8 800 kilometroj, ŝparante la vojon ĉirkaŭ la suda pinto de Afriko. Dum la lasta jaro antaŭ la agreso uzis la kanalon pli ol 20 000 ŝipoj kun pli ol 350 milionoj BRT. Komence de 1967 po monato pli ol 2 000 ŝipoj kun ĉirkaŭ 30 milionoj tunoj da transportaĵoj pasis la kanalon, t.e. ĉirkaŭ 15 % de la mondtransporto sur la maro. La Araba Respubliko Egiptio per ĝi enspezis ĉiujare ĝis 240 milionojn da dolaroj.

La Suez-kanalo havas grandajn strategian kaj ekonomian signifojn. Tial dum ĝia tuta historio ĝi ankaŭ estis konstanta rabobjekto inter koloniismaj kaj imperiismaj potencoj. Ĝia konstruo jam komencis kapitalisme, tio signifas suĉi profiton el sango. Post dekjara konstruado per la „Compagnie Universelle du Canale Maritime de Suez" la akvovojo transdoniĝis al la mondo kun grandiozaj festoj kaj opera muziko. Ferdinand Lesseps, la fondinto de la Universala Kompanio, estis festita, dum la popolo de Egiptio devis suferi per nekalkulebla damaĝo. Por Lesseps oni konstruis monumenton, sed la historiistoj forgesis mencii, ke tiu ĉi teknika miraklo estis konstruita per la morto de 120 000 egiptaj kamparanoj. Egiptaj feŭduloj, kunlaborantoj de la Kompanio, dum ĉiu monato pelis po 20 000 laboristojn kaj kamparanojn, kvazaŭ sklavoj en la ardvarmegan dezerton de la Supera Sinai, kie tiom multaj el ili perdis sian vivon.

Sed profitis la akciuloj de la Suez-Kompanio, kiu jam baldaŭ povis centobligi siajn kapitalojn. Tiaj uzuraj profitoj altiris aliaj profitegemulojn. Anglaj bankistoj havigis al si la kontrolan akcipakaĵon. 1878 britaj soldatoj aliris Cipron kaj 1882 la brita okupado de Egiptio ekkomencis, ĉio per la preteksto ŝirmi la „liberan" kaj speciale la britan ŝipveturadon. Tiamaniere la Suez-kanalo fariĝis por la brita kolonia imperio la plej grava nabo. La plej gravaj apogantoj de ĝia superregado estis la egiptaj feŭdaj-monarĥaj kunlaborantoj.

Nur post la detronigo de la egipta reĝo en la jaro 1952 eblis forigi ankaŭ la britajn okupantojn dum la sekvaj jaroj ĝis finfine 1956. La sekva logika paŝo kondukis al la naciigo de la konstruaĵo. Simbolo por la antaŭenmarŝo de la araba nacia movado de politika al ekonomia liberigo estis la senpropriigo de la kapitalista Kanal-kompanio per la registaro de kolonelo Gamal Abdel Nasser.

La „malnovaj" kapitalistoj tuj reagis. Por okupi denove la Suez-kanalon ili komune kun Israelio atakis Egiption per la preteksto „sekurigi" la ŝipveturadon. Sed la potencsituacio en la mondo ŝanĝiĝis kaj la koloniistoj malvenkis. La uzantoj de la akvostrato devis pagi siajn kotizojn al la nova, sendependa Egiptio. La nova administracio plibonigis per la enspezoj la kapaciton de la kanalo tiel multe, ke anstataŭ 30 000 tunaj oleaj ŝipoj nun povis trapasi ĝin tiaj kun 80 000 tunoj. Sed nova atako de la imperiismo sekvis, kaj per ĝi denove agresaj trupoj venis al la Suez-kanalo. Instigita kaj kovrita de la agresemaj imperiismaj fortoj – Usono kaj FRG – Israelio okupis ankaŭ la orientan bordon de la Suez-kanalo. De tie ili detruis antaŭ la nova batalhalto inter alie la urbon Suez. Ĝi estis laŭvice la tria industriurbo de la Nil-lando. Post la batalhalto de junio 1967 ankoraŭ 60 % de tiu ĉi urbo detruiĝis fare de la Israela armeo, per kanonado kaj bombado. Hodiaŭ tie preskaŭ ne ekzistas domo, kiu ne montras spurojn de la agresado. De iam 268 000 loĝantoj, nur ankoraŭ 10 000 vivas en la urbo. Necesis evakui ilin en aliajn partojn de la lando. En la urbo ekzistis du rafinejoj. Pro la bombado ili grandparte detruiĝis kaj necesis transporti la produktajn ekipaĵojn alienloke. La ŝipmetiejoj de Port Tawfik estas plene detruitaj, kaj same la havenurbo mem. Nur la duono de la detruitaj domoj estas ripareblaj. Ambaŭflanke de la Suez-kanalo en longeco de 165 kilometroj vid-alvide staras la armeoj. Sur la azia-flanko staras la armeoj de la imperiisma agresanto, kiuj okupis parton de Egiptio ĝis la kanalo, kaj sur la afrika flanko la defendantoj, kiuj sincere deziras la pacon, sed devas gardostari por ŝirmi sian landon kontraŭ pluaj agresoj.

Depost la nova batalhalto en aŭgusto 1970 la Israelanoj konstruis novajn fortikaĵojn ĉe la orienta flanko de la Suezkanalo. Tamen la restintaj arabaj loĝantoj sur la okcidenta parto de la kanalo kun optimismo rigardas en la estontecon. La plej gravaj stratoj de Suez estas riparitaj, parto de la ruinaĵoj forigitaj, la akva kaj elektra provizado funkcias. Sentebla estas la fidemo de la arabaj loĝantoj, ke per helpo de la amikoj de la Araba Respubliko Egiptio finfine ili sukcesos devigi la agresanton al la retiro kaj post tio daŭrigi la pacan konstruadon per ĉiuj fortoj.

Sed ankoraŭ restis transportŝipoj de 8 landoj malliberaj en la kanalo. Malantaŭ la sensenca parolado pri la „libereco de la ŝipveturado" kaŝas sin fortaj aneksaj



avidoj de la regantaj israelaj fortoj. Depost 1967 impertinente ili pretendas „kundecidrajton pri tiu ĉi egipta konstruaĵo. Kaj tiu ĉi pretendo por 15 ŝipoj, kiujn surprizis la militokazaĵoj en la kanalo, signifas permanenta malliberejo en la Bitter-lagoj. Kiam en la jaro 1968 pro petoj de la posedantoj egiptaj teknikistoj serĉis elirvojon, la agresantoj demonstris sian „kundecidon" per hajlo de kugloj sur la laborboatojn. La devigita pasiva kuŝado kaj la mara salakvo korodas la ŝtalkorpojn kaj instalaĵojn. Jam delonge la transportaĵoj putriĝis kaj estas strekitaj en la librotenado. Entute 4 anglaj ŝipoj troviĝas inter la malliberigitaj transportŝipoj, inter ili la „Agepenor" el Liverpool kaj la „Melampus". Al ili apartenas ankaŭ la polaj motorŝipoj „Djakarta" kaj „Bolislaw Bierut" kaj el Praha „Lednice". Tamen iu aŭ alia el la ŝipoj ankoraŭ estus savebla, se la israelaj agresantoj retiriĝus, se fine Israelio komencus realigi la proponojn de la rezolucio de la UN-sekureco-konsilio kaj ne plu barus la internacian akvostraton.

Jam depost kvin jaroj la Suez-kanalo estas barita kaj la ruĝaj ciferoj sumiĝas en la librotenado de la plej granda parto de landoj. Jam sole 1968 la eŭropaj landoj registris perdojn pro la transportkostoj de ĉirkaŭ 1,5 miliardaj dolaroj. 1966 transportiĝis 250 milionoj tunoj de ŝarĝaĵoj tra la kanalo, nun ilia transportado plilongiĝis inter 8 000 ĝis 15 000 kilometroj. Tio estas granda domaĝo por la mondkomerco, ĉar la varinterŝanĝo de jaro al jaro kreskas.

Laŭ la hamburga gazeto „Die Zeit" la baro de la Suez-kanalo nun sole al la okcidenteŭropaj oleo-importlandoj kostas ne malpli ol 1,9 miliardojn da markoj. Speciale grandajn perdojn ankaŭ havas la evoluaj landoj en la regiono de la hinda oceano, inter ili la orientafrikaj landoj pro ilia krudmaterialaj eksportoj al eŭropo. Nur etparte ili povas plialtigi la prezojn de la varoj pro la plikariĝo de la transportkostoj. Ankaŭ la ĉefurbo de la popolrespubliko Jemen, Aden havas grandajn perdojn, kuŝante ĉe la enirvojo al la Ruĝa Maro. Per la fermo de la Suez-kanalo tamen certaj rondoj de la internacia monopolkapitalo ege profitas – ŝipgrandaranĝejoj, ŝipkonstruejoj kaj ŝtalkonzernoj. Profitas la oleaj monopoloj de Usono kaj la rasistoj en Sudafriko, kun kiuj Israelio intime kunlaboras. La havenaj enspezoj de Kapstadt kaj Durban multobliĝis. En Durban ekkomencas konstruo de haveno por 300 000 tunaj ŝipoj. Ke Pretorio oponas la remalfermon de la Suez-kanalo, tial ne surprizas.

Sed Grandbritio dum ĉiu monato perdas 20 milionojn da pundoj, Hindio ĉiumonate devas pagi kromajn transportkostojn de 22,5 milionoj da rupioj kaj Japanio dum unu jaro perdas 200 milionojn da dolaroj. Tial neniu povas konjekti, ke tiuj ĉi landoj ankoraŭ longe deziras havi tiujn perdojn. Por la mondŝipado la Suez-kanalo estas neanstataŭebla.

Por la konstante kreskanta fluado de varoj inter la ŝtatoj de Eŭropo kaj Azio kaj Orienta Afriko la pasado de la Suez-kanalo estas la plej sekura kaj plej malmultekosta interligo. 30 procentoj de la nutraĵoj kaj granda parto de krudmaterialoj por Eŭropo venas el tiuj ĉi landoj oriente de Suez. Tamen nelibervole ankoraŭ nun ĉiujare 30 000foje ŝipoj sub la flagoj de 50 ŝtatoj devas ĉirkaŭi tutan Afrikon, kaj plilongigi siajn vojaĝojn per ĉirkaŭ dudek tagoj kaj pli, kvankam jam en marto 1971 la Araba Respubliko Egiptio iniciatis la malfermon de la Suez-kanalo kiel unuan paŝon por la solvo de la problemo en la Proksima Oriento.

La UN-rezolucio n-ro 242 hodiaŭ estas tiel aktuala kiel antaŭe. La mondopinio postulas la retiriĝon de la agresanto Israelio. La absoluta plimulto de la ŝtatoj rekonas la rezolucion kiel la unununuran vojon al konstanta paco en Malproksima Oriento. La dokumento montras la paŝojn al la solvo: Agnosko de la ekzistorajto kaj de la suvereneco de ĉiuj ŝtatoj en tiu ĉi teritorio, retiro de la israelaj trupoj el la okupitaj partoj de la arabaj landoj, solvo de la problemo de la Palestinaj Rifuĝintoj laŭ la UN-decidoj.

Ĝis nun Israelio ne konsentis, sed jam de komenco la politikaj gvidantoj de ARE kaj de aliaj arabaj ŝtatoj akceptis la UN-formulon, kvankam la rezolucio ankaŭ de ili, la senhonte atakitaj, postulas certajn politikajn devigojn.

Nur politika solvo estas dezirinda, kaj tial ankaŭ plej baldaŭa sukceso de la misio de d-ro Jarrings. Eblas du praktikaj vojoj: Aŭ la realigo de la marto-1971-proponoj de prezidanto Sadat – tio estas la plena israela retiro en du etapoj, ĉe kio jam post la unua ŝtupo la Suez-kanalo malfermiĝos – aŭ tujaj kontaktoj, por interkonsenti kompleksan pacon. Antaŭkondiĉo por tio estus la preteco de Israelio retiri siajn trupojn al la linioj de la 5a de junio 1967. Nur tio garantius justan kaj konstantan pacon en la Proksima Oriento.

*Sablo-bariloj de la israelaj agresantoj ĉe la Suez-bordo*

Foto: Zentralbild

# Recenzo:

## „Neforgeseblaj tagoj"

### de generalo Vo Nguyen Giap fremdlingva eldonejo Hanojo 1971

La 194 paĝa broŝuro estas alta kanto de la vjetnama Aŭgusta Revolucio post 80-jara koloniismo kaj 1000-jara feŭda reĝimo. La libreto traktas la tempon de aŭgusto 1945 – Ĝenerala Insurekcio ĝis decembro 1946 – eksplodo de rezistmilito kontraŭ la francaj kolonistoj. Kiu volas kompreni la hodiaŭan Vjetnamion kaj ties fundamentajn fontojn, tiu nepre studu la nomitan verkon. Altranga estas ankaŭ la trafa simboloriĉa lingvo ĉiam denove entuziasmiganta la leganton.

La roko en la kirlovento de l'revolucio, estas la ĉiam modesta kaj saĝa personeco de HO CHI MINH.

La Dua Mondmilito proksimiĝis al sia fino. La iamaj francaj koloniistoj estas forpelitaj de japanaj okupantoj. En nordo invadis amaso da trupoj de Ĉiang Kajŝek. Post la duobla ekspluatado de francaj koloniistoj kaj feŭdaj mandarenoj sekvas la rabadoj de novaj okupantoj. Malsatego furiozas en la urboj kaj vilaĝoj. La mizeron senlimigas grandega inundo kaj epidemioj. La kadavroĉaroj ne sufiĉas forkuri la mortintojn.

Ho Chi Minh revenas Vjetnamion en 1941 kaj preparas la nacian revolucion. Estas ekstarigita Konstanta Buroo de Komunista Partio. Apud la rivaleco de diversaj etburĝaj partioj baldaŭ dominias la Minh Fronto. Tamen estas necese fari koncesiojn kontraŭ dekfoja superregado de l'malamiko. Paralele sukcesis la lukto sur kultura tereno, la batalo kontraŭ analfabetismo, ĉar tiu heredaĵo de koloniismo estis eksterordinare mizera. 16./17. de aŭgusto 1945 okazis Kongreso de Popolaj Reprezentantoj, kiuj elvokis la Ĝeneralan Insurekcion. En malpli ol dek tagojn la revolucia potenco establiĝis en la tuta lando. La eksaj reakciaj fortoj estas senpotencigitaj. Jam la 2-an de septembro estis proklamita la Vjetnama Demokratia Respubliko. Kiel unua prezidento estas elektita Ho Chi Minh.

La verkisto de tiu ĉi libro veturis multajn semajnojn al la sudaj provincoj por transdoni la ordonojn de la nova revolucia registaro kaj kontroli la gvidajn kadrojn. Sed pri la detalaj eventoj kaj la movebla revolucia strategio kaj taktiko rakontas mem la modesta generalo en sia libreto.

Kurt Heeg

Bronius Jauniškis

# MORTPAFITOJ REVIVIĜAS

**Dum mia gastado en Varsovio oficistino Zofia P. rakontis timigan historion el tagoj de hitlerana okupado . . .**

Ni ne sentis nin venkitaj. Ne! Neniel! Kvankam ĝuste tion ili atendis. Ni ĉiuj devis ilian venkon venki. En ni mem. Per nia esto. Ĉiu. Kvankam nin tremigis teruro. Sufokanta la spiron, ŝiranta la bruston.

Per bonodora farbo mi densigis al mia mastrino la okulharojn. Tiun vesperon ŝi devis lumi pli hele ol suno. La nomtago! Venos docentoj, profesoroj. Sur la tablon ni metis amason da arĝentaj ujoj. En ilia brilado ni devis senti bonon kaj ĝojon de libero, nian nevenkeblon.

Tamen venis tiuj. Triope. Bajonetoj kaj pistoloj ĉe la koksoj, mitraletoj – sur la ŝultroj. Ilian saluton ni ne respondis. La mastro tre nerimarkeble per rigardo montris al kemia laboratorio. Febranta, kiel dum malario mi forglitis al tiu angula ĉambro antaŭ eniro de la germanoj.

La unua ensaltis la suboficiro. Akra rigardo pafadis inter retortoj, alkoholaj bruliloj kaj grandegaj boteloj. Elŝiriĝis neatendita „ho!". Tamen baldaŭ liaj pupiloj direktiĝis al mi.

Fraŭlino, vi estas ĉarma!

El la koro, ŝajnas, gutis la sango. Mi tuta tremis kaj apenaŭ ne ekkriis: „Raus!" – for! Sed ensaturiĝinta la cerbon niaeca ĝentileco min detenis. Mi staris kvazaŭ ŝtoniĝinta. La suboficiro tiris la lipon kaj elpiedis nenion tuŝinta. Baldaŭ ekĉirpis la ekstera pordo kaj la hufoferitaj botoj elklakis.

La komandanta horo ne plu permesis al la gastoj kolektiĝi tiuvespere. Nur la telefono gratulis la familian feston.

Pasis semajno. Ili denove alklakis triope. Salutitaj de ili, ni klinetis per la kapoj. La trian fojon – ni respondis „Bonan tagon". La kvaran – ni ekparolis. Kaj la mastro, kvankam envie, ekridetis al mi: „palpebrumu al ili, bubino!".

Mi decidiĝis kaj ekrigardis la germanon per miaj torfaj okuloj. Li subite vastigis la siajn, kvazaŭ nekredante pri kaptita fulmo.

– Fraŭlino . . .

Mi ekridetis fojon kaj li metis la manon sur mian ŝultron! Lian manon mi singarde forpuŝis. Tamen li ne faltis la frunton, nur agrable ekridetis. Li pikis per la fingro al sia brusto kaj diris:

– Fraŭlino, mi ankaŭ estas servisto.

Mi deziris ekkrii al li: „de faŝistoj", sed li daŭrigis:

– Patron mi ne havas – ankaŭ patrinon . . .

– Orfo?

– Orfo. Hanz.

Parenceco de la ambaŭa malfeliĉo proksimigis nin. Disiĝis ni kiel malnovaj konatoj.

Vespere li venis sola. Ni pretiĝis al la urbo. Mi montris al li la monumenton de Frederik Ŝopen. Ni revis ĉe ĉirkaŭplantitaj per floroj monumentoj por Nikolaj Kopernik kaj Adam Mickeviĉ.

Jam longe post la komandanta horo li akompanis min hejmen. Ĉe la pordego li premis la manon. Post kelkaj fojoj – li kisis, iom poste „mi amas vin" diris. Mi eĉ ektremis pro emociiĝo. Ne, mi ne estis al li indiferenta. Neniel! Nur . . . nur . . . la uniformo kun kraniaj signoj puŝis for.

Disigis nin nia ribelo. Ĝojo ŝprucis en la spaco kaj ekster ĝi. Ni kvazaŭ akiris flugilojn. Sed baldaŭ ni falis sur nian teron. Reflirtis standardoj kun nigraj krucoj. Dum traserĉoj klakis hufoferitaj botoj.

Hanz plu ne aperis. Eble li pereis, rezistante nian venkon? Ne, verŝajne li kapitulaciis kaj en mallibero min atendas . . .

Ni kredis ja dua ribelo . . .

Ĉi tiuj venis kvarope kaj ekdeziris aranĝi ĝeneralan traserĉon.

La mastrojn ili pelis eksteren. Mi provis mildigi la situacion.

– For! – kriis la oficiro kaj turnis la mitraletan faŭkon al mi. Jola, la mastra filineto, ekkriis en la liteto. Mi kaptis ŝin ĉirkaŭprene, kaj ni ĉiuj koleregante pro l'amaro: „furiozu, serĉu tion, kio forestas!" turnis nin al la pordo. Laŭ ŝtuparo ni descendis fermitan korton, sed subite ni komencis retroiri. En la okuloj -niaj okuloj – torfaj, bluaj kaj verdaj – kvazaŭ mallumiĝis. Pro kio sur la pavimo falintas la najbaroj? Kial el sub ili fluete serpentumas la sango?

Ni ne sukcesis kapti la respondon, kiam al ni de la pordego ekklakis la mitraletoj. Siblanta kuglaro faligis la mastron. Ankaŭ la mastrino ŝanceliĝis. Ial Jola en mia brakumo ekkriis. Akra doloro pikis la pojnon kaj mi falis kune kun la ge-

mastroj. El la pojno, mi sentis, klikas mia vivo. Ia vundon mi premis per naztuko, sed kiel mi ekmoviĝu? La mitraletoj ŝtopiĝis, ĉar ili pafas nur al vivantoj. Mi estas – kadavro. Mi mortis. Ĉu mortintoj iam ekmoviĝas? Eble! Nur ne tiam, kiam mitraletaj faŭkoj estas al ili celitaj.
Per la okula randeto mi bone ilin vidas. Ili estas triope. Vaste starantaj, kvazaŭ dupiedaj bestoj. Kun kranioj sur kurbigitaj kasketoj. Ankaŭ la svastikoj sur ruĝaj rubandoj. La uniformoj estas nigraj kiel kornikoj. Verŝajne ankaŭ la okuloj iliaj estas nigraj, ankaŭ la koroj nigraj, kiel nokto.
Rabbestoj! Sangan laboron ili plenumas. Kaj pafadas ili akurate, laŭvice, laŭonde tutan tagon. Tra la tuta tago. Kiom da ĉi tie ili mortpafis? Kvinetaĝa domo. La universitata domo. La plej kleraj homoj de la urbo.
Vespero. Kvazaŭ nenio okazis. Ĉio silentiĝis, trankviliĝis. Ĉe la korta pordego restis unu, nur unu vaste staranta silueto. Ĝi restis gardi nian morton, nian doloron. Ĉu ĝi sentas, ke ni eĉ mortinte restas vivaj? Neniigi homon estas tre malfacile! Ni, mortintoj, nun estas multe pli venĝemaj ol estis en la horo de sklavigo. Multe pli venĝemaj! Se mi unu, nur unu milimetron rampus al la sentinelo, ĉu li rimarkus? Per muskoloj, kvazaŭ heliko. Nur unusolan milimetron. Jes! Kaj ankoraŭ unu. Ankoraŭ . . . unu. Ho kiel malfacile estas vivi kiel heliko. Sed pro tio ilian moviĝon malofte iu rimarkas. Min kovras Jola. Malvarma kvazaŭ el marmoro. Mortintoj ja frostiĝas. Ĉu eblas rimarki ilian moviĝon?
Noktiĝis. Tamen en la nigra aero oni povis senti, ke la silueto ne malaperis. Ke ĝi ankoraŭ iradas. Fojfoje estis aŭdeble, kiel klakas la hufoferitaj botoj. Kaj ni sentis, ke en meznokto tiuj botoj ŝanĝiĝis. Tamen la novaj botoj estis ial pli nervozaj. Venas ili ĝis la mortintoj kaj denove klakas eĉ ĝis la strato. Revenas ili, aŭskultas iom, sed ne pafas.
Kaj mi rampas. Ankoraŭ milimetron. Ankoraŭ . . . La sentinelo proksimiĝis. Ĉi tien, al la piedoj. Kiam li turniĝis, mi tuj kuŝigis la infanon apude, ial timante ke ŝi ne ekkriu. Per subita salto mi aperis ĉe la sentinelo. Per forta frapo mi elbatis el liaj manoj la mitra leton kaj kiel pantero kaptis la kolon de la germano. Senmezura doloro pikis la pojnon, ankoraŭ pli forte ŝprucis la sango.
– Homoj! – ekkriis mi plenvoĉe.
La sentinelo min rebatis. Tamen la mortintoj eksaltis tutamase, vunditaj kaj duonvivaj, kovritaj per sango, plenigitaj per venĝo. La sentinelo ne sukcesis eĉ la mitraleton kapti, eĉ ekkrii. Bluiĝis li pli malhele ol nokto.
Kiam fortreninte ni kuŝigis lin apud la ŝtoniĝintaj niuloj, mi, rekonsciiĝinta de la timego, ekrigardis la vizaĝon de la germano. Teruro denove plenigis la koron:
Estis li! Hanz!

El litova lingvo tradukis V. Ŝilas

# Tradicioj de imperiisma germana politiko rilate al Hindio

Reakciaj fortoj fervore klopodis respondigi Hindion pri la komplika situacio sur la hinda subkontinento. Laŭ konata imperiisma maniero ili ignoras la fakton, nedubeble pruvitan ankaŭ en la raporto de la ĝenerala sekretario de UNO, U Thant, ke la 3-an de decembro 1971 Pakistano ekigis la militistan konflikton per la bombardado de hindaj aerodromoj kaj per aliaj operacioj. Inter la okcidentgermanaj amasmedioj antaŭ ĉio la gazetoj de la Springer-konzerno estis tiuj, kiuj en sia raportado montris tendencon prononcite kontraŭhindan kaj misfamigis la nacian liberigan batalon de la popolo de Bangla Desh. Per tio estis daŭrigata la reakcia politiko de la germana imperiismo rilate al Hindio, politiko, kiu komenciĝis jam antaŭ la unua mondmilito.
*Antaŭ la unua mondmilito* la germana imperiismo sukcesis atingi la duan lokon inter la komercpartneroj de Hindio kaj pro tio esence partopreni la kolonian ekspluatadon de la hinda popolo. Krome, en la kadro de siaj mondregaj planoj la germana imperiismo atribuis ĉefrangan lokon al la regado super Hindio. Grava deirpozicio por tio estis kreita per la konstruo de la Bagdad-fervojo. Dum la unua mondmilito multinfluaj rondoj de la monopolkapitalo, inter ili August Thyssen, sekvis la celon, post malvenko de la brita imperiismo transpreni la ekspluatistan funkcion ankaŭ en Hindio. En la imperiestra germana ĉefstabo ekzistis eĉ planoj misuzi la kontraŭkolonian liberigan movadon en Hindio por atingi ĉi tiun celon.
*Post la malvenko de la germana imperiismo* en la unua mondmilito la ekspansiaj strebadoj rilate al Hindio devis esti provizore prokrastataj. Sed jam ĉirkaŭ la fino de la dudekaj jaroj tiaj konataj monopolentreprenoj kiaj IG Farben, Siemens kaj AEG denove partoprenis grandskale la kolonian ekspluatadon de la hinda popolo.
*La Hitler-faŝismo* donis novan bazon al la mondregaj planoj de la germana imperiismo. Fontoj pruvas, ke Hitler mem atentigis ofte pri neceso de Kontraŭzia militiro. Por tiu la kolonia konkero de Hindio estis rigardata kiel speco de finakto.
Por sekurigi ĉi tiun celadon la kompetentaj oficoj de nazia Germanio disvolvis porfaŝisman propagandon en Hindio jam multe da tempo antaŭ la dua mondmilito. En tio iu Oswald Urbs ludis gvidantan rolon. Li jam titolis sin „distriktestro de Hindio". La aktivecoj de li direktitaj celis krei en Hindio „kvinan kolonon".

Dum la dua mondmilito la germana imperiismo speciale koncentris sian radiofonian propagandon al Hindio por prepari bonajn kondiĉojn al eventuala militista invado. Demagogie oni disaŭdigis per la „Kurtonda Sendstacio Germana" establita jam 1933, la ideon, ke la faŝisma Germanio faras justan militon, estas nevenkebla kaj alportas liberon al ĉiuj popoloj subpremitaj de Anglio. Decidan rolon ĉe la konceptado de la faŝisma propagando radiofonia ludis la tiama vicsekciestro de la radiopolitika sekcio en la faŝisma ministerio pri eksterlandaj aferoj kaj posta kanceliero de FRG, Kiesinger.
Malgraŭ insidaj metodoj la faŝistoj ne sukcesis doni al la hinda liberiga movado direkton al ili agrablan. La ribelo de hindaj soldatoj apud Königsbrück pruvas, ke pli kaj pli klare oni ekkonis la imperiisman karakteron de la germana faŝismo. Pro ties neniiga malvenko en la dua mondmilito per Sovetunio kaj la aliaj potencoj de la kontraŭhitlera koalicio ankaŭ la militistaj planoj de la Hitler-faŝismo rilate al Hindio perdis sian realigeblecon.
*Sed restis la fatalaj tradicioj* de la germana imperiismo, daŭrigataj de la Federacio respubliko. Sub la masko de la tiel nomata evoluiga helpo la okcidentgermana imperiismo penas montriĝi kiel amiko kaj helpanto de Hindio.
La imperiisma politiko de arogo kaj ĉantaĝo denove esprimiĝis en la konduto de la reakciaj rondoj en FRG al la liberiga batalo de la popolo de Bangla Desh. Hindion oni insultis kiel agresinton, al kiu la Bonn-a registaro eĉ avizis la ĉesigon de la ekonomia helpo. Male oni raportis bagatele kaj pravige pri la kruela subprempolitiko de la pakistana reĝimo militista kontraŭ la popolo de Bangla Desh. Jenaj vortoj el la gazeto „Die Welt" (La Mondo) de la 6-a de decembro 1971 povas envere esti rigardataj kiel konfirmo pri la politika linio de la germana imperiismo rilate al Hindio:
„Hindio, disbatinte tute konscie ĉiujn klopodojn pri solvo per intertraktadoj, hodiaŭ staras antaŭ la popoloj de la mondo kiel militarisma kaj naciisma potenco."
Estas simptome, ke tiuj fortoj en FRG, kiuj kutimis trostreĉe uzi la devizon pri memdecido de la popoloj, rifuzas al la popolo de Bangla Desh la rajton pri memdecido.

El „Panorama DDR",
(tradukis Dr. Karl Schulze, Berlin, 26. 2. 1972)

# Samlandanaj ligoj en FRG – ataka taĉmento de revenĝismo

### Rekontiĝoj de samlandanaj ligoj

Ek de la jaro 1950, ĉiujare en malfrua somero, la samlandanaj ligoj en Federacia Respubliko Germanio (FRG) okazigas tiel nomatan „Tagon de la Hejmlando". Unua programero estas ĉiam granda manifestacio revenĝista en Okcidenta Berlino, post kiu je la sekvaj dimanĉoj okazas centoj da samspecaj aranĝoj en ĉiuj partoj de la okcidentgermana federacia respubliko. 1971 la aranĝoj de la „Tago de la Hejmlando" okazis sub la slogano „Danĝero por Germanio – Danĝero por Eŭropo". Do ili klare estis direktitaj kontraŭ la politiko de malstreĉo kaj sekureco, kontraŭ la realigo de la Traktatoj de Moskvo kaj Varsovio kaj kontraŭ la Kvarflanka Interkonsento pri Okcidenta Berlino.
La registaro de Baden-Virtembergo, koalicio el la partioj CDU (Kristana Demokratia Unio) kaj SPD (Socialdemokratia Partio de Germanio) kune kun la „Ligo de la Elpelitoj" kaj la samlandanaj ligoj alvokis „la loĝantaron de la lando Baden-Virtembergo partopreni la solenojn okaze de la ‚Tago de la Hejmlando'". Plue tekstis en la alvoko: „La subdistriktoj kaj komunumoj estas petataj subteni la aranĝojn preparitajn de la hejmlandaj unuiĝoj kaj kontribui al ilia sukceso."
La 18-an de septembro 1971 la „Pomera Gazeto" (Bremen) emfazis, ke „en Hamburgo laŭ ordono de la Hamburga senato ... oni flagis pro la manifestacio de la elpelitoj."
Tiuj ĉi ekzemploj montras: Anstataŭ batali kontraŭ la malamikoj de la malstreĉo, anstataŭ ilin izoli, politikistoj de la grandaj partioj en la landoj de la okcidentgermana federacia respubliko subtenas la revenĝistajn manifestaciojn.

### Kiu financas revenĝismon, povas redukti impostojn

„Meze en ĉi tiu lukto pri la hejmlando en libero, pri nia Silezio, kiu estas la Silezio de ĉiuj germanoj, ni alvokas al helpa ofero por Silezio."
Tiu ĉi frazo estas elprenita el alvoko pri donoj favore al la samlandana ligo Silezio, subskribita de D-ro Herbert Hupka, SPD-delegito en la federacia parlamento kaj federacia prezidanto de la samlandana ligo, kaj de Clemens Riedel, prezidanto de la „Silezia landasembleo". Plue tekstas en ĉi tiu alvoko: „Se la samlandana ligo Silezio ne ekzistus, oni devus ĝin fondi ĝuste nun. Sed de pli ol du jardekoj la samlandana ligo Silezio ekzistas, nur neniam ĝis nun oni postulis de ĝi tiom multe kiom ĝuste nun, kiam la traktato de Varsovio pri la landlimoj kuŝas sur la tablo."
En la alvoko oni eksplicite atentigas pri tio, ke donoj al la samlandana ligo estas redukteblaj disde la impostoj kaj ke atestoj pri la donoj estas laŭ deziro donataj.

### Tradicio kaj revenĝismo en la spirito de la hitlera armita SS

Sub la surskribo „Ankoraŭ nun ili fieras pri sia SS-divizio" la okcidentgermana gazeto „Frankfurter Rundschau" raportis la 19-an de oktobro 1971 pri la fondo de nova tradicia unuiĝo de SS en la alt: bavara urbeto Rosenheim. 1945 la internacia tribunalo de Nurnbergo deklaris la SS-on (ŝirman formacion de la Nazia partio) krima organizo. Sed la iamaj anoj de la divizio „Das Reich" (La Regno), kunvenantaj meze de oktobro por fondi sian unuiĝon, agadis kun aprobo kaj sub la ŝirmo de la okcidentgermanaj administracioj, kiuj antaŭe rifuzis la malpermeson de la nazia renkontiĝo.
La „Frankfurter Rundschau" skribas pri tio: „1944 ĉi tiu elita trupo murdis la virinojn kaj infanojn en Oradour, en Tulle ili okazigis similan masakron, kaj per tio ĝi fariĝis enkorpiĝo de la nazia teroro en Francio." Kaj plue la gazeto raportas: „En Rosenheim ili alveturis per imponaj aŭtoj. Iliaj profesioj: Posedantoj de grandlavejoj, apotekistoj, asekuraj negocistoj." Fiere la prezidanto de la nove fondita SS-tradicia unuiĝo kaj iama komandanto de la SS-regimento „Germanio", Günter Visliceny, deklaris: „Multaj el ni karieris en ŝtato kaj ekonomio ... Per ambaŭ kruroj ni staras en ĉi tiu ŝtato."
La komisiito de la SS-divizio por la gazetaro, Martin Schwäben, karakterizis la iamajn SS-anojn kiel „centprocentajn patriotojn de la federacia respubliko." Li nomis ilin „la plej sukcesa divizio de la dua mondmilito".

El „Panorama" DDR, trad. Dr. Karl Schulze, Berlin




*La revenĝistaj kaj aliaj reakciaj ligoj el FRG klopodas obstakli la ratifon de la traktatoj kun Soveta Unio kaj Pollando. Legeblas „Neniam ratifi orient-kontraktojn", „Kiu perfidas Silezion, Pomerion kaj orientan Prusion, tiu ankaŭ perfidas Germanion", „Devas esti la tuta Germanio", „Odro-Niso neniam limo!"*

Foto: Zentralbild

## Wilhelm Busch

# Vulpo kaj erinaco

*Neatendite vulp' agaca*
*Renkontis iam erinacon.*
*„He, haltu!" – kriis vulp'fripono,*
*„Ĉu vi ne konas reĝordonon?*
*La paco longe deklarita,*
*Kaj vi promenas plenarmita!*
*Do, laŭ ordon' de nia reĝo,*
*Vi forte pekas kontraŭ leĝo.*
*Aliru kaj fordonu felon!*
*Alie punos reĝ' kruele!*
*„Ho, ne!" – respondis erinaco;*
*„Nur tiam ektriumfos paco,*
*Se vi permesos kun konsento,*
*Ke mi eligu viajn dentojn".*
*Volviĝis bule erinaco.*
*Por vulpo iĝis li minaca;*
*Pikilojn akrajn ĝi etendas*
*Kaj ĝian pacon ĝi defendas.*

El germana lingvo tradukis A. Tolokoncev

Kiam Hitler atingis la regadon, ili eĉ pensi ne volis pri forlaso de Germanio. Ĉio ligis ilin kun la urbo: lernejo, rememoroj, patra lingvo, eduko, loĝejo, unuaj sciencaj sukcesoj, tombo de gepatroj, propra infaneco, unuaj timemaj paŝoj, kiujn starigadis en parko ilia filineto Ruth. Ĉu tio estis oportunismo? Kuraĝo, fidelo al ideo, amo al patrujo? Aŭ eble rekte simpla malagemo, malviglo, malfido? Aŭ kontraŭe, heroa optimismo, blinda fido je justeco, je sobra prudento? Je tio, ke post nelonga tempo la aferoj bonordiĝos? Kiu povis tion scii? Kiu kapablis kun matematika precizeco limigi la paralizantan timegon de heroeca pozo, ektimon de konscia konsidero?

Familio Baŭmann restis do en Berlino, sia naska urbo, kie rasisma leĝo malsuprenpuŝis ĝin sur la fundon de homa ekzisto, al vico de parioj kaj de persekutataj sovaĝaj bestoj. Familio Baŭmann sciis, ili sciis de tago al tago pli bone, ke ĉio tio estas nur mensogo, memtrompado. La silento, trankvilo, ordo kaj komforto de la kvarĉambra loĝejo, kaj la belaj bildoj sur muro, la fortepiano, kaj la puntaj tablotukoj, kaj la tapiŝoj, kaj riĉa diskoteko, kaj la vesperoj plenigitaj de Mozart kaj Beethoven – muziko en duonlumo de malheligita ĉambro.

Vera estis nure la voĉo, kiu penetris en ilian loĝejon tra pordo, tra fermitaj fenestroj kaj tra solidaj dikaj muroj; voĉo, kiu sonis en radio kaj en la tuta germana ŝtato – egalaj ritmaj paŝoj, marŝoj kantataj entuziasme, per plenaj, bone ekzercitaj voĉoj. Marŝoj venkaj kaj timigaj. Teruraj.

Oni devis forveturi. Forkuri. Ĝustatempe. Kiel tion faris aliuloj. Parencoj, amikoj, konatuloj. Diversdirekten, kien eblis, kaj kien iu ricevis vizon.

Ke tio estas malfrue? Same antaŭ ses jaroj je sola komenco de regado de naziistoj, lia nevo, bonege sin orientanta ĵurnalisto, Fritz Baŭmann, svingis nur la manon: „Frenezaĵo: Ni vivas ja en dudeka jarcento. Tio ne povas longe daŭri!" Depost pli ol du jaroj Fritz sidas en koncentrejo.

Konsolis lin ankaŭ konata kaj ĝuanta grandan estimon fizikisto, Becher-Palewski, de tre longa tempo lia plej bona amiko: „Nenio malbona al vi okazos. Ni ankaŭ estos kun vi". „Ni" . . . tio signifas la patro kaj la filo, Kurt, kiu intertempe fariĝis granda figuro en ministerio de internaj aferoj.

Kiel rapide pasas la tempo! Kia malgranda knabeto estis Kurt, kiam li elŝiradis al la etulo la unuan laktan denton. Kompatindulo tiel terure tiam kriis pro timo, ke Helga en apudkuŝanta ĉambro estis preskaŭ sveninta. La maljuna Becher-Palewski, li rememoras, trankviligadis la filon kun certa ekhonto.

Kaj efektive, la amiko estis kun li ĝis la morto. Kaj verdire – Kurt ankaŭ. Ĝuste helpe de li, Baumann povis tiel longe labori en kliniko. Kurt prizorgis, ke li povis ekteni la loĝejon kaj kabineton ĉi-tie en la koro de urbo, en senpera najbareco de Alexander Platz.

Hodiaŭ tamen li jam scias, ke li devis malgraŭ ĉio forkuri. Almenaŭ la plej juna filino, Ruth postulis tion plej malespere, plej nerepacigeble, kvazaŭ kun histeria timo. „Mi estas deksepjara! Kio estos kun mi? Kio okazos al ni?".

Laŭgrade, kiel multobliĝis la arestoj, la sciigoj pri morto, timego kreskis ankaŭ en Helga. Kaj en doktoro Baŭmann, kiu komencis alarme elsendadi malesperajn leterojn al konataj kaj nekonataj kole-



# Laszlo Nemes
# Protekto

goj, al malnovaj amikoj – en ĉiujn direktojn de la mondo. Finfine alvenis deziregata letero, kaj en ĝi konsento pri eldono de vizo el Venezuelo. Sur tiu ĉi bazo, ĉiu forveturanta el Germanio povis ricevi pasporton.

Petskribon de familio Baŭmann – sola Dio scias kialoni hieraŭ rifutis trian fojon.

Polica oficiro, kiun fine la kuracisto sukcesis atingi, estis malafabla kaj tre oficiala. Skribotablo, ĉe kiu li sidis, estis malplena; sur muro, malantaŭ lia dorso, pendis egmezura portreto de Hitler. Doktoro Baŭmann deprimita kaj afliktita staris antaŭ la skribotablo – jam en la atendejo li eĉ ne kapablis eksidi

– kaj ripetadis:

– Sinjoro . . . laŭ instrukcio . . . se estas vizo . . . tiam la pasporto . . .

– Evidente iu ne konsentas.

– Sed sinjoro, la instrukcio diras . . .

– Mi scias, kion diras la instrukcio! Vi volas min instrui?

Kion vi ankoraŭ atendas? – ekdemandis minace la oficiro kaj per kapmovo montris la pordon.

Helga estis mortpala, dum la tuta vespero ŝi ne elparolis eĉ unu vorton. Ruth ĵetis sin sur la fortepianon kaj skuata de konvulsia ploro kriis:

– Oni devas ion fari!

Jes, oni devas, sed kion? Al kiu sin turni? Kiun peti? Kurt jam delonge ne estas en Berlino. Tuj post okupado de Aŭstrio oni tranloĝigis lin en Vienon. Lasttempe eĉ gazetoj informis, ke li laŭŝajne partoprenis ian defiladon en okupita teritorio de Sudetoj. Kurt estas malproksime. Jes tre malproksime.

Kaj tial, kiam li subite ekstaris en la ledtegita pordo de l'kabineto, li aspektis kiel fantomo. Ĉielo lin venigis? Dio, blinda hazardo, bonsorto? Simple okazis miraklo, plej vera miraklo!

Doktoro Baŭmann dismetis larĝe la manojn, liaj okuloj malantaŭ okulvitroj ekbrilis de ĝojo, li tiel bonvenigis Kurt Becher-Palewski. Kurt estis en civila vesto, li neniam venadis al ili en militista uniformo, sur fotografaĵoj en ĵurnaloj tamen doktoro vidis lin ofte en plena pompo: larĝa zono, transŝultraj rimenetoj, kaj sur la brusto kvazaŭ sur Kristnaska arbeto – pendante balanciĝis amaso da iaj fuŝvaraj brilaĵetoj.

Kvankam li eĉ ĉi-foje ne surhavis uniformon, malgraŭ tio li enpaŝis rigide, militiste.

La kuracisto, kiu laŭvorte havis jam sur la pinto de la lango: „Kurt" ekkonsideris momente – oni neniam povas scii-kaj diris:

– Bonvolu eksidi, ekscelenco.

La sunbrunigita vizaĝo de Becher-Palewski iomete paliĝis, kiam li okupadis lokon en la dentista apogseĝo.

– Ĉu oni devas ĝin forigi? – li demandis raŭkvoĉe. Lia alta bela frunto kovriĝis per ŝvitgutetoj.

– Nenio simila! Ni savos ĝin. Ni absolute ĝin savos . . . Kaj aldone . . . sendolore.

– Prave. Pravege. – Kaj jam iom malstreĉita, per preskaŭ konversacia tono, li aldonis: – ĝi komencis al mi dolori jam en Vieno. Ĝi konfuzis mian ĝojon dum la enmarŝo Aŭstrion. Mi povis esti en senpera najbareco de l'Führer, sed tiu abomena dento . . .

Doktoro Baŭmann kliniĝinta super la ŝranketo kun iloj serĉis ion diligente en la plej malalta tirkesteto. Kio estus, se li dirus nun al Kurt? – li ekpensis. Kaj eble pli bone estus momente ne maltrankviligi lin? Kaj eble estas entute nedezirinde rememori pri tio? Kiu tion scias!

Helga vidis lin, kiam li venis. Ŝi estas nun feliĉa, ŝi havas esperon.

– Jam en Vieno urĝis iri al dentisto – kontinuis Becher-Palewski. – Sed mi ne

volis sangi . . . Malmulte mankis, ke li elbuŝigu „sed mi ne kuraĝis".
– Mi dankas – diris la kuracisto. Li laboris rapide, precize, kun lerteco de ekvilibristo. Pro tio la pacientoj tiel alligadis sin al li.
– Nun mi petas gargaru – li diris kaj ekpensis, ke li tamen kun jena pri tio parolos.
– Kiam mi devas ree veni? Morgaŭ?
– Ni estas jam pretaj. Mi dankas.
– Tio estas rekte mirinda! – La vizaĝo de Becher-Palewski denove reakiris sian antaŭan brunan nuancon. – Kaj tamen valoris atendi. Estas sciate, ke ekzistas nur unu doktoro Baŭmann! Kaj ĝenerale kiel vi fartas gesinjoroj, kio ĉe vi nova? La eta Ruth? Mi imagas al mi, ŝi estas certe jam plenkreska fraŭlino . . .
– Mi dankas, ekscelenco.
– Ekscelenco, ekscelenco! . . . Ni lasu tion. Mi memoras ankoraŭ, kiel mi tie ploregis . . . en ĉi-tiu apogseĝo . . . Kiomjara mi povis tiam esti? Kvin, ses?
– Kvinjara . . . kara Kurt . . . kompatinda paĉjo . . .
– Jes, jes . . . Becher-Palewski starigis flanken la glason kaj leviĝis. Li rektiĝis kaj nerimarkeble ekfrapis per la kalkanumoj.
– Se mi nur povus per io al gesinjoroj helpi, tiam . . . Mi scias, la tempoj ne estas facilaj, sed tamen.
La kuracisto respiris.
– Mi dankas, mi tre dankas. Ni ricevis ĝuste vizon al Venezuelo . . . sed hieraŭ oni rifuzis nian peton pri pasporto jam trian fojon.
– Mi scias pri tio – li ekridis amike. Pro mia dispono . . .
– Mi petas? Mi ne komprenas . . .
Becher-Palewski ridis kontente. Liaj bluaj okuloj estis gajaj. La favoreco mem. Li kore ĉirkaŭprenis la brakojn de la maljuna kuracisto kaj diris:
– Ĉis nun vi ankaŭ havis konfidon al mi, nevere? Do, se vi nur bezonos ion ajn, novan kuracistan kabineton, dentistajn materialojn . . . Aŭ ekzemple se iuajn kuraĝus maltrankviligi vin . . . sufiĉos nur mallonga sciigo, unu telefono: „Kurt, helpu!".
– Jes, sed nia pasporto . . .
– Vi ja ne imagas al vi, ke mi permesos forveturi al mia kuracisto?! . . .

Helga kaj Ruth estis murditaj en Ravensbrück. Doktoron Baŭmann oni bruligis en Auschwitz.

(el hungara tradukis Leonia Freundlich – CR –

# Kiu uzas haŝiŝon, ne plu legas la „Kapitalo"-n

## Pri la kaŝitaj motivoj de la droga ondo en FRG
## de Hans Georg Canjé, Düsseldorf

Dum la unua duonjaro de 1971 la misuzo de drogoj en FRG, kompare al la sama tempo de la antaŭa jaro, altiĝis je 275 %. Rezulte de tiu evoluo aŭtune de 1971 estis registritaj 60 000 antaŭtempaj pensiuloj malpli ol 30-jaraĝaj. Sciencistoj taksas, ke pli ol duona miliono da gejunuloj senpere estas minacata de la danĝeraj efikoj de la narkotika manio, kaj ke baldaŭ oni devos kalkuli pli ol cent mortintojn pro narkotiko po jaro. Samtempe oni indikas minacan kreskon de la pronarkotika kriminaleco. Sole en la federacia lando Nordrejn-Vestfalio ĝi altiĝis dum unu jaro je 354 %.
Multnombraj sciencistoj kaj junularedukistoj vidas la ĝustecon de siaj antaŭtimoj, pri kiuj ili parolis en la jaroj 1967/68, kiam la narkotika ondo, veninta el Usono, atingis ankau FRG-on. Tiam ili frontis kontraŭ ĉia bagateligo de la estiĝanta narkotika manio, limigita ĉefe je la uzo de haŝiŝo, kaj nuntempe ili devas travivi, ke oni ekprenas pli kaj pli fortajn drogojn, opion kaj morfinon.
Tiu ĉi evoluo instigis la federacian ministron de internaj aferoj, Genscher, vojaĝi en julio 1970 al Usono. Reveninte li deklaris antaŭ la gazetaro: „Antau ĉio sur la kampo de la batalo kontraŭ narkotikoj ni intencas utiligi la usonan sperton. Oficistojn de la super-kriminalpolico FBI kaj de nia Federacia kriminaloficejo ni interŝanĝos pokaze por unu ĝis du jaroj."
Senkonsidere de tio, ke la usonaj „sukcesoj" ĉe la batalo kontraŭ la narkotika manio tute ne estas rekomendo (sole en Novjorko oni registris dum 1970 mil viktimojn de la drogo), la paŝoj de la federacia ministro venas sufiĉe malfrue. Estis ja longjara praktiko eĉ glori la uzon de narkotikoj kiel plej altan simptomon de libereco. Kulmino de tio estis, ke oficiala instrukcia folio de la FRG-registaro anstataŭ klarigi la danĝerojn entenis konsenton pri la misuzo de drogoj: „Sopiro al minimume provizora nuligo de la interhoma agreso kaj frustracio", tiel legeblis, „ne estas kondamninda". Ne estus sufiĉa motivo procedi kontraŭ la drogo tial, ke ĝi „donas ĝuon kaj plezuron".
La gazetaran merkaton reganta Springer-konzerno agis laŭ tiu ĉi instrukcia folio. Tiel legeblis la 2-an de marto 1970 en la ĉiutaga gazeto „Die Welt": „Emocioj anstataŭ ekzaktaj esplorrezultoj regas la diskuton pri socialaj kaj porsanecaj sekvoj de la haŝiŝuzado. La ekzistantaj t.n. elspertaj scioj estas kontraŭdiraj, minimume en la Federacia Respubliko, kie kuracistoj vidas la narkotikulojn nur tiam, se tiuj bezonas helpon."
Motivon por la tolerado de la haŝiŝuzo kaj per tio ankaŭ de la narkotikokomercistoj, kiuj ĉe sia malpura negoco atingas preskaŭ astronomian profiton, nomis la 22-an de novembro 1969 la gazeto „Ruhrnachrichten". „La leĝoj de la ekonomio de libera merkato validas ankaŭ por la narkotikokomerco", skribis la gazeto.
La hamburga ĵurnalo „Konkret" tiutempe resumis la sintenon de la federaci-germanaj opinifarantoj en la esence ankaŭ 1972 ankoraŭ validan konstaton: „Por la redaktoroj de la liberalaj gazetoj kaj radiostacioj haŝiŝo ne estas tabuo. Preskaŭ ĉiusemajne ili certigas la haŝiŝkonsumantojn pri sia pura favoro. Ili scias: haŝiŝuloj ne plu legas la ‚Kapitalo'-n!"

El: „Panorama DDR", trad. D. Dungert



*Li certe ne interesiĝas pri aktualaj sociaj problemoj . . . La nombro de la drog-mortuloj kreskas . . .*
Foto: Zentralbild

# La semaĵo de la perforto

## Rimarkoj pri la temo ekrano kaj brutaleco

de prof. d-ro Franz Knipping

„La unua pafo – plentrafo. Sangtransfluita la gangstero falas dorsen. Dum la falado lia kranio krakas al la fera parapeto. La kamero flankencelas. La pafinto direktas sian revolveron al la dua fripono . . .“

„Okazis vendredon, nelonge post la vespermanĝo: Viro estas trafita per kuglo trae tra la vitro de telefonĉelo. Postmomente li havis anstataŭ la dekstran okulon jam nur senforman truon en la kapo. Sango torentis trans lian vizaĝon kaj liajn manojn, kiujn li suprenŝiris en lasta malespera reago. Poste li morta terenfalis.“

Ambaŭ fojoj temas pri originalfidelaj citoj el okcidentgermanaj gazetoj. Ili pripentras scenojn, kiuj prezentiĝis sur la ekrano en milionoj da german-federaciaj domoj kaj en simila maniero ree kaj ree eventos. Laŭ indikoj de televidoĵurnalo estas kelkiam eĉ 35 milionoj da spektantoj, do pli ol duono de la federacigermana loĝantaro, kiuj sidas antaŭ la ekrano, kiam en detalfidela prezentado, krom tio eĉ en koloro, la murdado kaj mortado de homoj estas dissendataj.

Ĉiu regula televidanto scias, ke tute evidente veras por la programplanistoj kaj programfaristoj la devizo: Ĉiu mortinto vigligas la dissendon. La „Frankfurter Rundschau“ karakterizis ĉi tiun disvolviĝon per la vortoj: „La evoluo tendencas al amasa nervotiklo.“

Kiel ajn, en Usono oni jam estas pli „progresinta“. Kiom, tion atestas esploroj pri amplekso kaj efikoj de la tv-bruteco, entreprenitaj de socialsciencistoj per komisio de la kongreso. Jen unu de iliaj rezultoj, prezentita de d-ro George Gerbner, universitato de Pennsylvania:

> En 81 procentoj de 183 esploritaj usonaj dissendoj enestas perforto (en krimfilmoj je 97 procentoj, en trukfilmoj je 94 procentoj kaj je 66 procentoj eĉ en komedioj). Ĉe tio enhavas dissendoj pri la paseo perforton je 98 procentoj, dissendoj temantaj pri la nuntempo perforton je 74 procentoj kaj dissendoj, kiuj traktas – pli aŭ malpli utopie – la futuron, perforton je 100 procentoj.

Kiu influo per ĉio ĉi estas praktikita sur la spektanton? La usona studaĵo preteriras unusencan respondon. Iuj de ĝiaj aŭtoroj kontestas rektan imitefekton kaj opinias la problemon per tio majstrita. Fakte neniu serioza homo asertas, ke eble Eta Moric, kiu vidas sur la ekrano, kiel la heroa ŝerifo mortpafas sian propran malican fraton, nun ankaŭ devas ekkapti tuj la pistolon, por senigi sin de neamata parenco. Kaj el la ege grandnombra spektantaro, al kiu krevigo de trezorujo kaj murdo detalege estas prezentitaj, nur en esceptaj kazoj iu aŭ alia proviĝas mempersone en la sama krimado.

La vera problemo kaŝiĝas pli profunde . . .

La esploroj de la usonaj sociologoj dokumentas kaj pruvas:

Plejparte estas infanoj kaj junuloj, kiuj estas elmetitaj al la influo de la perfortaj scenoj per la glaco televidila kaj longefike estas agitataj. Ilia neevoluinta mondkoncepto estas formita en alta grado pere de sovaĝokcidentaj kaj krimserioj. Kiujn efektojn ĉi tiu konstanta inundo per violentoj devas estigi en la konscio de junaj, malspertaj kaj malfirmaj homoj, estas evidente. Al la juĝo de eksperto – ĉikaze de la sociologo prof. Popitz – restas malmulte aldonebla. Liaj ambaŭ ĉeftezoj:

1. Per prezentado de perforto agresema sinteno de la spektantoj estas instigita. Ĉi tiu instigo realiĝas ankaŭ kiel senpera lernproceso: Novaj manieroj de agresiva sinteno estas allernitaj.

2. Ofta rigardo de perfortprezentadoj kondukas al kutimiĝo, al stuporiĝo de la sentemo kontraŭ perfortaĵoj. La kutimiĝo plialtigas unuflanke la probablon de propraj agresivaj aktivadoj, aliflanke la probablon, ke oni kuntravivintajn violentojn kontraŭ aliaj indiferente kaj senreage rigardas.

La demando restas, kiu havas intereson, ke novaj manieroj de agresiva sinteno estas allernitaj kaj travivintaj violentoj indiferente akceptitaj.

La respondo supozeble ne estas malfacila. Oni nur pensu pri la barbara ekstermmilito de Usono en Sudorienta Azio, pri la rekomencitaj bombatakoj al Norda Vjetnamio, pri la teruregaj masakroj ĉe Son My kaj centoj da pluaj amasbuĉadoj, al la glorigo de ordenornamitaj murdistoj en la Unuiĝintaj Ŝtatoj. Oni rememoru al si la kreskantajn surprizatakojn je diplomatiaj reprezentejoj de Sovetunio kaj de UAR (Unuiĝinta Araba Respubliko), la bastonatakojn de la polico kontraŭ kontraŭuloj de la Vjetnam-milito, la brutalan murdadon de neblankaj batalantoj por civitanaj rajtoj, la rasajn pogromojn, la malhonoran proceson kontraŭ la kuraĝa patriotino Angela Davis. Oni trapensu sole la „normalajn“ fiagojn kaj krimojn pritaksitajn kiel ĉiutagaĵojn, kiujn ĉi tiu ŝtato, ĉi tiu socia sistemo ĉiam denove naskas. Ĉu do ne estas konsekvence, ke ĝismedole agresiva sociordo maldetenas, vigligas kaj mobilizas siajn civitanojn – kaj precipe la junajn – al perfortaĵoj kaj agresiveco?! (Trad. Dr. K. Schüler el Berliner Brief)

---

## Al la lando de Ho Chi Minh

*Mi vin apoteozas,*
*Vjetnama brava land'!*
*Milito furiozas,*
*aviadiloj krozas*
*kaj fluas via sang'*

*Ĉielo via blua*
*ne estas blua plu:*
*ĝin boros mort' detrua*
*kun tondro animskua,*
*kun brulo kaj kun bru'.*

*Sur via bela tero*
*kun fera venka vol'*
*batalas en sufero*
*por vivo kaj libero*
*sentime la popol'.*

*Kaj vi, ho land' de l' suno,*
*kiel fenikso mem*
*el fajro kaj el fumo*
*leviĝos al la lumo*
*en la matenseren'.*

*Ĉar venos, nepre venos*
*la venko ĉe la fin'!*
*Vi festos kaj solenos*
*kaj la ĉiel' serenos*
*ho land' de HO CHI MINH!*

Asen Grigorov (Bulgario)

P. Stobinski/G. Lulei

# Kelkaj aspektoj de la junulara kaj studenta movadoj de Latinameriko, Azio kaj Afriko

La nacia liberigbatalo de la popoloj de Azio, Afriko kaj Latina Ameriko fariĝis unu el la ĉefapogiloj de la mondvasta ofensivo de ĉiuj progresemaj fortoj kontraŭ la pozicioj de la antihumana kaj la popolojn sklaviga imperiismo kaj internacia reakciularo. La landoj kiuj estis „eksterhistoriigitaj" per la koloniistoj, kiel diris Lenin, fariĝis de objekto en la politiko al aktivaj partoprenantoj de la monda politiko.

En la kadro de la nacia liberiga movado ankaŭ la junulara kaj studenta movadoj de ĉi-tiuj landoj spertis speciale dum la lastaj kvin jaroj egan suprenevoluon.

Konsiderante ekzemple la signifajn diferencojn en la socialekonomia strukturo de socioj en la latinamerika kaj afriko-azia areoj oni povas klarigi la kaŭzon de tiu evoluo:

En aro de relative bonevoluintaj latinamerikaj kaj aziaj ŝtatoj, kiuj komencis la kapitalisman evoluon, la internaj kontraŭdiroj kreskas. Ili estas akriĝantaj pro la dependeco de tiuj landoj al la imperiismaj potencoj. Tio sekvigas, ke la junularo de tiuj landoj pli kaj pli ekkonas la nekapablon de la kapitalisma sistemo, solvi siajn proprajn problemojn kaj tial malaprobas la sistemon. Eĉ pli, tiu junularo pli kaj pli bone komprenas la sukcesojn kaj spertojn de la socialismaj landoj kaj tial taksas la socialismon la plej certa vojo por venki la heredaĵon kolonialisman kaj la deimperialisman dependon.

Ekzistas laŭgradaj diferencoj en kelkaj afrikaj kaj aziaj landoj, kie la nacia liberiga movado transkreskas en sian nacia-demokratian fazon, kun la forta partopreno de la junularo. Sub la gvido de reprezentantoj de interklasaj sociaj tavoloj tie realiĝis signifaj radikalaj transformoj, kiuj indikas nekapitalisman evoluvojon.

Sendepende de la diversaj taskoj, kiujn al si starigis por solvo la junularo en la nivele diferencaj areoj, ĉie ĝi ĉiam pli klare komprenas objektivan neceson, gravan por la batalo: la unueco de ĉiuj progresemaj fortoj. En kelkaj afrikaj kaj arabaj landoj estis kreitaj unuecaj junularaj organizoj, sub la influo de la registaraj partioj. Ekzemple JRDA en Gvineo, TYK sur la kontinenta parto de Tanzanio kaj ASPYL sur Zanzibaro, VJSC en la Popola Respubliko Kongo, SYO en Egiptio, JFLN en Alĝerio.

Similan celon oni sekvas per la fondo de la revolucia junulara ligo en Sirio, NVIS en Irako, NPO-junularo en la Popoldemokratia Respubliko Jemeno kaj la APC-junularo en Sierra Leone.

En la latinamerikaj landoj komencas evolui, surbaze de la antiimperiisma kaj antioligarka batalo, nacia komunagada unueco de diversaj progresivaj junularaj organizoj, kiel ekzemple inter la junularaj ligoj en Ĉilio simila al Unidad Popular, en Urugvajo simila al „Frente Amplio", en Venezuelo simila al „Frente Nacionalista Popular" kaj en Argentinio laŭ la modelo de ENA.

Tre grava aperaĵo en la plej aktuala evoluo de la antiimperiisma komunagado unueca estas la daŭre kreskanta kunlaboro de la Monda Asocio de Demokrata Junularo kaj la Internacia Studenta Ligo kun la nacia-revoluciaj junularorganizoj. Tre impresaj ekzemploj el la plej lasta pasinto estis la renkonto de latin- kaj nordamerika junularoj por solidareco kun Vjetnamio, Laoso kaj Kambodĝo en Septembro 1971 en Santiago de Ĉilio. En januaro 1972 okazis internacia seminario en Alĝerio pri la temo: „La junularo kaj ĝia rolo en la batalo kontraŭ la imperiismaj monopoloj por la reakiro de ĉiuj naciaj riĉaĵoj (inkluzive nafto)".

Krom tiuj formoj de kunlaboro plifortiĝas la tendenco, ke en regiona kaj kontinenta skaloj la fortoj kungrupiĝas.

Antaŭ 10 jaroj estis fondita la Panafrika Junulara Movado (MPJ), kiu ampleksas aktuale ĉirkaŭ 40 organizojn. Ĝi starigis al si la taskon, kontraŭbatali ĉiujn formojn de la koloniismo, novkoloniismo kaj imperiismo, plifortigi la solidarecon kun la liberigaj movadoj en Angolo, Mozambiko kaj en similaj regionoj, kaj kontribui al la sendependo kaj reagnoskigo de la afrikaj arto kaj kulturo. En Latina Ameriko estas du gravaj de tiuj transregionaj organizoj: La Kontinenta Organizo de la Studentoj de Latina Ameriko (OCLAE) kaj la Demokrata-Kristana Junulara Organizo de Latina Ameriko (JUDCA).

La evoluo de la nacia-revoluciaj movadoj, inkluzive la junularaj kaj studentaj organizoj, nur eblas en du direktoj, en kiuj unu la alian ekskludas:

Kapitulacio antaŭ la imperiismo kaj la enlanda reakciularo aŭ la konsekvenca sinturno al la scienca socialismo. La objektivaj faktoroj de la internacia potencorilato ĉiam pli impete parolas por la socialismo, spite al maoistoj trockistoj kaj aliaj. Plimultiĝas la ekzemploj, kie la progresema aleo de la nacia-revolucia movado pli forte orientiĝas je la marksismo-leninismo, de Kubo ĝis Ĉilio, en Gvineo aŭ Niĝerio.

(Trad. D. B.)




*Junularaj demonstracioj kontraŭ la provoj de reakciularo en Ĉilio obstrukcii la politikon de „Unidad Popular"*

Kurt Kaiser

# Latina Ameriko ekleviĝas

La latinamerika subkontinento aktuale troviĝas en revolucia progreso. La popoloj de Latina Ameriko denove komencas forĵeti la jugon de la usona imperiismo kaj de la enlanda oligarko.

La liberiga batalo estas gvidata en la plej multaj latinamerikaj landoj de la laborista klaso, laŭnombre kaj laŭ konscio fortiĝinta, plue de la kamparanoj, studentoj, mezaj sociaj tavoloj kaj de la progresiva intelektularo. Ĉiam novaj fortoj patrie pensantaj civitanoj el la katolika eklezio, realisme pensantaj politikuloj el la burĝa popolparto kaj patriotaj fortoj el la oficiraroj aliĝas al la batalo por vera nacia sendependo.

La lastmenciitaj mem transprenis la gvidon de la nacia-revoluciaj procezoj en kelkaj landoj (Peruo, Panamo, ĝis aŭgusto 1971 ankaŭ en Bolivio). La formigo de unuec-frontaj movadoj sub la gvido de la komunistaj partioj en kelkaj latinamerikaj landoj (i.a. en Ĉilio, Urugvajo kaj Venezuelo) estas plua pruvo por la kvalitaj ŝanĝoj en la revolucia batalo sur la kontinento.

11 jarojn post la venko de la kuba revolucio la revolucia procezo en latinameriko atingis novan kulminon per la baloto-venko ĉe la prezidento-elekto en Ĉilio de la kontraŭimperiisma-demokratia unuecfronto „Unidad Popular“ (popola unueco). Sub la prezidenteco de Salvador Allende, kiu transprenis la 4-an de novembro 1970 elmane de prezidinto Frei pezon da nesolvitaj problemoj, Unidad Popular realigas konsekvence sian programon de fundaj socialekonomiaj reformoj.

En la jaro 1972 la grundoreformo estos plejparte plenumita. De eksterordinare granda ekonomia signifo estas la ŝtatposedigo de la tuta minejaro, precipe de la kupra ekspluato, kiu antaŭe troviĝis en la manoj de usonaj monopoloj kaj kiu donas al la ŝtato pli ol tri kvaronojn de la devizaj enspezoj.

Ankaŭ la financa monopolo de la eksterlandaj bankoj en Ĉilio estis rompita, per la aĉeto de la plejmulto de la akcioj fare de la ŝtato. La programo de „Unidad Popular“ plue antaŭvidas, naciigi pli ol 150 ĉefekonomiajn industri-enteprenojn, kiuj ĝis nun estas posedo grandparte de eksterlandaj monopoloj.

Kiel ĉie en Latina Ameriko, ankaŭ en Ĉilio la revolucia evoluo realiĝas sub plej forta premo de la reakciaj fortoj en- kaj eksterlandaj. Ili uzas ĉiujn rimedojn, politikan murdon same kiel maskitajn parlamentajn agadojn, por malebligi la realigon de la programo de „Unidad Popular“.

La registaro Allende, montris vorte kaj age, ke ĝi ne pretas cedi al la kontraŭpremo ankaŭ nur unu paŝon.

Unu jaron antaŭ la venko de „Unidad Popular“ en Ĉilio jam estis transpreninta la potencon en tiu ando-lando patriotoj en la perua armeo sub generalo Velasco Alvarado. Ankaŭ la perua armea reĝimo realigis gravajn ekonomiajn reformojn en agrikulturo kaj industrio, kiuj tamen ne atingis la efikon de la ĉiliaj paŝoj.

En Bolivio progresivaj armefortoj sub generalo Tórez komencis similan reformvojon. Ilia nekapablo realigi la faritajn promesojn, ebligis al la enlanda oligarko, aliance kun la eksterlanda reakciularo, puĉi la registaron de Tórez.

Ankaŭ en Panamo la nacia gvardio sub generalo Torrijos subtenas registaron, kiu sekvas vojon de socialekonomiaj reformoj, batalante por la suvereneco de la panamakanal-areo.

Impresa estas la evoluo de la urugvaja unuecforto „Frente Amplio“ (larĝa fronto), kiu ege premis en novembro 1971 la du regantajn oligarkajn partiojn dum la prezidentaj kaj parlamentaj balotoj. La kandidato de „Frente Amplio“, kiu ricevis la plej multajn voĉojn, ne ricevis la prezidentan oficon surbaze de kontraŭdemokratia balotleĝo en Urugvajo.

La usona imperiismo- ĉefa malamiko de la latinamerikaj popoloj, kaj enlanda reakciularo kontraŭas la montritajn evoluojn sur la subkontinento ĉiurimede.

Vaŝingtono ĉe tio estas subtenata de la plej reakciaj fortoj sude de Rio Grande del Norte, por certigi sian pozicion kaj ne perdi pli da agadsfero.

En la brazila militista diktaturo de generalo Garrastazu Médici, kies potencosopiroj estas klare subtenataj de Vaŝingtono, en la diktatorecoj de Paraguay, Haiti, la Dominika Respubliko, de Nikaraguo kaj Guatemalo, Vaŝingtono al si kreis servopretajn apogantojn en la batalo kontraŭ la mondvasta movado por sociala kaj ekonomia sendependo.

La faligo de la progresiva armea reĝimo en Bolivio, iniciatita ĝuste de tiuj rondoj estis planita kiel signalo por pluaj kontraŭrevoluciaj agadoj en Latina Ameriko.

La batalo de la laboristoj, kamparanoj, studentoj, de la progresiva intelektularo kaj la patriotoj sub la armefortoj malgraŭ persekutoj kaj politikaj murdoj akiras pli kaj pli da tutkontinenta signifo. Kelktempaj malsucesoj kiel en Bolivio ne kapablas paralizi la batalvolon de la popoloj latinamerikaj.

(Trad. D. B.)

## GUANTANAMERA

**Kuba popolmelodio**
**teksto: Jose Marti**

Guan-ta-na-me-ra Gua-ji-ra Guan-ta-na-me-ra Guan-ta-na-me-
ra Gua-ji-ra Guan-ta-na-me-ra. De ki-e kres-kas la pal-mo mi venas
ho-mo sin-ce-ra De ki-e kres-kas la pal-mo mi venas ho-mo
sin-ce-ra por kan-ti sim-plajn kor-kan-tojn
al ni-a mon-do mi-ze-ra

Guantanamera . . .
La kantoj spiras helverdon,
kaj spiras ardan brulruĝon
kaj kiel cervo vundita
en montoj serĉas rifuĝon.

Guantanamera . . .
Mi dividas la sorton
kun la mizera homaro
ĉar la monta torento
ĝojigas min pli ol maro.

(Marti/Luin) el „Kvinpinto“ 2/69

# BERLIN –

Dr. Hans Eichhorn

## ĈEFURBO DE GDR – ATENDAS LA JUNULARON DE TUTA MONDO

En Berlin, ĉefurbo de Germana Demokratia Respubliko, okazos de la 28-a de julio ĝis 5-a de aŭgusto 1973 la 10-a Festivalo de Tutmonda Junularo kaj Studentaro. Tion decidis la komitato de MFDJ (Monda Federacio de Demokratia Junularo) antaŭ nelonge en Sofio.
La junularo de GDR kaj speciale la 2 milionoj da membroj de GLJ (Germana Libera Junularo) traktas tiun decidon de la demokratia kaj progresema junularo de tutmondo kiel pruvo de konfido en nian socialisman patrion, kiel altan takson por nia laboro kaj atingoj de la unua germana ŝtato de laboristoj kaj agrikulturistoj. Por la kontinua kaj konstruiva politiko de paco kaj sekureco en Eŭropo. Tia alta takso samtempe estas devigo. Tiel ni komprenas la decidon. Ni montros al niaj gastoj kiel sur kampo el ruinoj kaj tomboj, kiun postlasis la germana faŝismo, sub gvidado de la unuiĝinta laborista klaso kaj ties marksismaleninisma partio, kreskis nova ŝtato, la socialisma ŝtato de laboristoj kaj agrikulturistoj, ŝtato porjunulara, ŝtato al kiu fidas ĉiuj demokratiaj kaj progresemaj homoj. En la jaro 1951 – tio signifas antaŭ 21 jaroj – la ĉefurbo de GDR, nia Berlin, same estis renkontiĝejo de la junularo, kiu batalas kontraŭ imperiismo, por paco, solidareco kaj amikeco. Tiam nia respubliko troviĝis en la komenco de sia vojo al socialismo. Sed jam tiam la tutmonda junularo sentis la solidan bazon de la socialisma politiko.
En 1973 alia juna generacio venas al GDR. Ĝi venas al socialisma ŝtato en la koro de Eŭropo, kiu por ĉiame forigis la imperialisman kaj militarisman pasintecon kaj kiu alianciĝis kun la estonteco. GDR estas en forta alianco kun Sovetunio kaj la socialisma ŝtataro.
La prezidanto de la nacia preparkomitato por la 10-a Festivalo, la Unua Sekretario de Socialista Unuiĝinta Partio de Germanio, Erich Honecker, diris okaze de la unua sesio de tiu komitato:
„La 10-a Festivalo de Junularo kaj Studentaro estas festo de vivoĝojo, okazaĵo de granda politika signifo. Ĉi-tie en Berlin renkontiĝos: la junaj konstruantoj de socialismo kaj komunismo, la junuloj el tiuj ŝtatoj, kiuj forĵetis la jugon de kolonialismo kaj gejunuloj el la kapitalismaj landoj, kiuj kuraĝe batalas por bazaj rajtoj, por paco kaj amikeco . . .".
Ankaŭ ni, esperantistoj en GDR, jam nun ĝojas kaj tiucele eklaboras. Jam estas bona tradicio de TEJO partopreni la festivalojn. La plej juna sekcio de TEJO, la Esperanto-Junularo de GDR, planas la okazigon de seminario en la Festivalo kaj jam nun kontaktis la preparkomitaton de MFDJ. Same agas la MEM – Sekcio de GDR. Ni opinias, ke la moto de la Festivalo „La Junularo de Tutmondo akuzas la Imperiismon" kaj la batalo por la paco koincidas. En tiu ĉi agado ni absolute harmonias kun la postuloj de la Deklaracio de Tyresö.
Tial la Esperanto-Junularo de GDR proponas al la Junulara Komitato de MEM kaj al la estraro de TEJO kaj al ĉiuj progresemaj esperantistoj komune agi por inde partopreni la 10-an Festivalon.
La ĝisnunaj festivaloj:

**Praha:** 20-a de julio ĝis 17-a de aŭgusto 1947. 17 000 partoprenintoj el 72 landoj.
**Budapest:** aŭgusto 1949. 10 400 gejunuloj el 82 landoj, inter ili la unua delegacio el GDR.
**Berlin:** aŭgusto 1951. 26 000 delegitoj el 104 landoj.
**Bucuresti:** aŭgusto 1953. 30 000 delegitoj el 111 landoj.
**Warszawa:** aŭgusto 1955. 30 000 gejunuloj el 114 landoj. En la delegacio de GDR estis 1 500 geknaboj.
**Moskva:** aŭgusto 1957. 34 000 delegitoj el 131 landoj. La ĝisnun plej granda festivalo.
**Wien:** aŭgusto 1959. 18 000 el 112 landoj. La imperialisma „Kontraŭfestivalo" fiaskis.
**Helsinki:** aŭgusto 1962. 18 000 geknaboj el 137 landoj. Ili reprezentas 1 500 diversajn organizojn. Partopreno de oficialuloj de UNO kaj UNESCO.
**Sofia:** aŭgusto 1968. 20 000 delegitoj el 142 landoj. Pli ol 5 000 el ili senpage laboras por la vjetnama popolo.

# Protektado de la vivomedio kaj tutmonda pacmovado

Profesoro Diedrich Wattenberg, gvidanto de la astronomia observatorio „Archenhold" en Berlino, pri la aktuala problemaro de la vivomediaj kondiĉoj de la homaro.
„Sur nia planedo Tero ni havas du grandajn vivospacojn, kiuj reciproke sin influas. Tiuj estas la oceano kaj la atmosfero. Dum la lastaj dudek jaroj la tutmonda pacmovado daŭre postulis tujan ĉesigon de la vaporigo kaj enmarigo de radioaktivaj restaĵoj.
Hodiaŭ ni renkontas aliajn problemojn, kiuj rezultas el la tekniko. Tiuj denove tuŝas ambaŭ vivospacojn. La homo dum longa tempo povas resti sen manĝaĵo. Sen aero li povas vivi nur kelkajn sekundojn aŭ minutojn. Homo dum unu tago bezonas 10 $m^3$ da aero, tio egalas al dekmil litroj aŭ 13 kilogramoj. Hodiaŭ la atmosferon senĉese enpenetras venenaj kaj aliaj damaĝaj substancoj, kiuj efikas al la homo malsanojn."

*

Estas hodiaŭ tiel, ke pro la evoluo de la tekniko la homaro, nombranta proksimume 3 miliardojn, prenas el la atmosfero tiom da okcigeno, kiom necesus por ekzistado de 43 miliardoj. Kaj tiom da homoj vivos sur nia Tero post 130 jaroj. Jen ni staras antaŭ grandaj problemoj. Nepre ankaŭ la pacmovado devas tiujn pritrakti. Ankoraŭ citinde, ke la oceano pro la kreskanta navigado pli kaj pli malpuriĝas. El tio rezultas daŭra malboniĝo de la vivomediaj kondiĉoj. Ni plue scias, ke la industrio en la tuta mondo kondukas kemiaĵojn en riverojn, lagojn, marojn. La sekvo: tiuj biologiaj teritorioj dezertiĝas. Kaj ni eksciis, ke la malpurigo de la atmosfero jam atingis timigan gradon.

*

Antaŭ ĉirkaŭ dek jaroj usonaj esploristoj okupiĝis pri strategiaj planoj, kiuj celis, eventuale sekigi kaj dezertigi grandajn partojn de okcidenta Eŭropo. Tion ili intencis atingi pere de kemia melkado de la pluvonuboj super la Atlantiko.

*Rubaĵnebuloj minacas grandurbojn. Rubaĵgasoj kaj malpuraĵnebuloj super New York*
Foto: Zentralbild

Hodiaŭ aktualas tute aliaj timigaj fenomenoj! El la eksplodo- kaj brulmotoroj de rakedoj kaj aŭtomobiloj senĉese atingas la atmosferon grandegaj amasoj da fulgeroj. Super la Norda Atlantiko ĉiutage troviĝas pli ol mil jetoplanoj kun ĉirkaŭ trimil ajutoj. Tiuj malpurigas la atmosferon pere de triliardoj da fulgeroj. El observadoj ni eksciis, ke dum la lasta jardeko super Norda Atlantiko la nuboj pliiĝis je 30 %. Tiu parto de la atmosfero daŭre riĉiĝas per pli kaj pli da karbida dioksido. Rimarkinda jam estas ŝanĝo en la klimato. Oni konstatis pere de sputnikoj, kiuj orbitis nian Teron kaj kiuj vojis inter Tero kaj Luno, ke nia planedo Tero, nomita antaŭ dek jaroj ankoraŭ „blua ĉielkorpo", jam fariĝis griza ĉielkorpo pro la pli intensa nubumo.
Sciencistoj esploris la Arktikon kaj la Antarktikon. Ili konstatis, ke en la glaciaj regionoj okazis jam konsiderindaj ŝanĝiĝoj. El la gazetaro ni ekscias pri haladzo-tavoloj super ĉiuj eŭropaj kaj alikontinentaj grandurboj. Timigan situacion denove kreis smogoj. Astmaj malsanoj, infanmalsanoj k.a. pliiĝas. La haladzo-tavoloj, smogoj, atmosferaj fulgeraj tavoloj baras la vojon de 50 % de la sunradioj.

✶

En Britlando oni devigis la industrion entrepreni protektajn manipulojn. Tiuj evitas polvan enpenetron en la atmosferon. Jam oni konstatis pli intensan sunbriladon. Eksplodsimila kresko de la tera loĝantaro, la daŭre kreskanta evoluo de la industrio provokas en la atmosfero procezojn, kiujn ni nepre devas bari la vojon. Enkonduki tiajn protektajn manipuladojn estis ĉiam denove enhavo de la postuloj de la sciencistoj en la tuta mondo. Decida momento estas la sinteno de la leĝodonaj organoj al la avertoj de la scienco.
Kompreneble la scienco montris eblecojn, kiamaniere bari la vojon de tia danĝera evoluo. Ĉu tiuj vivonecesaj postuloj vekas la komprenemon de la leĝodonaj institucioj, tio restas ankoraŭ necerta ĉar tiaj entreprenoj kostas tre multe da mono.
Kion oni faras en G D R por la protektado de nia vivomedio? La Artikolo 15-a de la Konstitucio de G D R devontigas ĉiujn organizaĵojn kaj ĉiun unuopan civitanon, atenti pri pureco de la atmosfero kaj de tuta vivomedio. Ek de la jaro 1962 ekzistas ĉe ni la Ŝtata Centro por Radiada Ŝirmado. Tiu centro ĉie tie ekaktivas, kie povus naskiĝi endanĝerigo de homa vivo pere de radiado. El la jaro 1964 fontas dekreto, kiu garantias ŝirmon kontraŭ malsanigaj efikoj de radiadoj. 1-an de junio 1970 leĝiĝis nova dekreto pri naturprotektado. Ĝi ordonas entrepreni manipulojn por garantii puron de akvo kaj aero. Hodiaŭ ŝajne duaranga problemo, post kelkaj jaroj ĝi tutcerte estos ĉefa problemo por la ekzistado de la homo sur la Tero. La pacmovado en la tuta mondo devas postuli tiajn entreprenojn, kiuj garantiu la leĝan protekton de la homo kaj de nia vivomedio. Sed sukcesplenan solvon de tiu ĉi problemo ni nur povas atingi sub kondiĉoj de paca kunvivado kaj en la kadro de ĝenerala malarmigo.

Tradukis: Burmeister el „Berliner Brief" 2/71)

# Recenzo:

## La tradicia vjetnamio

**Kelkaj historiaj etapoj. – Fremdlingva eldonejo Hanojo, 1970. 170 paĝoj.**

Kvin ĉapitroj respegulas la etapojn de la ŝtonepoko ĝis la bronzepoko (la origino), la XIa–XIVa jarcento (centralizita feuda ŝtato), la XVa–XVIa jarcento (la dinastio Le), la XVIIIa jarcento (epoko de Tay Son) kaj la kultura evolucio de la XVIIa jarcento ĝis la komenciĝo de la XIXa.
„Estas dirite:
Pacon kaj feliĉon al la popolo, tia estas la fundamento de la virtoj de humaneco kaj justeco
Elimini la perforton, tia estas la unua rolo destinita al niaj batalantoj".
Per tiuj vortoj komencas proklamo pri la venko super la Ngo (= invadintoj), kiun verkis en la jaro 1428 Nguyen Trai, beletristo, enciklopedia spirito kaj saĝa konsilinto de la reĝo Le Loi. Pri la dekjara milito por sendependo, kiun gvidis Le Loi kaj Nguyen Trai kontraŭ la ĉina Kortego de Ming per kombinado de politika agado, milita lukto kaj gerilaj operacioj raportas la III-a ĉapitro de la nova libro el Hanojo.
La leganto lernas kompreni la unuecon de la vjetnama popolo, kiu tamen savgardas la originalecon de ĉiu etno. Dum kvar jarmiloj la homo de Vjetnamio devis kontraŭstari ne nur multenombrajn fremdajn agresojn sed ankaŭ senbridan naturon: inundojn, trosekecojn, tajfunojn. Centre de la vjetnama historio ribele staras la kamparano, defendanta la teron postlasitan de la praavoj kontraŭ la fremdajn invadintojn sed periode ankaŭ kontraŭ la enlandaj mastroj kaj feŭduloj.
La libro enhavas multajn historiajn faktojn kaj pruvojn kaj ne mankas legindaj priskriboj kaj legendoj.
La hanojaj eldonistoj (kiuj modeste prisilentis aŭtorajn nomojn) liveris instruriĉan valoran kontribuon ne nur al la historiistoj sed ankaŭ al la Esperanto-literaturo, en siu ĝis nun maloftas sciencaj verkoj.

Linde Knöschke

# Sensacio en la esperanta literaturo:

# „Nuda inter lupoj"

## de Bruno Apitz aperos en Esperanto!

*En la GDR-eldono 4/1971 de „Paco" ni prezentis al la legantoj partojn de traduko el la mondfama romano „Nuda inter lupoj". Tiu ampleksa romano de Bruno Apitz, tradukita de Dro Karl Schulze el Berlin, GDR, aperos post nun aŭ du jaroj en Esperanto. Tradukita en 18 lingvoj de la mondo ĝi konatigas la leganton kun eksterordinare animskua travivaĵo: Al morto kondamnitaj kontraŭfaŝistaj arestuloj en la nazia koncentrejo Buĥenwald (komp. ankaŭ Paco de GDR, 7/8/1970), batalas ne nur por sia liberigo sed same por la savo de 3jara knabeto, kiu estis enportita de pola arestulo. La romano baziĝas je faktoj. La iama knabo nun vivas (kp. Paco 4/1971, GDR-eldono). La knabeto estis savita per la solidareco, la granda homeco kaj oferpreteco de la kontraŭfaŝistoj. Por ili la savo de la infano, spirhaltige rakontita, estis la palpebla homeco en brutala, malhoma estingejo de ĉiuj humanismaj valoroj.*

*En la sube prezentota parto, unu arestulo „ŝtelas" la infanon, por doni al ĝi pli sekuran lokon. Nome, SS (faŝisma gardotrupo plej fifama) jam flaris kaj postsekvas la spurojn . . .*

### Stelo de l'infano

Je la sama horo obskura figuro kaŭris ĉe tabulbudo de la porkbarejo troviĝanta je la norda deklivo de la barakaro. Tie ĉi estis ankoraŭ senkonstruaĵa tereno kun malmultaj arboj de la ioma montarbaro. Antaŭ la porkbarejo situis la konstruaĵoj de la arestulaj malsanulbarakoj, kontraŭ ili, disigita per la vojo al la malsanulbarakoj, la Malgranda barakaro.
La figuro longtempe kondutis senmove en la ŝirmo de la tabulbudo. Evidente ĝi aŭskultis. Ne malproksime de la porkbarejo la elektre ŝargita dorndratbarilo tiriĝis ĉirkaŭ la barakaro. Ĉe la betonkolonoj de la barilo, supre enkurbiĝintaj, lumis la ruĝaj ampoloj. Sur la turoj staris la postenantoj. Evidente estis ili, al kiuj la senmova figuro direktis sian atenton. Senĉese ĝi observadis la turojn kaj ŝajne havis okulojn de noktbirdo. Nigre la maŝinpafiloj superstaris la parapeton de la turoj. La figuro ne moviĝis. Ankaŭ la postenantoj, volvitaj en siaj manteloj, staris senmove kaj igis la rigardojn vagadi super la barakaro. Kelkfoje la tabuloj knaris sub iliaj botoj, kiam ili movis la piedojn. – Subite la figuro kaŭriĝis kaj ombrosimile glitis rapide kaj senbrue ĝis arbostumpo. Tie ĝi haltis kaŭre, ĉirkaŭrigardis al ĉiuj flankoj kaj kalkulis la sekvan gliton ĝis proksima arbo. Kiam la momento ŝajnis favora, kelkaj saltoj sufiĉis, por atingi ĝin sen bruo. La figuro ne surhavis ŝuojn, sed nur ŝtrumpojn sur la piedoj. Estis arestulo. Li moviĝis per la lerteco de cirkartisto. Nun li dense premiĝis kontraŭ la arbo kaj denove atendis sian tempon. La plej danĝera momento, la transpaso de la larĝa vojo al la malsanulbarakoj, staris antaŭ li; longtempe hezitante, li observis la turojn kaj la ĉirkaŭaĵon.
Nun li fleksiĝis, kaj rapide kiel mustelo li transkuris la vojon, transe ĵetiĝis teren en la libera tereno inter arboj kaj stumpoj. Atendante, senmove, kunfandante kun la grundo li kuŝis iom da tempo, poste li surventre rampis de arbo al arbo ĝis la Malgranda barakaro. Singarde li levis la plej malsupran linion de la dorndrato kaj rampis tra la barilo. Nun li estis sufiĉe malproksima de la turoj por pli sekure alŝteliĝi al bloko 61, inter la latrinoj malantaŭ la barakoj, inter forĵetitaĵoj kaj rubujoj, kiuj ĉie staradis.
Dense premante sin kontraŭ la muro de la barako, li malsuprenigis la klinkon milimetron post milimetro. Nur tiom, ke li apenaŭ ne povas tragliti, li malfermis la pordon.
Ekstere estis senvente, li rezignis pri fermado de la pordo, staris iom da tempo, ĝis la okuloj alkutimiĝis al la mallumo. Poste li orientiĝis. Tie estis la litapartaĵo. Al ĝi la arestulo alŝteliĝis. La pordo estis nur duonfermita. Lerte li englitis. Sur la litostablo dormis Zidkowski. Liaj tri helpantoj kuŝis surtere sur pajloj. Zidkowski ronkis. Premiĝinte al lia dorso dormis la infano. Singarde la arestulo preterpaŝis la dormantajn flegistojn, palpante ĉiun paŝon, ĝis Zidkowski. Delikate li ŝovis la manojn sub la infanon kaj ĝin prenis. Tiel singarde li faris tion, ke la infano ne vekiĝis. Mallaŭte kiel kato li forlasis kun sia predo la latapartaĵon kaj la barakon. La pordon li lasis duonfermita . . .
*La sekva eltiro priskribas, kiel SS-komandanto Kluttig surprize malkovras la infanon. Kion faru la arestuloj? Ĉu ĉio perdita? Tamen, la liberigo ne plu estas malproksima, la aliancaj trupoj marŝas en mezan Germanion. Eble Kluttig tion prikonsideras . . .*

### Rezisto

Kluttig ŝirmalfermis la pordon kaj rapidegis en la restadejon de la bloko. Liaj okuloj pikis tra la dikaj okulvitroj, rapide li superrigardis la ejon. Ĉiuj arestuloj sin levis ĉe lia subita apero. Runki rapide sin kaŝis en la fundo. Kluttig antaŭenpremis la mandiblon. Esplore li rigardis la silentajn virojn unu post la alia.
Subite liaj okuloj plilarĝiĝis. Li flankenŝovis du arestulojn antaŭ li kaj faris unu

*Ĉefkomandanto Kluttig minacriproĉas Krämer pro infano, kiun li estus protektanta en la koncentrejo.*
*Sceno el la filmo „Nuda inter lupoj"*



paŝon antaŭen. Sur la tablo de la blokresponsulo li jus malkovris la infanon! Timplene ĝi kroĉiĝis al Bochow, kiu metis siajn brakojn ĉirkaŭ la tremanto. Kluttig malfermis la buŝon, lia gorĝnodo leviĝis. Bochow staris senmove. La silentado de la arestuloj fariĝis rigideco. Subite Kluttig ekkriaĉis:

„Ho, tiel estas?!“

Per sovaĝa ekpreno li ŝiris la pistolon el la poŝo. Jen io neatendita okazis. En rapideco de sekundoj senhoma spaco ekestis ĉirkaŭ Kluttig. Antaŭ la infano tuj formiĝis muro el arestuloj. Neniu vorto, neniu voko estis farita. Mute staris la viroj, iliaj okuloj estis fikse direktitaj al Kluttig.

Tiu bruske turniĝis, kvazaŭ li sentus ion post si. Ankaŭ malantaŭ li ili kunŝoviĝis, dense apud dense. La pordo estis blokita.

Kluttig starus izolita.

Ĉirkaŭe silentaj vizaĝoj, pendantaj brakoj, pugnoj. Okuloj atente sekvis ĉiun el liaj movoj ... Kluttig kondutis kvazaŭ li estus kaptota. Sentante, ke la viroj ĉirkaŭ li, saltpretaj, atendas, li suspektis danĝeron. Ĉu pafi? – Per unu ekmovo li ŝiris la pistolon en pafpozicion.

Jen plia neatenditaĵo okazis. La arestuloj ĉe la pordo – membroj de la sekretaj grupoj – paŝis flanken. La pordo estis libera ... Tio estis silenta postulo. – Sur la malmolaj vangostoj de Kluttig montriĝis makuloj. Por momento li kvazaŭ perdis la parolkapablon, lia palato estis seka. „Ho, ho – tiel – estas ...“ li siblis. Per unu salto li estis ĉe la pordo.

Kelkaj blokresponsuloj alvenis, kiam ili vidis, ke Krämer staris ĉe la komandanto.

„Kial la arestuloj ne enviciĝas?“ Schwahl kriis denove.

Krämer paŝis antaŭen. „Ili timas la malaltflugajn aviadilojn, kiuj pafas kontraŭ vagonaroj kaj kolonoj.“

Schwahl rektiĝis en la ŝultroj kaj apogis la pugnojn sur la koksoj. „Vi staras sub mia ŝirmo. Mi donas plian duonan horon. Se post tio la barakaro ne estos enviciĝinta, mi ĝin evakuos per armita forto.“

En la sama momento, kiam Kluttig alrapidegis, la sireno ekhurlis, tiel neatendite, ke Schwahl ektimigite saltis en la aŭton. Alten kaj malalten la sireno muelis sian hurlsonon.

„Hauptsturmführer!“ Kamloth kriis el la veturilo.

Ankoraŭ ŝaŭmante pro kolerego, Kluttig ĵetiĝis al Krämer, batis per sia pugno en lian vizaĝon, kriis: „Hundo, malbenita!“

Krämer ŝanceliĝis malantaŭen.

Kluttig saltis en la aŭton, levis la pistolon, iu blokresponsulo ekkriis, jam Kluttig ekpafis, du fojojn, tri fojojn. La pafoj rapide krakis unu post la alia. Krämer ĵetis ambaŭ brakojn en la aeron, kvazaŭ li estus sekvonta la forrapidantan aŭton, falis antaŭen kaj ruliĝis surtere. La sireno ankoraŭ plu kriis ...

**Erika Kopietz**

# JENNY MARX

## EL ŜIA VIVO

Jenny Marx [Jenni Marks], edzino kaj plej bona kamaradino de la fondinto de la scienca socialismo, ne batalis sur barikadoj, ne staris parolante iam sur tribuno.

Ŝi mallaŭte efikis, flanke de sia eminenta edzo, subtenis pasie liajn novajn pensojn pri la leĝoj de socia evoluo. Per amo kaj prudento ŝi frue estis konvinkita, ke la mondo devas ŝanĝiĝi kaj fervore ŝi legis kaj aŭskultis la konceptojn de Marx.

Karl Marx estis spirita giganto, senfleksema batalanto. Li postulis altajn kaj plej altajn streĉojn, tiel al si mem, kiel al la virino, kiun li amis.

Jenny montris sin valida edzino kaj kamaradino. Ĝis ŝia alta maljuneco de ina ĉarmo, ŝi sammaniere estis treege energia, vivintensiva, optimisma, vere justpensa kaj pro tio revolucia. Ŝi fariĝis ne takseble valora por sia edzo.

Ankoraŭ infanoj, Karl kaj Jenny kune ludis. Kiam li estis 17- kaj ŝi 21-jaraĝa, ili fianĉiĝis. Sed nur post 7 jaroj Marx povis hejmpreni Jenny'n kiel edzinon.

Kiam Jenny naskiĝis la 12-an de februaro 1814 en Salzwedel, ŝia patro estis landa konsilanto en la servoj de la prusa ŝtato. Ludwig de Westfalen, lerninta malami Napoleonon I. pro la jugo de kontribuoj, premo de la konkermilitoj, en kiuj ankaŭ germanaj filoj devis oferi sangon kaj vivon, estis suferinta multon kun sia familio pro la kuraĝa, obstina konduto dum la jaroj de la okupado. – En ĉi tiu pasie movigita tempo Jenny komencis sian vivon ...

En la aŭtuno 1835 Karl Marx plenumis sian abiturekzamenon. Poste li komencis sian studadon en Berlin kaj svatis pri Jenny. Ŝi, amanta kaj senta, ke ĉi tiu juna homo estas destinita fariĝi unika grandulo, konfidis ŝian vivon al la la nun dekokjara Karl.

Karl studis en Berlin filozofion, esploris kaj provis trovi la veron.

Kaj li aliĝis al la tielnomata „doktorklubo“, rondo de la junaj Hegel-anoj. Baldaŭ la dudekjara fariĝis la sprita centro. La diferenco inter la aliaj kaj li estis lia streĉo, apliki la filozofion reale, do ŝanĝi la mondon.

Timigite pro la revolucia fajro de la filaj pensoj, lia patro riproĉis lin, ke li ne zorgas pri Jenny kaj ilia komuna estonteco.

Sed Jenny amis Karl'on ĝuste tiel, kiel li estis, senreteneme serĉanta la veran vojon.

Liaj maloftaj vizitoj el Berlin estis zenitoj de ŝia vivo. Pro la deziro, kreski interne kun la amato, ŝi penis sekvi liajn pensideojn. Ŝi komencis studi Hegel'on kaj la literaturon de la junaj Hegelanoj. Por ankaŭ sekvi la vojon de Marx al la malnova greka filozofio, ŝi eĉ lernis la grekan lingvon. Pli kaj pli ŝi ekkonis la genion de Marx. Kiom profunde feliĉigis ŝin ĉi tiu ekscio, tiom multe ĝi ĵetis novajn ombrojn sur ŝian amon.

Ĉu ĉi tiu genia junulo, adorata centro de eminenta, ekscelenta rondo en la ĉefurbo, kiu interrilatis en la famaj Berlinaj salonoj de Bettina v. Arnim kaj de la geedzoj Varnhagen, povis daŭrigi la samajn sentojn al ŝi kiel antaŭe?

Dume Karl zorgece preparis kaj finis en Jena en 1841 sian doktordisertacion pri la grekaj filozofoj Demokrit kaj Epikur. *Konklude li skribis: „La filozofoj nur diversmaniere interpretis la mondon. Sed gravas, ĝin ŝanĝi.“*

Jenny senlime, senbare ĝojis; ĉar nun ili esperis, baldaŭ povi geedziĝi.

Sed Karl ne ricevis katedron en la universitato Bonn. Plifortiĝis la reakcio en Prusio, kaj oni forpelis la progresemajn docentojn. Sed sekvonte la okazaĵoj helpis al ili, solvi la problemojn. Karl aliĝis al la civildemokratia movado kaj baldaŭ ludis gvidantan rolon.

Kune kun la amikoj li redaktis de post 1842 la „Rheinzeitung“ (Rejn-gazeton), kiu fondis la gloron de la juna revoluciulo kiel politika batalanto kaj publicisto.

Komence de la tridekaj jaroj fondiĝis la germana „Zollverein“ (dogansocieto). Se ankaŭ ne foriginta la politikan disecon kaj dispecigon, aliflanke plejparte en Germanio malaperis la ĝis tiam inter la germanaj ŝtatoj ekzistintaj doganaj limoj. Tio spontane pli faciligis la ekonomian evoluon.

La germana civitanaro enviplene rigardis al Anglujo kaj Francio, kiuj post la revolucioj jam posedis fortan burĝaron.

La „Rhein-gazeto“ nun devis investi la postulojn de la nova „Bourgeoisie“ (burĝaro), kaj la progrese pensinta Karl Marx utiligis la okazon, influi la amasojn kontraŭ la prusegermana reakcio.

Por tio Marx aplikis novajn metodojn:

interligo de aktiveco kaj scienca ekzakteco, deviga logiko kun pasie politika stilo.
Jenny kaj Karl nun ofte vidis unu la alian. Ŝi rapide transprenis lian pensmanieron. Entuziasme ŝi legis liajn artikolojn kaj komprenis lin.
Jenny konatiĝis kun la novaj batalantkamaradoj de Karl. Tiuj estis nome Arnold Ruge en Leipzig, Moses Hess kaj la Marxon arde admiranta asesoro Jung el Köln. Ankaŭ la progresa poeto Georg Herwegh apartenis al ĉi tiu rondo.
Kiam en aprilo 1843 la „Rhein-gazeto" pro la kabineta rezolucio sub la prezido de la reĝo estis malpermesita, Jenny kaj Karl ekdecidis, edziĝi kaj foriri eksterlanden.
Kiel la finfina unuiĝo kun la amata virino fariĝis por Karl la plej alta, plej bela feliĉo, kiun la vivo estos donacinta al li, tiel la plenumo de ŝia kordeziro signifis por Jenny eĉ la veran komencon de ŝia vivo. „De post la edziĝtago Jenny ne nur partoprenis la sortojn, laborojn, batalojn de sia edzo, sed ankaŭ per alta komprenado kaj ardega pasio", skribis Friedrich Engels [Fridrik].
Jenny ankaŭ intensive studis. Kunvivanta kun Marx, ŝia talentita kapableco evoluis surprizinde rapide. Ŝia genia edzo malfermis al ŝi pordegojn en vastojn kaj profundojn, kiuj ĝis nun ne estis atingeblaj por ŝi.
Jenny, ĝis tiam ankoraŭ religia, ekscitiĝis legante Feuerbach, kaj sentis la doktrinon kiel liberigo. Pro la studoj Jenny kapablis, pli malfrue kompreni la doktrinon de sia edzo kaj aktive partopreni lian batalon.
Ĉe la familio Herwegh ili konatiĝis kun tiu kaj jena famulo. Kora amikeco baldaŭ ligis ilin kun Heinrich Heine. Preskaŭ ĉiutage la poeto vizitis Jenny kaj Karl. Dum multaj horoj ili pridiskutis la politikon kaj literaturon. Jenny aŭskultis kaj lerte kritikis la poemojn, de Heine legitajn. La poete admiris la belecon, ĉarmon kaj subtilan komprenkapablon de Jenny.
Marx, kiu en Paris unuafoje kontaktis kun revoluciaj laboristoj, ricevis grandan estimon pro ilia kuraĝo, forto, oferpreteco.
Marx kaj Jenny konatiĝis kun la teoria verko de la talenta tajloro Weitling, kiu postulis la komunismon kiel rezulto al la batalo de la laborista klaso.
Sub la influo de sia edzo, Jenny komencis diskuti pri la laborista demando. Ĉe la geedzoj interrilatis la gvidantoj de la franca laborista movado kaj aliaj socialistoj. Oni fajre debatis. Kaj inter Karl kaj Jenny ekestis longaj, ekscititaj paroladoj.
La sagaca, nekoruptebla Jenny klare ekkonis, ke la ekspluatado, nek per la prudento de la regantaj klasoj, nek per la proponitaj reformoj de la civitanaj socialistoj povus esti forigotaj.
La novaj pensoj de Marx entuziasmigis ŝin. Ŝiaj demandoj kaj kritikoj helpis lin. Ŝia kredo al la ĝusteco de lia vojo pli grandigis lian elokventecon kaj duobligis lian forton. Ĉar antaŭ lia amikeco kun Engels, ŝi ja estis la sola homo, kiu komprenis kaj kuraĝigis lin.
Kiam ŝi revenis, Jenny trovis sian edzon althumore. Efikis tion unuflanke la ribelo de la sileziaj teksistoj kiel unua signo de revolucia proletaro en Germanio, kaj aliflanke, ke Marx trovis la amikon kaj batalkamaradon de la vivo, Friedrich Engels. Marx kaj Engels konstatis la kompletan kongruon en ĉiuj teoriaj demandoj kaj decidis la komunan estontan vojon.
Senlace Marx laboris, agitis kaj eldonis en 1845 sian libron „Die heilige Familie oder die Kritik der kritischen Kritik" [La sankta familio aŭ la kritiko de la kritikanta kritiko].
Jenny, gaja, esti en Paris kaj esperanta belan tempon en la franca ĉefurbo, devis travivi jam en januaro novan teruron. Pro la iniciativo de la prusa reĝo, la franca registaro ordonis la ekzilon de Marx dum 24 horoj. Li veturis al Brüssel. Jenny solvis la mastrumon. Ŝi devis vendi la meblojn, parton de la tolaĵo, por havi la vojaĝmonon. Malfacile estis, adiaŭi de la multnombraj amikoj kaj sekvi kun la infano en la fremdan Belgujon.
Ankaŭ Friedrich Engels vivis en Bruxelles, filo de fabrikposedanto progresulo. La patro ne interkonsentis kun la komunistaj malreligiaj ideoj de sia filo. Sed Friedrich Engels insistis. Li estis lerninta en grandaj komercfirmaoj kaj poste laboris kiel komercisto kaj kunposedanto en la patra firmao en Manchester, kie li studis la laboristan movadon en Anglujo, kie jam ekzistis laborista sindikato.
Engels venis al Karl kaj Jenny ne nur kiel kunbatalanto kaj fondanto de la scienca socialismo, sed ankaŭ kiel gaja, optimisma juna homo, kiu ĝuis la vivon, mondlerta kaj ĉarma babilanto.
En nevenkebla petolemo Jenny, Karl kaj Engels instigis unu la alian.
Kiel Engels, tiel ankaŭ ili amis literaturon kaj arton. Kiel li, ankaŭ ili posedis vastan scion de la tiutempaj aŭtoroj kaj de la kultura heredo. Sed fokuso de ilia interparolo estis filozofio kaj politiko, nome pri la batalo de la laborista klaso.
Por pli bone studadi la anglajn cirkonstancojn, Marx kaj Engels sukcesis gajni la monon por ses-semajna studvojaĝo al Manchester kaj London. Jenny kun Lenĥen kaj la malgranda Jenny pasigis tiun tempon en Trier.
Reveninte al Bruxelles en septembro, Jenny naskis la duan filineton, Laŭra.
Post sia angla vojaĝo Marx kaj Engels ellaboris „Die Deutsche Ideologie" (la germana ideologio) kun la tezo pri la dialektika historia materilismo.
Jenny streĉe sekvis la fariĝon de la verko, pro kiu rondo de eminentaj politikaj batalontoj komencis ariĝi ĉirkaŭ la fondantoj de la scienca socialismo.
Inter la novaj kamaradoj en Bruxelles estis la poetoj Ferdinand Freiligrath kaj Georg Weerth, la redaktoro Wilhelm Wolff, kiun Jenny precipe enfermis en sian patrinan prizorgon. Ankaŭ la frato de Jenny, Edgar v. Westfalen, apartenis al la komunista rondo. Sed, kvankam talenta, li havis malfortan karakteron, kiun Jenny penis boninflui.
Jenny senĉese penis pri studado kaj partopreno dum la pridiskutoj inter Marx kaj Engels, propriĝi al si la pensmorojn pri la scienca socialismo. Ŝi estis feliĉa, egalrajte povi partopreni la batalon flanke de sia edzo kaj de la amikoj.
Ŝi profunde dankis al Karl, ke li ŝatis en ŝi ne nur la amatinon kaj patrinon de liaj infanoj, sed ankaŭ la kunlaboron kaj kritikon.
En 1847 okaze de granda ekonomia krizo pro la rikoltdeficito, ligita kun mizero kaj malsato, kreskis la ribelo. Marx kaj Engels disvolvis la taskon de la laboristoj en la venonta revolucio dum la kongreso de la komunista ligo.
Intertempe en decembro 1848 Jenny donis la vivon al la knabo Edgar, nomita „Mus". Malgraŭ ilia amasa laboro, la feliĉaj Jenny kaj Karl ĉiam trovis tempon por la infanoj.
La batalo progresis. Fine de januaro 1848 Marx kaj Engels finis la „Manifeston de la komunista partio", presita en malgranda Londona presejo po 500 ekzempleroj. Ĉi ĝuste aperis dum la eksplodo de la februara revolucio en Francio. Tiutempe la enhavon de la manifesto nur komprenis la plej malmultaj, inter ili unuavice Jenny.
Venis la franca revolucio en 1848. La revolucia fajrero transsaltis en Belgujon, Germanion, Aŭstrion. En la domo de Marx komencis febra agado. Sed jam la 3-an de marto Marx ricevis la ekzilordo-



Foto: Zentralbild

non. Malfrue vespere oni kaŝe inter la amikoj rezoluciis, krei la novan centran estraron de la komunista ligo en Paris kun rajtigo por Marx. El la apenaŭ finita kunveno belga policisto arestis Karl-on. Kaj iom poste ankaŭ Jenny estis arestita. Post du horoj ili ambaŭ revenis hejmen, kie ili urĝe pakis kaj kun la infanoj forveturis Parizon.

Ili trovis provizoran loĝejon en hotelo. En la urbo regis ekscito pri la okazaĵoj. Pro la komencinta revolucio en Germanio Marx kaj Engels decidis, iri al Köln pro la plej bona efikebleco. Kaj Jenny veturis kun la infanoj al Trier. Ankaŭ ĉi tie regis la revolucia spirito. En la stratoj, en la superplenaj gastejoj oni fervore diskutis. Ĉie formiĝis ĝeneralaj laboristosocietoj.

Marx kaj Engels dume penadis en Köln eldoni la „Neue Rheinische Zeitung" (nova Rhein-landa gazeto). La ekapero eksplodis kiel bombo. Sed pli fortiĝis la batalo de la kontraŭrevolucio. La el Anglujo revokita prusa princo Wilhelm, kiu pli malfrue subskribis la socialistan leĝon, kun la reakcia registaro frakasis la rezistadon. Denove Marx ricevis ekzilordonon. Urĝe la „Neue Rheinische Zeitung" devis esti likvidata. Por pagi la okupitojn, maŝinojn kaj liverantojn, Karl kaj Jenny oferis la lastan monon kaj pruntepreni iom da mono. Ili vendis preskaŭ ĉiun havaĵon. Sole la biblioteko de Marx estis konservita de la familio Daniels, kiu amikece helpis en la malfacilaj tagoj.

Helpe de la amikoj ili trovis loĝejon proksime de Westminster. Sed baldaŭ ili estis forpelitaj kun la 3 infanoj kaj la ĵus naskita fileto Fox. Dum Jenny instalis sin en nova duĉambra loĝejo, Karl devis ribele batali, premita de la zorgoj de la civila vivo, kio postulis la tutan energion de lia naturo. En 1850 la familio vivis de la malmulto, kion la patrino de Jenny povis sendi.

En interkonsento kun Jenny, Marx ne ekprenis profesion en London, sed sin dediĉis nur al la politika batalo kaj teoria verko.

Por povi helpi al la amiko kaj la komunista ideo, Friedrich Engels denove gvidlaboris an la familia firmao Ermen & Engels en Manchester.

Karl Marx komencis sian ĉefan verkon „Das Kapital" (La kapitalo), gigantan taskon. Ĉiutage kaj ofte ankaŭ dum la nokto li studis kaj verkis.

Certe apartenis al tio la plej granda komprenado por la valoro de ĉi tiu laborkapableco kaj la plej alta respekto por la granda scienca genio de ŝia edzo, se Jenny tra jardekoj kuraĝe helpis daŭrigi la penplenajn, konsumantajn studadojn kaj esplorojn, kiuj anstataŭ monon por la vivteno nur alportis senfinan penadon.

Tamen Jenny ankaŭ dum la kelkfoje terura premegeco neniam provis deteni lin de lia tasko. Ŝi ankaŭ neniam perdis la kuraĝon.

Almenaŭ en la jaro 1850 ili finfine gajnis pli komfortan loĝejon kun 3 ĉambroj en la Dean-strato 28 en Soho. Mallonge antaŭ ol ili transloĝiĝis, ili perdis la fileton Fox. Jenny kuraĝe devis venki sian doloron. Ŝia familio kaj la movado bezonis ŝin, ankaŭ la nova estaĵo, kiun ŝi portis sub la koro. Kvankam mallarĝa, vintre malseka kaj somere varmega, Jenny havis de post la pelado el Germanio nun denove propran hejmon. La civitanaro de Soho konsistis el simplaj homoj, ankaŭ el multnombraj fuĝintoj el la eksterlandoj. Pro la komuna mizero la homoj ĉi tie estis pli homecaj. Jenny ŝatis la apartan situon de la loĝejo centre de la urbo. Proksimaj estis la magazenstratoj kaj ankaŭ la Hyde- kaj la Green-parkoj. Posttagmeze ŝi kun la infanoj ŝatis migri tien, tiel ĉe bela, kiel eĉ ĉe pluva vetero. Ofte amikoj aliĝis, kiel Wilhelm Wolff, Engels kaj Liebknecht (Libknefit). Proksime ankaŭ estis la teatro. Se Jenny ebligis ŝpari kelkajn monerojn, ŝi kelfoje sidis en la plej alta plej malkara balkono.

Jenny studis kaj kunsuferis la vivon inter la plej malriĉaj anglaj laboristoj. Dumtage, se ial eble, la viroj, virinoj, eĉ infanoj laboris en la fabrikoj. Vespere sub la gaslanternoj ili aĉetis la plej necesan por sia vivteno. Jenny devis admiri la kuraĝeman sintenadon de la malriĉuloj.

La revoluciulo Marx plue estis persekutata de la reakcio en Anglujo same kiel en la eksterlando, precipe Germanio. Neniu eldonejo akceptis liajn politikajn artikolojn, librojn, escepte la malgrandaj gazetoj de la laboristoj, kiuj ne povis pagi honorarion. Krome amasiĝis la kalumnioj kontraŭ la familio Marx.

Marx gvidis la grandan batalon. Jenny pli kaj pli transprenis la atakon kontraŭ la tagaj mizeroj, kiam ili ne povis pagi, devis prunti, trankviligi la kreditorojn. En ĉi tiuj jaroj la zorgo ankaŭ kreskis pro la infanoj. Ili multon malhavis kaj korpe klinis al malsanoj. Je Pasko 1852 mortis unujara Franciska.

En 1855 la plej malfacila bato trafis la geedzojn. La kara ses-jara filo Muŝ ekmalsaniĝis je danĝera gastricismo. Spite al ĉiu penado, en aprilo Muŝ mortis en la patraj brakoj. Marx skribis al Engels: „Kompreneble la domo estas tute neglektata post la morto de la kara knabo, kiu estis ĝia viviga animo. Ne estas skribebla, kiel li mankas al ni. Mi multon malagrablan jam travivis, sed nur nun mi scias, kiel estas la vera malfeliĉo. En ĉi tiuj tagoj nur la penso al vi kaj via amikeco nun rekte tenas min kaj la espero, ke ni povas fari ankoraŭ ion racian en la mondo". Post la enterigo Karl kaj Jenny vojaĝis al Engels al Manchester, por helpe de la amiko venki la teruran doloron. Vera konsolo fariĝis la malgranda Eleanor, ĵus naskita antaŭ kelkaj monatoj. Kune kun la pli aĝaj du filinoj ŝi kreskis kaj fariĝis ĝojo por la gepatroj.

Nun en la Dean-strato Jenny transprenis kiel sekretario de Karl la korespondad- kaj skriblaborojn. Ŝi fiere kaj feliĉe faris tion. Jenny posedis la kvalitojn por tio. Ŝi kopiis la verkojn de sia edzo kaj pretigis ilin por la presejo.

En ĉi tiuj jaroj Karl kaj Jenny ankaŭ konatiĝis kun la rusaj revoluciuloj, inter ili Belinski, Ĉerniŝevski kaj Herzen.

En la tre malvarma vintro 1862 Jenny veturis Parizon, unue por ricevi monon por sia familio kaj due por prepari la aperon de la verko „Kritik der politischen Ökonomie" (kritiko de la politika ekonomio) en Francio. Malgraŭ de pluraj incidentoj dumvoje, Jenny trovis tradukiston por la verko kaj ankaŭ povis interligi kun eldonisto. Ŝi krome alportis gravajn informojn pri la ĝenerala opinio inter la francaj laboristoj. Sed monon ŝi ne povis akiri.

Jenny laboris pri sia plua kleriĝo. Ŝi ne sensence kopiis la verkojn de Marx. Ŝi pripensis kaj diskutis kun la edzo. Ŝi multe korespondis kun Engels. Li sendis al ŝi raportojn ankaŭ pri strikoj en la teritorio de Lancashire.

La leteroj de Jenny Marx estas tre interesaj, precipe tiuj, al Engels direktitaj. Ili permesas gravajn rigardojn en la laboron de la amikoj. Ĉiuj leteroj, plenaj da ĉarmo kaj sprito, de homo, kies korpo kaj koro servis al la komunista movado. Ŝi estis organizistino kiu sciis, kion ŝi volis. Franz Mehring, ekkoninta la valoron, publicis grandparte la leterojn de Jenny, plenrajte kiel eminentaj politikaj kaj ankaŭ literaturaj dokumentoj. La politika agado de Jenny atingis en 1851 kaj 52 kulminon dum la Kölna komunista procedo, kiun la prusa reakcio kun la reĝo gvidis per ĉiu akreco kaj krueleco.

Marx tuj komencis organizi la kontraŭ-

batalon. Brile li gvidis ĝin. Li pruvis la falsaĵojn, senmaskigis la spionojn kaj provokistojn kaj malkovris la kriman agadon de la prusa registaro antaŭ la tuta mondo. Jenny, lia senlaca helpo, skribis, peris la kaŝe sendendajn leterojn, paperojn, klarigojn al la eksterlandaj kamaradoj, amikoj. Tiam inter Marx, Engels, Wolff, Liebknecht kaj aliaj ankaŭ la poeto Freiligrath aktive efikis en la solidara kampanjo. En sia laborĉambro Jenny direktis per ŝajnigitaj komercistadresoj leterojn al gazetoj, kluboj, sendis kurierojn, igis kolekti „pennies" (monerojn) por la subpremitaj, arestitaj. „Inter ĉio", ŝi skribas foje: „kantas kaj fajfas miaj 3 gajaj infanoj. Kia vivo!"

En 1859 germana eldonisto akceptis la verkon „Zur Kritik der politischen Ökonomie", kiun Jenny kopiis.

Tiutempe Jenny ankaŭ konatiĝis kun anglaj emancipitaj virinoj, kiel la aŭtorino Anna Bella Carlisle. Pri tiuj renkontoj Jenny kun granda ĝojo rakontas en siaj memoraĵoj . . .

En la jaro 1864 Engels, nun kunposedanto de la firmao Ermen & Engels, venis en tiujn financajn cirkonstancojn, ke li efike povis helpi siajn amikojn. Krome Jenny ankaŭ ricevis eblecon, kunlabori ĉe la „Frankfurter Zeitung" (Frankfurta gazeto) por la felietono.

Tiamaniere finfine komenciĝis jaroj sen financaj mizeroj. Sed eĉ en la plej malbonaj tempoj de mizero kaj malsano, Karl, Jenny kaj la infanoj estis tre feliĉa familio. Karl Marx restis enamiĝata en sian edzinon. Superregis inter ili gaja, ridema komprenado. Kaj ĉi tiu neŝanĝebla amo, reciproka estimo inter la gepatroj donis al la infanoj tian atmosferon de sekureco, forto kaj kredo, en kiu ili fariĝis kapablaj, oferemaj, progresaj homoj, kiuj helpis kontinui la Marxismon.

En la Marxa domo oni ŝatis kanti, ludi, danci, ankaŭ kun amikoj. Ĉiuj en la familio havis moknomojn. La nomon „Mohr" (maŭro, negro) por Karl apligis ne nur la familianoj, sed ĉiuj intimaj amikoj. Jenny estis la „Möhme". Ankaŭ la infanoj kaj kelkaj amikoj ricevis moknomojn.

Kvankam Jenny ankaŭ en ĉi tiuj jaroj devis prizorgi la malbonan sanstaton de sia edzo, kiu multfoje sin kuracis en Karlsbad, ŝi ĝuis ĉi tiujn pacplenajn, harmoniajn tagojn per la interna trankviliĝo de ekvilibre agordita, forta homino, kiu povas diri, ke ŝi, batalinta por la feliĉo de la homaro, faris sian devon, neniam laciĝinta kaj ĉiam starinta ĉe la flanko de justo.

Je la 2-a de decembro 1881 ŝi mortis post tre malfacila suferado. Ĝis la lasta minuto ŝi provis ŝerce distri la ĉagrenon de la siaj. Ŝi volonte estus dezirinta, ankoraŭ travivi la venkon de la germanaj socialistoj kun Bebel, kiu en la jaro antaŭ ŝia morto vizitis la familion Marx en London kaj esprimis sian admiron pri ĉi tiu malofta virino, Jenny Marx.

# Kultura kalejdoskopo

## 1972 – internacia librojaro

La kuranta jaro, laŭ iniciato de UNESCO, solenata estas en la tuta mondo, kiel internacia jaro de la libro. En librejaj vitrinoj aperas ĝia simbolo – du homoj tenantaj sin je la manoj paŝas tra paĝoj de malfermita libro.

Oni preparas multajn aranĝojn dediĉitajn al la libro. En Moskvo kaj Taŝkento oni planis organizi seminariojn de bibliotekistoj en kiuj partoprenos, i.a. reprezentantoj de 27 disvolviĝantaj landoj de Afriko kaj Azio, en Budapeŝto la kunvenintoj priparolos la legadproblemojn, en Vieno – la internacian librointerŝanĝon. En Hindujo agos Foiro de Libro, kaj en Japanujo „Monato de la Biblioteko". La atenton de libroamikoj turnos sur sin certe Parizo, kie speciala ekspozicio ekkonigos la vizitantojn kun mondaj editoraj akiraĵoj kaj kun evoluo de bibliotekoj.

Sufiĉas mencii, ke nur en Moskvo kaj Leningrado ekzistas 50 libroeldonejoj, ĉiujare aperas en USSR ĉirkaŭ 80 mil eldonaj pozicioj kun 1,3 miliardo da ekzempleroj. Laŭ statistikoj de UNESCO ĉiu kvara libro aperanta en la mondo estas eldonata en Sovetio.

Ĉiu statistika soveta familio aĉetas dumjare 25–30 librojn, kaj la libroamantoj kompletigas siajn bibliotekojn per proksimume 100 novaj libroj. Kun eksterordinara dinamikeco evoluas la bibliotekoj. 400 miloj de ili servas al 100 milionoj da legantoj. Multaj bibliotekoj pruntas la librojn koresponde. Bonege prosperas la informado pri novaj titoloj kaj la bibliografia informado. Librojn en USSR oni povas laŭvorte aĉeti ĉiuloke. Ili estas vendataj en 15 miloj da librejoj kaj krome en dek miloj da kioskoj.

## Omaĝe al Hans Christian Andersen

En jaro 1975-a estos solenata la centa datreveno de la morto de Hans Christian Andersen – fama dana verkisto, (1805–1875). Okaze de tio, dana asocio de lingvo- kaj literaturamantoj iniciatis eldonon de Andersenaj taglibroj ampleksantaj jarspacon 1825–1834 kaj 1861–1863. Oni eldonis jam la du unuajn volumojn; la tuto, prilaborita en dek volumoj, aperos dum la jubilea jaro. „Verkitaj antaŭ pli multe ol cent jaroj taglibroj de Andersen ne maljuniĝis ĝis nun, konservinte sian aktualecon kaj freŝecon. Ili do estos legataj de samtempuloj kun granda intereso" skribas kopenhaga gazeto „Land og Folk".



Foto: Zentralbild

## Nekutima ekspozicio de Van Gogh

En pariza Oranĝerio funkcias ekspozicio de verkoj de Vincento Van Gogh. Oni ekspoziciis 210 tolbildojn kaj ĉirkaŭ 100 desegnaĵojn. La ekspozicion prezentis la nevo de la granda pentristo, la filo de lia frato Theo, heredinta preskaŭ la tutan artan akiraĵon de sia onklo, lian profilon (kiel oni ekrimarkis) kaj la nomon. La ekspozicio estas la plej ampleksa el la ĝisnune prezentitaj. Krom ĝenerale konataj ĉefverkoj, kiel „La fotelo de Gaugin", „Manĝantoj de terpomoj", „Heliantoj aŭ Korvoj super la grenkampo", la ekspozicio enhavas la verkojn el komenca, tiel nomata „malluma" periodo kaj ili estas la ĉefa akcento de ĉi arta aranĝo.

La bildoj de Van Gogh kuŝis kunrulite en pariza loĝejo de lia frato kaj ĉe unu

najbaro. Post la morto de ambaŭ la vidvino de Theo transportis la tutan heredaĵon al Nederlando, kie ŝi vendis la parton. La lastan bildon oni vendis en jaro 1926. Nuntempe inĝeniero Vincento Van Gogh estas feliĉa posedanto de 200 tolbildoj kaj de 400 desegnaĵoj, do de du trionoj da ĉiuj verkoj de sia genia onklo.

La unuajn ekspoziciojn de la familia Van Gogha kolekto organizis la vidvino de Theo, kaj post ŝia morto prenis la iniciaton en siajn manojn la filo Vincento. Ek de 1930 oni povas rigardi la kolekton en urba muzeo en Amsterdamo. La kolekto ofte vojaĝas. La nobla posedanto estis la unua homo kiu kuraĝis trapaŝi Atlantikon kunportante en aviadilo artverkojn. Li organizis en Usono 20 ekspoziciojn, kiujn vizitis 15 milionoj da usonanoj. Inĝeniero Vincent Van Gogh ne vendis eĉ unu bildon, ĉar li amas ilin kaj deziras, ke la homoj ilin rigardu kaj admiru. Parizo estas la lasta vojaĝetapo de la familia Van Gogh kolekto. Post reveno Amsterdamon ĝi estos lokita en speciale por ĝi konstruita muzeo.

## Marlene jam 70-jara

27-an de decembro pasintjare Marlene Dietrich, fama iam holivuda filma „stelo" kaj kanzonistino finis 70 jarojn. Marlene konfesis dum unu el la intervjuoj, ke ŝi intencis fariĝi violonistino kaj, ke ŝi sufiĉe malfrue ŝanĝis siajn vivprojektojn, decidiĝinte ekprovi aktorinon. De la tempo kiam ŝi ludis en la filmo „La blua anĝelo" oni opinias, ke Marlene havas la „plej belajn krurojn en la mondo". Povas esti, ke estas en tio iom da vero, ĉar ankoraŭ antaŭ nelonga tempo unu el la anglaj aerliniaj societoj aĉetis fotografaĵon de ŝiaj kruroj kiel ran karieron. La unuajn paŝojn ŝi faris sur estradaj kaj operetaj scenejoj. „reklaman elementon" – Marlene Dietrich ne altŝatas siajn aktorajn akiraĵojn kaj senĝene asertas, ke ŝi laboris antaŭ ĉio por mongajno. La mono ne estis tamen por ŝi ĉio. Ŝi havis principojn, al kiuj ŝi restis fidela, eĉ en malfacilaj momentoj. Ni memoras ŝian sintenon pri hitlerismo, ŝiajn kontraŭfaŝistajn deklarojn kaj agojn. La postmortuloj de Hitler ne povis tion pardoni al ŝi. Dum vizito de aktorino en FRG, ili riproĉis ŝin pro „perfido de lando kaj nacio".



*Marlene Dietrich* Foto: Zentralbild

## Nur por virinoj!

Futbalo de virinoj fariĝas de tago al tago pli populara. En Francio, la unuan fojon en historio de futballudo du virinoj: 24-jara laboratoria helpantino Syviane Touze kaj 25-jara sekretariino Eliane Thoumieuz partoprenis la kurson por futbalaj instruantoj, gvidatan de ŝtata trejnisto Michel Hidalgo. Fraŭlino Touze akiris la kvinan lokon inter 30 partoprenintoj! En Italujo ekzistas jam profesiaj virinaj kluboj de futbalo, kies aranĝintoj konsideras la varbeblon de eksterlandaj steloj. La italaj aranĝantoj de virina futbalo turnis la okulojn antaŭ ĉio sur Danujon: Daninoj dufoje gajnis mondan ĉampionecon. Antaŭ nelonga tempo sendinto de itala klubo vojaĝis Danion por „aĉeti" la 15-jaran Suzanne Augostessen, distingiĝantan pro granda talento de futbala piedbatado. Sed la patro de Suzanne proponis tiel altajn financajn kondiĉojn de eventuala transakcio, ke la Italo rezignis. „Je tiu prezo, li diris, mi povas en Italio aĉeti tutan teamon."

Lena – CR –

## En 25 jaroj 110 000 libroj

Ekde 1945 aperis en Germana Demokratia Respubliko 110 000 librotitoloj kun entuta eldonkvanto de 1,8 miliardoj da ekzempleroj. Ĉiujare estas publicitaj ĉirkaŭ 5 500 titoloj kun 115 milionoj da ekzempleroj; tio estas 1,15 % de la mondproduktado, kvankam en GDR nur vivas 0,5 % de la mondloĝantaro. Kun preskaŭ 7 libroj po loĝanto staras GDR denove en la mondsupro de la libroproduktantoj. En GDR la libro ne nur havas sian konstantan lokon en la kultura kaj socia vivo de l'popolo: ĝi estas ŝatata en pli ol 100 landoj kiel reflektaĵo de la laborrezultoj de la socialisma germana ŝtato. „Librolando GDR" jam hodiaŭ fariĝis nocio internacie konata. En la libroproduktado de GDR partoprenas 78 editejoj, inter ili 40 editejoj por scienca kaj faka literaturoj, 22 editejoj por beletristiko, infana kaj junulara literaturoj, 10 editejoj por arto kaj muziko. 56 editejoj estas popolpropraj entreprenoj respektive partiaj aŭ societaj; 22 editejoj laboras kun ŝtata financpartopreno aŭ estas privataj.

Granda parto de la editejoj estiĝis post 1945, post la liberigo de l'germana popolo de faŝismo. Apartenas al ili tiel eminentaj editejoj kiel la „Dietz Verlag Berlin", gvidanta en la publicado de sociscienca literaturo, la „Aufbau-Verlag Berlin und Weimar", hodiaŭ la plej granda beletristika editejo, la „Volk und Wissen Verlag" kiel centra editejo por lernolibroj, la „Akademie-Verlag", la „Kinderbuchverlag" kaj la „VEB Fachbuchverlag". Apud novefonditaj editejoj ekzistas pli malnovaj, pli tradiciaj editentreprenoj, inter ili la pli ol 250jara muzikeditejo „Breitkopf & Härtel", la estiĝanta en 1826 „Bibliographische Institut", la „Verlag Philipp Reclam jun." kun sia mondkonata jam pli ol 100 jarojn ekzistanta „Universal-Bibliothek" aŭ la fondita jam en 1624 editejo „Hermann Böhlaus Nachfolger". La programo de la GDR-editejoj etendiĝas de la bildlibro por la etinfano ĝis la speciala scienca monografio, kiu publicas la plej novajn esplorrezultojn. Modernaj enciklopedioj, artolibroj, eldonoj de la klasikuloj, nuntempa beletristiko, junularaj libroj kaj teknik-scienca fakliteraturo apartenas same al la sortimento de la GDR-libroproduktado kiel ĵurnaloj, muzikaĵoj, pentraj-reproduktaĵoj aŭ represoj („Reprints") de sciencaj aŭ bibliofiliaj verkoj.

Prilab. Jürgen Hamann

# Renkontiĝoj en Mongola Popola Respubliko

de Rudi Graetz

Alvenis la aŭtuno de la lasta jaro, kiam mi ekflugis de Berlin al Ulan-Bator. Sufiĉe longa distanco, speciale rimarkebla pro la tempodiferenco de ok horoj. Ĉar mi kutimas ellitiĝi je la 7a horo matene, en Ulan-Bator mi estonte nun devus ellitiĝi jam je la 23a horo de la „antaŭa" tago laŭ nia tempo en Berlin. Poste tiu ĉi ŝanĝo ne tro ĝenis min.
Precize ni alvenis kaj forflugis de Irkutsk. De supre ni vidis anguleton de la belega siberia lago Bajkal kaj post kelkaj minutoj ni jam flugis trans la montaroj de la Mongola Popola Respubliko kun parte neĝkovritaj montoj. Vasta lando, kaj de tempo al tempo videbliĝis bone flegitaj kampoj en la valoj, kaj kun brutaroj sur la deklivoj de montoj. Kelkfoje ankaŭ videblis jurtoj, konstruitaj el lignaj kadroj, kovritaj per felto.
Subite ni ekvidis vagonaron veturantan inter la montoj kaj mi devis rememori, ke ĝis antaŭ nur mallonga tempo neniu fervojo ekzistis en tiu ĉi lando.
Por la Mongola Popola Respubliko 1971 estis la jaro de jubileoj kaj de solenaĵoj. Dum marto la Mongola Popola Partio povis rerigardi sian 50jaran ekziston kaj dum julio la mongola popolo festis la 50an datrevenon de la venko de la Popola Revolucio.
Ĝis la jaro 1921 la mongola popolo vivis en neimagebla mizero, sklavigita de la eklezia kaj feŭda tiranecoj. Per la venko de la popola revolucio antaŭ 50 jaroj por la mongola popolo estiĝis la antaŭkondiĉo disvolvi libere de feŭda subpremo kaj sen kapitalismo. Konstruante la socialismon, jam de komenco en frata alianco kaj kunlaboro kun Soveta Unio kaj hodiaŭ kun ĉiuj aliaj socialismaj ŝtatoj. Firmaj kaj frataj estas la rilatoj inter GDR kaj MPR.
Tion mi ankaŭ persone povis sperti, kiam mi gvidis foiran delegacion de GDR kiel direktoro de GDR-ekspozicio por konsumkomercaĵoj, kiu okazis dum oktobro 1971 en Ulan-Bator. Tiu ĉi ekspozicio, kiu inter alie devis servi al la profundigo de la amikeco kaj kunlaboro inter GDR kaj MPR, fariĝis en ĉiu rilato granda sukceso.
Mi ankaŭ havis la eblecon ligi personajn rilatojn kun la Mongola Esperanto-Unuiĝo fondita en decembro 1970. Ankaŭ tio povas bone kontribui al la firmigo kaj profundigo de la rilatoj inter niaj ambaŭ ŝtatoj.
Kvankam la Mongola Esperanto-Unuiĝo estas ankoraŭ tre juna, mi havis la eblecon konvinkiĝi de la fervoro kaj la celkonscieco de ĝiaj gvidantaj membroj. Grandan impreson faris al mi la sekretario de MEU, k-do Dogsuren, kiu min vizitis en la GDR-ekspoziciejo. Li antaŭzorgante, petis mian interpretistinon ĉeesti, kiu tamen ne havis eblon por agi, ĉar esperanto funkciis tre bone.
Profunde impresita mi estis de la vizito de en MPR altrespektata lingvisto, profesoro d-ro Rinĉen, kiu lernis esperanton jam antaŭ 40 jaroj. Li venis al la dua interparolo komune kun k-do Dogsuren. Laŭ iliaj petoj, mi prelegis antaŭ la membroj de la esperantogrupo en Ulan-Bator kaj aliaj interesuloj kaj en mongola radio pri la kontribuo de la GDR-esperantistoj en la batalo por la paco kaj pri la aktivecoj de la Mondpaca-Esperanto-Movado.
La prelegoj trovis grandan intereson. Ĉe tiu ĉi okazo mi ankoraŭfoje deziras danki al k-do Dogsuren por la flua bonega traduko el esperanto mongollingven kaj inverse. La 19an kaj je la 26a de septembro 1971 la mongola radio sendis la raporton dum 10 minutoj kun komento en mongola lingvo.
Ĉar mi reflugis trans Moskvo, la mongolaj amikoj transdonis al mi, kiel por la esperantistoj en Moskvo, kiel por la esperantistoj de GDR, korajn salutojn. Tiujn ĉi salutojn kompreneble mi transdonis kun plezuro kaj ili estis akcepti-

Foto: Zentralbild



taj kun granda aplaŭdo. Nun la esperantistoj de GDR faros ĉion, por ellabori kaj profundigi la komencitajn amikecajn rilatojn kun la esperantistoj de la amika lando.
Ĉiuj mongolaj amikoj havis multajn demandojn kaj bonajn planojn realigeblajn unu post la alia kaj ni deziras al ili plenan sukceson.
Ne ĉiam ekzistis en Mongolio bone flegitaj kampoj, aŭ eĉ nur simpla agrokulturo. Nur per longdaŭraj bataloj kontraŭ la malnovaj feŭdaj fortoj la kulturado de la tero ebliĝis. Laŭ malnova kredo neniu rajtis difekti la teron, do nek plugi nek haki nek fosi ktpl. Pro la sama kaŭzo la pintoj de la ŝuoj devis montri alten, kelkfoje ankoraŭ videblaj tie. Ne eblis konstrui domojn kun fundamentoj. La jurtoj kuŝas sur la tero. Ne eblis fosi putojn por trinkigi la bovaron. La batalo kontraŭ tiaj malnovaj kutimoj, la vojo de feŭdismo rekte al la konstruado de socialismo, ŝparante la amaran kapitalisman evoluon, estis sufiĉe longa.
1921 Mongolio apartenis al la plej malprogresemaj landoj. Nur ekzistis la primitiva ekonomio de la nomadantaj Aratoj t.e. mongolaj paŝtistoj. Ne ekzistis lernejoj kaj pli ol 99 % de la loĝantaro nek povis legi nek skribi. La unua kaj la tria filoj de ĉiu familio devis fariĝi monaĥoj. La familio ne nur devis nutri ilin, sed zorgi ankaŭ por la riparo de ilia jurto.
Malriĉa patro, kiu ekzemple nur havis unu filon, dum vintro devis doni por li tri virŝafojn, buterfromaĝon, bakaĵojn kaj aliajn prizorgaĵojn. La familio mem vivis en granda mizero, ĉar ankaŭ la feŭdulo postulis sian parton.
Hodiaŭ MPR estas moderna socialisma ŝtato kun 1,2 milionoj da loĝantoj. Ĉiuj infanoj devas viziti 7 klasan lernejon. Nuntempe 6 600 studantoj vizitas alt- kaj faklernejojn. Se antaŭe multaj kampoj de la scienco – la medicino, la astronomio kaj aliaj – dependis de la idealisma filosofio de la Budhismo, la reganta ideologio de la feŭda Mongolio, la nunaj junaj intelektuloj kleriĝas per marksisma-leninisma vojo.
Industrio kaj agrokulturo rapide evoluas. En Ulan-Bator konstruiĝis dum la lastaj jaroj novaj kvartaloj kun modernaj loĝdomoj. Mi havis eblecon viziti plej modernan tapiŝfabrikon, komuna projekto de GDR kaj MPR, tuj post la komenco de la produktado. Ankaŭ la vianda kombinato kaj la preseja kombinato estas konstruitaj per teknika kaj ekonomia helpo de GDR.
Rimarkinda estas la nuna rapida evoluo de la propra industrio de MPR. Jam en la jaroj 1922 ĝis 1934 per helpo de la Soveta Unio estis metita la bazo por tio. Post la dua mondmilito plirapidiĝis la evoluo de la industrio. Ĝi ampleksas multajn branĉojn de la pezindustrio kaj ankaŭ de la malpezindustrio.
De malprogresema lando de bestbredado MPR evoluis al agrar-industrilando kun modernaj produktaj metodoj en la industrio kaj en la agrokulturo. La nuna evoluo kondukos la mongolan popolon al kontinue kreskanta bonfarto, al socialismo kaj komunismo.
Mi ankoraŭ volas mencii, ke la monaĥoj plene integriĝis en tiun ĉi evoluprocezon avantaĝe ankaŭ por ili. Dufoje mi vizitis la monaĥejon en Ulan-Bator kaj vidis la preĝmuelilojn kaj aliajn sanktaĵojn. bela kaj granda jurto de la ĉeflamao kun kelkaj kunlaborantoj estis gasto en la bela kaj granda jurto de la ĉeflamao kun interesaj objektoj inkluzive televidilon. Post butertetrinkado li kondukis nin dum la ceremonio en konvena maniero tra la templo plenplena kun preĝantoj kaj religiagantaj monaĥoj. La postan tagon altrangaj lamaistoj reciprokis la viziton en nia ekspoziciejo . . .

# Tra la esperantista gazetaro

*HEROLDO DE ESPERANTO* Nº 1/1972 publikigas longan raporton pri la artikolo de nia amiko D. Blanke en PACO Nº 4/1971 aperinta sub la titolo: „Kelkaj konsideroj pri argumentado kaj argumentoj". La fakto estas sufiĉe rara por ke ni salutu ĝin kaj gratulu la aŭtoron de tiu recenzo kaj la redakcion de HEROLDO. La vero estas ke la artikolo de Blanke estas rimarkinda kaj meritas esti legata kaj relegata, ĉar ĝi akcentas la neceson de serioza teoria esplorado kaj la socian fonon de la L. I., fronte al la malĝusta aŭ eĉ tordita imago pri L. I., kiun ensorbis multaj homoj, esperantistoj kaj neesperantistoj.
„Fine ekblovas freŝa venteto . . ." skribis entuziasme malnova amiko. „Ekas scienca esperantismo", konkludas la recenzinto, A. Fernandez. Kion diri plu?
*BULGARA ESPERANTISTO* Nº 12/1971 publikigas menciindan frontartikolon sub la titolo: „Panoramo de la Esperanto-movado en Bulgario". Ĝi estas menciinda pro la riĉa kaj multflanka aktiveco de la bulgaraj esperantistoj, de la kursoj al al la diversaj kulturaj manifestacioj kune kun neesperantistaj organizaĵoj. Tia aktiveco certe estas valora kontribuo al la disvolviĝo de la bulgara kaj internacia Esperanto-movado. Ni tamen aparte menciu la senĉesan helpon de la bulgaraj esperantistoj al MEM kaj al la defendo de la paco, kaj ni notu i.a. grandan publikan kunvenon helpe al la popoloj de Hindoĉinio kaj defende al la juna usona patriotino Angela Davis, kiun organizis en Sofio la bulgara MEM-sekcio kune kun la Nacia Komitato por defendo de la Paco kaj la Urba Komitato de Patrolanda Fronto. Imitinda ekzemplo!
*DER ESPERANTIST* Nov./Dec. 1971 mencias „Vjetnaman Vesperon" organizitan de Rathenow-a grupo kaj publikigas germanlingvan artikolon pri la vjetnama-germana amikeco. Aparte interesa estas ankaŭ artikolo de V. Samodaj, Moskvo, pri „Utila renkontiĝo en Moskvo", kiun ĉeestis Nikola Aleksiev, prez. de MEM kaj BEA, kaj Rudi Graetz, prez. de CLR Esperanto de GDR, k.a.

– CR –

# Recenzo:

# Alberto Fernández:

**Senĝenaj dialogoj. Popularscienca esploro de fundamentaj demandoj. Stafeto La Laguna 1971/, 197 pĝ.**

Sciencaj traktatoj en Esperanto ne plu estas maloftaĵo sed tamen ne tro abundas. Popularscienca libro, kontraŭe, vere estas raraĵo. Famiĝis de E. Aisberg „Fine mi komprenas la radion", babilado pri la radio-tekniko, kiu tradukiĝis el la esperanta originalo en 12 lingvojn, aŭ de Paul Neegaard „La vivo de plantoj", ekskursoj en la naturon. Ankaŭ tiu libro aperis en kelkaj nacilingvaj eldonoj. Ni esperu la saman por „Senĝenoj dialogoj", ĉar Fernández prezentas fundamentan scion pri gravaj bazaj natursciencaj temoj, kaj tio laŭ unika maniero. En dialogoj, grandparte jam aperintaj en la revuo „Homo kaj kosmo", inter la klera avo Terano, la sprite petolema nepino Dubinja kaj la misterojn de la naturo scivolanta nepo Pensuto malnodiĝas en Greŝa, ja ege sprita kaj plaĉa lingvaĵo la misteroj de la evoluo de la vivo. Fakte A. Fernández enkondukas laŭ dialektika materiisma naturkompreno en bazajn demandojn de la natursciencoj. Temas pri natursciencaj kaj naturfilozofiaj problemoj kiel la gravito, la tempo, determinismo, materio, ekesto kaj evoluo de la vivo ĝis la apero de la homo kiel krono de la vivo.
La legado de tiu libro estas unika ĝuo, ĉar la spritaj dialogoj tute ne estas sekaj, kiel oni povus supozi legante la temojn. Dialogante pri la estigo, evoluo kaj la estonto de la homo Fernández senbaziĝas ĉiun kredon je superstiĉoj, metante la homon laŭ sia loko en la evoluprocezon de la naturo. La homo havas grandan respondecon pri si mem, por la pluekzisto de sia speco. Konsciiĝante pri la grandiozeco de sia propra esto homo sapiens stiros sian sorton mem en brilantan estontecon, konkludas Terano, kaj kun li ĉiu legonto.

D. Blanke

Detlev Blanke

# PRI NECESO KAJ UTILO DE INTERLINGVISTIKAJ ESPLOROJ

*Konsciante, ke pri la tuŝotaj problemoj regas diferencaj opinioj kaj substrekante, ke pro kontraŭdiroj ja ĉio evoluas, do ankaŭ la ideoj de l'aŭtoro, skizoforme, kvazaŭ teze estu pritraktataj kelkaj demandoj pri la neceso science esplori la perspektivojn de internacia lingvo (IL), t.e. en la nuna historia etapo Esperanto.*

## 1. Eliri de la socia realeco

Redukti la demandon de IL je hobia aŭ utopia movado estus same malĝuste kiel nur vidi en ĝi fenomenon interesa por la aktuala praktiko aŭ eble iun teorian lingvistikan problemon, tute flanka de la socia intereso.

En ĉiu kazo oni neglektus kaj la grandan gravecon de tiu problemo por la nuntempo kaj la estonto same kiel la eksterordinare grandan i.a. politike, ekonomie kaj lingvistike determinitan komplikecon de la disvastigo kaj ielgrade interŝtata oficiala enkonduko de IL.

Tial donas respondon nek la doktrino pri la lingva imperiismo, nek iuj modernigitaj homaranismaj ideologioj laŭ la formulo „Esperanto = internacia pacbatalo, humanismo progresema, kontraŭimperiismo" k.t.p. kontraŭe al la formulo „apliko aŭ agnosko de la grandaj naciaj lingvoj = naciismo, subteno de lingva imperiismo, reakcia" k.t.p. Similaj formuloj, renkonteblaj en la aktuala internacia Esperanto-movado estas nedialektikaj, mekanismaj kaj ne konsideras la realecon.

Prijuĝante la neceson, celon kaj perspektivon de IL oni devas absolute ĉiam eliri de la konkretaj sociaj kondiĉoj, ties evoluleĝoj kaj ŝanĝoj, substrekante la aktivan rolon de la homo en tiuj procezoj.

Ĝenerale agnoskatas, ke la lingvo estas socia fenomeno, plenumanta en konkreta socio konkretajn taskojn, evoluanta kune kun la socio kaj kompreneble ŝanĝiĝanta ankaŭ laŭ sia socia pozicio (graveco, disvasteco, funkcio k.t.p.) depende de la historiaj kondiĉoj. Tial la pozicioj de la angla, franca kaj aliaj lingvoj estas historie kondiĉitaj same kiel ilia internacia signifo, sendepende de tio ĉu la nacioj libervole aŭ sub bajoneta premo akceptis la anglan aŭ la francan ekzemple kiel la ekskolonioj. Same historie motivita estas la aktuala signifo de la rusa, kiel lingvo de la unua kaj plej signifa socialisma ŝtato. Estus absolute malĝuste, tamen, kompari lingvopolitike la rolon de la rusa kun la angla aŭ aliaj grandlingvoj. Ne vidi tion kaj prediki opozicion kontraŭ tiuj lingvoj, ofertante Esperanton kiel „samrajtigilo" de la naciaj lingvoj estas, sub la nunaj sociaj mondpolitikaj kondiĉoj, tutsimple ridinda nerealismo, kiu ne kontribuos al la serioza takso de la Esperanto-movado en neesperantistaj medioj. Plenan internacian samrajtecon de la naciaj lingvoj hodiaŭ jam sole ja baras la fakto, ke la agresiva kaj militanta imperiismo, ĉepinte USONO, ankoraŭ kontraŭas la plenan realigon de la principoj de la paca kunekzistado. Sub la premo de la tri ĉefaj revoluciaj fortoj, la socialisma ŝtataro, la komunisma kaj laborista mondmovado kaj la junaj sendependiĝantaj naciaj ŝtatoj, la monda situacio paŝpostpaŝe ŝanĝiĝas favore al samrajta kaj efika paca kunlaboro de la popoloj. Tamen, por plene tion atingi necesas ankoraŭ longa, komplika batalo. Ĉu do oni lasu la demandon de IL, kaj atendu, kio finfine al ni alportos la evoluo? Tio estus pura mekanikismo kaj plena ignoro de la necesa, aktiva rolo de la homo en la socia evoluo, kiu, sciante la leĝojn de ĝi, per sia konscia, plena kaj reguliga agado kondiĉigas la efikadon de tiuj leĝoj. La nuntempa funkciado de IL, notinde Esperanto, havas gravan signifon jam hodiaŭ, ankaŭ se la politikaj kaj aliaj sociaj kondiĉoj (komp. 3) ankoraŭ ne favoras ŝtatan enkondukon.

## 2. La nuntempa IL-movado – signifa por la perspektivo

Pli ol 80 jarojn funkcias la planlingvo Esperanto en multaj sferoj de la internacia komunikado. Eĉ se la nunaj sociaj kondiĉoj ne favorigas oficialan enkondukon de Esperanto, estas tamen gravaj kaŭzoj ĝin flegi, evoluigi kaj vaste praktiki. Kial? *Unue* ni scias, ke ĉiam denove estas diskutata la ideologia profilo de tiuj praktikaj aktivecoj. Ĉu esti neŭtrala aŭ ne. Ne detaligante, ke neŭtraleco objektive ne ekzistas, *la plej granda servo por la perspektivo de IL estas, kunkrei tiujn kondiĉojn sociajn, en kiuj la plena enkonduko kaj uzo de IL estas realigebla. Tio estas mondo, en kiu la principoj de la paca kunvivado estas agnoskataj kaj sekvataj.* Krome Esperanto jam hodiaŭ donas sendube multajn praktikajn utilojn. Tio sole plene motivigus sian

pluan ekzistorajton. **Due** *la praktika uzo kaj disvastiĝo de Esperanto, ĝia ĉiuflanka apliko, estas kondiĉo de sia propra evoluo.* **Trie** *la praktika uzo liveras pruvojn por la utileco de IL.* **Kvare,** *el tio sekvas, ke la ekzistantaj praktikaj spertoj el pli ol 80 jaroj povas kaj devas esti ĝisfunde studataj por povi ekzakte prijuĝi la jam atingitajn sukcesojn, la limojn kaj la eblecojn de IL sub la (aliaj!) sociaj kondiĉoj de la estonto.* Sed kial tion studi? Ŝablona transimago de la nunaj sociaj kondiĉoj en la estonton bedaŭrinde kreis ĉe multaj esperantistoj la konvinkon, ke rilate la estonto de IL ĉio estas absolute klara, nur necesas adopti ĝin, por havi la „finan venkon".

Sed la nuntempa internacia uzo de Esperanto ja estas, kompare al la eblecoj de la estonto, absolute bagatela. Tion oni ne forgesu. La demandoj de la lingvoreguligo, kreo de novaj fakterminoj kaj aliaj problemoj havos sub la kondiĉoj de plena aŭ parta oficiala interŝtata uzo tute aliajn dimensiojn. Tio devas esti konsiderata.

### 3. Du ekstremoj – kaj la fakta situacio

Malĝusta pritaksado de la realaj eblecoj kaj limoj de IL sub la nunaj internaciaj kondiĉoj kondukis al du ekstremoj en la prijuĝo de la aktuala situacio kaj la perspektivoj de IL:

- pesimismo pro la foresto de oficialaj gravaj ŝtataj aŭ internaciorganizaj rekonoj aŭ adoptoj;
- plena supertakso de la aktualaj ŝancoj de IL esti enkondukota ekzemple en la (okcident)-eŭropa ekonomia merkato, en Unuiĝintaj Nacioj kaj simile.

Ambaŭ pritaksoj malĝustas.

Ne necesas pesimismi, ĉar la deziroj preterrapidis la realajn eblecojn. En mondo, kie furiozas militoj, kie pli ol duono de la homaro malsatas, multaj ŝtatoj nur nun liberiĝis el sub la imperiisma jugo aŭ batalas por tiu celo, mem ne havante unuecan nacian lingvon (vidu la situacion en afriko[1]) aŭ, se ĝin havante, ankoraŭ ne venkis la analfabetecon, en tiu mondo, kie la danĝero de mondmilito apokalipsa plue minacas la ekzistadon de l'homaro, en tiu mondo vere mankas la kondiĉoj solvi per internaciaj konvencioj tion komplikan problemon, komplika el politikaj, ekonomiaj kaj aliaj vidpunktoj, kia estas la enkonduko de IL, konkrete de Esperanto.

Same malutilas rozkolora supertaksado de la ŝancoj aktualaj de IL kaj ridinda „finvenkismo", ĉar, kiel montrite, la internacia situacio nek nun kaj certe nek por la sekvantaj jaroj permesus enkondukon de IL.

En ĉi kunligo oni povas observi certan saturiĝon aŭ stagnon en la disvastiĝo de Esperanto en kelkaj ŝtatoj, kie ja ekzistas larĝa movado, radio-dissendoj, sukcesoj en lernejoj, kongresoj, eldonaj aktivecoj k.s. Aliaj landoj, pro historiaj kaj nacispecifaj kaŭzoj, laŭ kvanto kaj ofte laŭ kvalito ankoraŭ ne atingis tiun gradon. Kio estas la kaŭzoj por tiu fenomeno? Por atingi pli altan kvaliton, esence novan ŝtupon, *ekzemple partan oficialan enkondukon en interŝtataj rilatoj,* mankas la sociaj kondiĉoj.

Neniu ŝtato ja decidus tiun gravan, streĉojn kaj monon postulantan kazon, la adopton de IL por internaciaj rilatoj, kun ĉiuj konsekvencoj, se ne estas tute certe:

a) *ke en aliaj landoj maturiĝis similaj decidoj, ebligontaj la realan internacian aplikon de IL;*

b) *ke la ekzistanta, multflanka kaj ekzakta scienca materialo, la prognozoj kaj la internaciaj evolutendencoj nerefuteble pruvas la ĝustecon, la avantaĝon, ja la nepran neceson, de tiu decido.*

Por tiuj altaj ŝtataj decidoj neniel videbliĝas iuj signoj. Kaj se akademioj kaj ŝtataj instancoj alvokus al profunda kaj ĉiuflanka ekzameno de la IL-problemo, *mankus en premega grado seriozaj sciencaj verkoj.* Multo estis jam verkita, en tre diferenca scienca nivelo kaj kvalito, sed ĉio ekzistanta pri interlingvistiko kaj esperantologio estas nur guto en maro. Nek *Wüster*[2], nek *Manders*[3] aŭ *Waringhien*[4] trovis en sufiĉa kvanto sciencajn posteulojn aŭ samtempulojn. Eldoniĝas preskaŭ ĉio ajn en Esperanto, sed revuoj kiel *„La monda lingvo problemo"*[5] kaj *„Esperantologio"*[6] jam baraktas kun financaj malfaciloj ek de la apero aŭ aperas nur kun multjaraj intervaloj. *Doktorajn disertaĵojn* pri la IL-problemo aŭ pli ampleksajn studaĵojn oni povas dekfingre kalkuli.

Nek ekzistas sufiĉa *bibliografia servo,* kvankam klopodas *„Fokuso"*[7], nek *dokumenta servo* alirebla por interesitoj. Por ne paroli pri la dissemiteco kaj *preskaŭa neretrovebleco de multaj valoraj studoj,* kiel *Manders* grave akcentas[8]. Institute estas prilaborataj la sciencaj aspektoj de IL ekz. en la socialisma ŝtataro nur en Soveta Unio, ĉe la *Akademio de la Sciencoj*[9], kaj en Hungario, ĉe la *Universitato en Budapest.*[10]

Ĉiuj aliaj klopodoj kaj aktivetoj ja meritas laŭdojn, se ili ekzistas, sed neniel povas sufiĉi.

Tamen estas malĝuste, konkludi senesperigan situacion. Laŭ kvanto kaj kvalito. plimultiĝas en la lasta tempo interlingvistikaj verkoj, studoj kaj traktatoj en la naciaj lingvoj. Sciencistoj pli kaj pli ofte konfrontiĝas kun la problemo kaj sekvoj de la „informeksplodo", la informperdo, la internacia lingva problemo[11], kvankam nur malofte montrante realan solvon.

### 4. La socia evoluo postulas esplorojn

Tiuj, kiuj volas decidi pri proksimaj paŝoj kaj ne interesiĝas pri la science bazigebla perspektivo de la decidata afero, montras nedialektikan kaj nesciencan sintenon. De la kompreno pri la perspektivo dependas la unuopaj nuntempaj paŝoj kaj decidoj. Kaj tiuj siavice influas la perspektivon. Dialektiko! Certe ankaŭ ekzistas tiuj esperantistoj, kiuj asertas, ke ne necesas esplori la problemon de IL kaj ĝian perspektivon, ĉar ĉio ja estas, laŭ ili, tute klara kaj evidenta. Tiuj komprenu, ke tie ne plu sufiĉas esti pri io konvinkita, kie sciencaj argumentoj kaj politikaj konsideroj decidas. Speciale favoraj historiaj kondiĉoj, la akcela juĝo de eminentuloj k.s. povas en iuj landoj ege favori la evoluon kaj kreskon de la esperantomovado, same kiel la kontraŭo povas malhelpi, sed por decidoj en la montritaj dimensioj (kp. 3) tio ne sufiĉos por la estonto kaj ne eltenos ekzaktajn esplorojn.

**Kial necesas ampleksaj interlingvistikaj studoj en la nuntempo?** Jen kelkaj kaŭzoj:

a) Nia tempo estas karakterizita de la kreskanta influo de la socialismo en mondskalo kaj la paŝpostpaŝa brido de la militagresa imperiismo. La objektivaj kondiĉoj por la solvo de gravaj internaciaj problemoj pli kaj pli maturiĝas (forigo de la militdanĝero, analfabeteco; nutraĵo por ĉiuj, gardo de la naturo k.s.). Tio signifas ankaŭ, ke kreiĝas pli bonaj kondiĉoj por la plisimpligo de la internacia lingva komunikado kaj kreo de necesaj interŝtataj konvencioj ĉirilate.

   La daŭre pliakceliĝanta evoluo de la produktivaj fortoj kreas i.a. la problemon de la troa oferto da informoj kun samtempa informa deficito. Tio situacio paradoksa kaŭziĝas pro la preskaŭ ne plu superrigardebla informeksplodo en multaj lingvoj kaj la fakto, ke tiuj sciencistoj, kiuj bezonus la informojn, ofte ne atingas ilin pro la ekspluatenda kvantego kaj la pligrandiĝanta multlingveco de tiuj informoj. La kvoto de la neracie elspezita spirita laboro ege kreskas. Multaj inventoj estas plurfoje faritaj pro la nescio pri la jam en alia ŝtato atingitaj rezultoj[12].

   *Kombino de aŭtomata tradukado kaj apliko de IL estus sendube raciigo en tiu ĉi sfero.* Neeblas en niaj jardekoj ne vidi tiun evoluon kaj lasi ĉion al niaj posteuloj.

b) Plue la decide pli kaj pli intimiĝanta kunlaboro inter la ŝtatoj, la sistema plifaciligo de la personaj kontaktoj, certe ĵetos favoran lumon pri la utilo de IL, sen iel subtaksi la gravecon de la naciaj lingvoj.

c) Ne laste estu menciite, ke esploro pri IL havas eminentan teorian valoron por la lingvoscienco. Problemoj de la konscia lingvoplanado[13], la funkcio de lingvo, demandoj de semantiko, rilatoj inter logiko kaj lingvo-uzo k.s. estas studeblaj sub novaj vidpunktoj, kun spertoj de la apliko de planlingvo. Pri tio sovetaj aŭtoroj en ampleksaj studoj atentigis (kp.

fontoj 36/37). Same gravaj estas esploroj, kiomgrade la scio de Esperanto influas pozitive la lernadon de aliaj fremdaj lingvoj. Interesajn ekzaktajn rezultojn oni povas eventuale atendi de la aktuale okazanta instrueksperimento samtempa en elektitaj lernejoj de Hungario, Bulgario, Jugoslavio, Italio kaj Aŭstrio[14]. Ekzistas neniuj kaŭzoj, ne komenci seriozajn esplorojn pri IL ĝenerale kaj speciale pri Esperanto sub la menciitaj kaj aliaj aspektoj.

### 5. La difino de interlingvistiko

Videbliĝis el la prezento de la problemoj, ke problemo de IL, sendepende de la konkreta solvo, estas en unua vico socie determinita (politike, ekonomie k.t.p.) kaj nur en dua vico lingvistika problemo. Tamen, se Marx/Engels skribas en „Germana Ideologio", ke „la individuoj siavice prenos ankaŭ tiun produkton de sia specio (t.e. la lingvo – D. B.) sub sia kontrolo, kompreniĝas per si mem"[15], videbliĝas, ke oni devas pli kaj pli aktive rilati al la fenomeno lingvo, ĝin prilabori, pliperfektigi, altigi, ĝian efikecon en la interhoma komunikado. En tiu rilato ankaŭ la lingvistika vidpunkto akiras pli da signifo. Pri la *teorio de la lingva planado* amplekse raportas Tauli[16]. *Sed tamen decidaj ĉiam restas la socipolitikaj faktoroj.* Se estas tiel, tiam interlingvistiko estas sendube interdisciplina kaj tre kompleksa scienco. Redukti ĝin al pure lingvistika, priskriba aŭ kreiva scienco signifas ignori la socipolitikan determinitecon de la problemo.

Ne estas loko ĉi-tie skize citi kaj kompari la pli ol 20 troveblajn difinojn de interlingvistiko. Ekzistas kvin ĉefgrupoj:

a) *La selekta-lingvo-kreivaj difinoj*, kiuj baziĝas je la difino de *Jespersen*[17]. Laŭ ili interlingvistiko estas *kompara lingvoscienco kun la celo krei optimuman internacian lingvon.* La difinoj i.a. de *Pei*[18], en *Webster's Dictionary*[19], de *Tauli*[20], *Manders*[21], en *Meyers Neues Lexikon*[22] apartenas al tiu grupo.
b) *La kompara-priskribaj difinoj* reduktiĝas je la *kompara priskribo de la jam ekzistantaj planlingvoj*, ties historio evoluo. Al tiu grupo apartenas i.a. la difinoj de *Monnerot-Dumaine*[23], *Ölberg*[24], *Haupenthal*[25], en *„Fremdwörterbuch"* de GDR (2-a difino)[26].
c) Plue plimalgranda grupo da difinoj propre uzas la terminon interlingvistiko por diversaj *specoj de kompara lingvistiko*, i.a. „Fremdwörterbuch" (1-a difino)[26] kaj laste M. Wandruszka[27].
d) Iom nekutiman difinon donas I. Szerdahelyi. ĉe kiu interlingvistiko devas *„science demonstri ke Esperanto – kaj teorie kaj praktike – taŭgas solvi la problemon de interkomunikada lingvo"*.[28]
e) Provo kompreni interlingvistikon kiel *kompleksa, socie kaj lingvistike determinitan sciencon* ni trovas unue ĉe *A. Bormann*[29] kaj, laŭ tiu modelo ankaŭ en „Plena Ilustrita Vortaro": *„Interlingvistiko. Scienco, kiu esploras la kondiĉojn sociologiajn, kulturajn kaj lingvistikajn de komuna norma lingvo uzota en la internaciaj rilatoj"*[30].

*Haupenthal* en lasttempa studo[31] provas kunigi a) + b). Jam el la multeco de la difinoj klare videblas, kiel naive estas kredi, ke ĉiuj homoj aŭtomate devas sampensi, kiel multaj honestaj esperantistoj postulas, kaj sendube sekvi ties imagojn pri la fina venko. Ĝuste tiuj rondoj, kiuj decidas pri la sorto de IL, inter si malsamopinias. Kiel pritaksi la difinojn? Ili ĉiuj estas tro malkompleksaj, kvankam grupo e) havas la plej realan, ĉar dialektikan, kernon. Difinante interlingvistikon oni devas niaopinie konsideri, ke *la situacio postulas larĝan, ne tro malvastan komprenon, por aktivigi kaj unuigi multajn sciencistojn alfronti kaj solvi la problemon de IL.* Certe la difino prezentata evoluos, pliprecizigos. Kaj ĉar ne eblas ignori la evoluon kaj la sukcesojn de Esperanto, interlingvistiko devas okupiĝi en alta grado pri Esperanto, sed ne ekskluzive. Sekvante la teorion de la lingva planado[13] (aŭ kreado) oni trovos multajn principojn jam realigitajn en Esperanto. Sed la scienca objektiveco postulas por la komenco teorie permesi ĉiujn eblecojn.

La esploroj mem kondukos al paŝpostpaŝa alproksimiĝo de la unuopaj opinioj. La difino devas klare formuli la celon kaj tamen ne sin limigi je unu sola vojo atingi ĝin. Ni tial proponas novan difinon kaj diferencigas inter *ĝenerala* kaj *speciala interlingvistikoj*:

*La ĝenerala interlingvistiko estas interdisciplina scienco, kiu esploras la kompleksan problemon de la raciigo de internacia lingva komunikado en sia socia (t.e. politika, ekonomia k.s.) kaj lingvistika determiniteco kaj klopodas optimume solvi ĝin. La ĝenerala interlingvistiko mezurtakse prijuĝas la rezultojn ĉe la kreo de internaciaj planlingvoj kaj ties praktikaj aplikoj, esplorante ilin je uzeblo por optimuma internacia lingva komunikado. Elirante de la rezultoj de tiuj uzeblo-esploroj la ĝenerala interlingvistiko aŭ ellaboras novan planlingvon aŭ motivigas science ekzakte la eblecon de la apliko de iu el la jam elprovitaj.* Kaj sekve oni povas difini la specialan interlingvistikon jene:

*La speciala interlingvistiko estas interdisciplina scienco, kiu esploras la strukturon, la evoluon kaj la praktikan aplikon de jam reale funkcianta internacia planlingvo.*

Sub„apliko" ni komprenas ĉion, de la historio ĝis la literaturo kaj instruado de la lingvo.

### 6. La difino de esperantologio

Esperanto estas pro diversaj kaŭzoj[32], ne nur pro lingva kvalito, la sola, pli ol 80 jarojn en la praktiko vaste aplikata planlingvo. Necesas ĝin priskribi kaj en sia evoluo (diakrone) kaj kiel aktuale funkcianta lingvo (sinkrone). Estas la demando, ĉu la esperantologio nur estu *konstata, priskriba scienco*, kiel postulas *Manders*[33], aŭ ankaŭ *norma, plana* scienco, kiel ĉe *Wüster*[34] kaj *Neegaard*[35]. Plue, ĉu ĝi nur pritraktu la *pure filologian flankon* aŭ ankaŭ la *historion, literaturon, movadon, instruadon* k.t.p.? Lingvo estas gravega socia instrumento kaj kiel tia respeguligas en si la socian evoluon. En la Marx/Engels-a senco (kp. 5, fonto 15) oni devas forlasi ĉiun romantikisman, mistikan aŭ pasivan rilaton al tiu instrumento. La homo eĉ devas daŭre pliperfektigi, plani, normi la lingvon. Speciale en la nuna etapo de la evoluo de Esperanto gravas la gardo de la stabileco kaj laŭfundamenteco. Tion devas konsideri la esperantologio same kiel la esploron de la faktoroj, kiuj evoluigas la lingvon. Tial oni povus difini esperantologion, proksime al Wüster[34] kaj Neegaard[35]: *La esperantologio estas, kiel konkreta formo de speciala interlingvistiko, interdisciplina scienco, kiu esploras la strukturon, la evoluon kaj la praktikan aplikon de la planlingvo Esperanto, iniciatita 1887 de L. L. Zamenhof, kaj klopodas kontribui al la gardo de kontinua unueca evoluo de tiu lingvo surbaze de ĝia listemdokumento („fundamento de Esperanto").* El tio videbliĝas, ke esperantologio estas branĉo de interlingvistiko, pli precize, speco de speciala interlingvistiko.

Eble kelkiuj demandos, kial okupiĝi pri tiuj sciencaj aspektoj. La praktika apliko de Esperanto ankaŭ eblas sen tio. Jes kaj ne. Jes, se oni rigardas la praktikan aplikon de Esperanto kaj ties estonton laŭ pure individuisma vidpunkto, neniel interesiĝante pri eblaj, dezirindaj aŭ eĉ necesaj ŝanĝiĝantaj dimensioj en la servo de la homa progreso, en la servo de socialisma socio. Sed, se oni komprenas la dialektikon inter praktiko kaj teorio, la objektivan neceson de la raciigo de la internacia lingva komunikado tiam necesas sobraj konsideroj kaj malutilas mekanika praktikismo.

### 7. Kiujn taskojn plej urĝe komenci?

Ne eblas ĉi-tie detaligi la multajn interlingvistikajn kaj esperantologiajn problemojn, pri multo donas valoregajn ideojn O. S. Aĥmanova / E. A. Bokarev[36], V. P. Grigorjev[37] kaj aliaj aŭtoroj. Estu menciitaj nur jenaj ĉefaj taskoj, plej necesaj al solvo:

a) La sistema kolektado, prilaboro kaj publikigo aŭ disponebla arkivigo de la ampleksega sed tre disigita aŭ preskaŭ neplu retrovebla interlin-

gvistika kaj esperantologia materialo. Tio kompreneble validas por la materialo *pri* kaj *en* ĉiuj planlingvoj. Dokumentoj-arkivoj estu instalataj en konvenaj centroj, kiuj per fotoreproduktaĵoj ekspluateblu por interesitoj.

b) En kunligo kun a) necesas ellaboro kaj daŭra fidinda kompletigo de bibliografioj. Laŭdindaj estas la komencoj de Neergaard en „Esperantologio"[6] kaj de E. Vibbog en „Fokuso"[7].

c) Kolektado, organizado, celkonforma aktivigo kaj kunlaboro de interlingvistoj kaj esperantologoj estas nepra postulo. Ili estu la instigaj grupoj en la nacia skalo por interesigi akademiojn kaj universitatojn pri sistema esploro en interlingvistiko. La laboro, nur enfermita en la planlingva movado, ne sufiĉas.

Sistema kunlaboro internacia, estu la sekva.

Speciale gravas, ke en naciaj fakrevuoj estu publicitaj seriozaj kaj valoraj kontribuoj pri interlingvistiko kaj esperantologio. Trarigardo de la lingvistika bibliografio donis interesan, ne tro malabundan rezulton.

En la universitatoj oni prezentu sciencajn studojn kaj disertaciojn. Kaj multo alia estus farenda. Ne morgaŭ sed nun! Ĉar, por parafrazi Zamenhof, ne sufiĉas montri planlingvon praktike taŭga, oni devas ankaŭ science klarigi kial ĝi funkcias kaj sub ŝanĝiĝantaj kondiĉoj funkcios. Nur tiam oni estos ekipita kaj preparita por la estontaj taskoj.

## 8. Kiel komenci

La prezentita skizo estas alvoko al tuja komenco. Sed kiel? Necesas *unue*, ke oni ellaboru fidindan kartotekon aŭ sliparon de interlingvistoj kaj esperantologoj kun indiko de la jam faritaj laboroj, preparataj disertaĵoj, specialecoj k.t.p.

Tiu materialo estu je la dispono de ĉiu serioze interesita. Ĝi povus esti bazo por „internacia societo de interlingvistoj kaj esperantologoj". Eble ne necesus fondi novan asocion sed doni al la Ligo de Esperantistaj-Filologoj novan dimension. Kompreneble la kunlaboro kun seriozaj nefanatikaj reprezentantoj de IDO, Interlingue kaj Interlingua ne nur estas dezirinda, ĝi estas sendube necesa. Plue estas grave, ke en ĉiu lando la formiĝantaj interlingvistikaj grupoj nepre ellaboru bibliografiojn pri ĉio jam ĝis nun en la respektiva nacia lingvo aperinta materialo. Ĝi estas daŭre kompletigenda kaj povas servi por „Centra interlingvistika bibliografia servo". Tio servo, eble ĉe CED, kompilu bibliografian sliparon kun indikoj pri la enhavo de la koncernaj studoj kaj disertaĵoj.

Tiu slipara servo estu abonebla. En „La Monda Lingvo Problemo", Scienca Revuo kaj aliaj seriozaj periodaĵoj trovu lokon interlingvistikaj paĝoj kun la plej necesaj kaj aktualaj informoj.

## 9. Notoj kaj fontoj


1 Kp. – UNESCO-Kurier, Paris, 5/66, pĝ. 35; 10/69, pĝ. 34;
– Languages in Afrika, (J. Spencer), Cambridge Univ. Press, 1963
– La Monda Lingvo Problemo, Den Haag, 4, pĝ. 21–37, 55 . . .

2 – Wüster, Eugen: Internationale Sprachnormung in der Technik, Bonn 1966
– Wüster, Eugen: Enciklopedia vortaro Esperanta/Germana, Leipzig 1923

3 Manders, W. J. A.: Vijf Kunsttalen, vergelijkend onderzoek naar de waarde van het Volapük, Esperanto, Ido, Occidental en Novial (Doktora disertacio), Purmerend (Nederlando) 1947, 386 pĝ. (en nederlanda lingvo)

4 Waringhien, Gaston: Lingvo kaj Vivo, esperantologiaj eseoj. La Laguna, STAFETO, 1959

5 La Monda Lingva Problemo, socia, lingvistika, politika, jura, psikologia, ekonomika, fakrevuo ekde 1966, Den Haag, Mouton.

6 „Esperantologio", Internacia revuo por la lingvistiko kaj bibliografio de Esperanto, Vol. I, 1949/1955, Vol. II, nr. 1, Nov. 1959, Nr. 2 Julio 1961, Copenhagen, ŝajne ne plu aperadanta.

7 „Fokuso", interlingvistika cirkulero, ekde 1967, ĝis fino 1971 aperis 8 numeroj, riĉa bibliografio. (Dr. E. Vilborg, Prästgårdsängen 23, S-41271 Göteborg, Svedio)

8 Manders, W. J. A.: Interlingvistiko kaj Esperantologio, Purmerend, 1950, pĝ. 6

9 Kp. G. Korotkieviĉ en „Moscow News", Moskow, 20. April 1968, 2-a paĝo („Esperanto in the USSR")

10 Internacia pedagogia Revuo, Nürnberg 1970, n-ro 1, pĝ. 25–30, Eldonejo Ludwig Pickel

11 – „Scientific and Technical Translation", UNESCO, Genf, 1958
– Bernal, J.: „Die Wissenschaft in der Geschichte", Berlin 1961
– Berg, A. / Armand, D. / Bokarev, E.: 64 lingvoj kaj ankoraŭ unu" (en rusa lingvo) „Literaturnaja gazeta", Moskvo, N-ro 35 (28. 8. 1968)
– Dobrov, G. M.: „Wissenschaftswissenschaft", Akademieverlag, Berlin 1970, pĝ. 30–62, 154–156
– Michajlov, A. J. / Giljarevskij, R. S.: „Informatik" 1, Staatsverlag der DDR, Berlin 1970, pĝ. 21–27
– Svadost, E.: „Kak vozniknet vseobŝĉij jazyk?" Moskau, Nauka, 1968 (285 pĝ.), speciale pĝ. 6–75
– Makking, G. F.: „Das Sprachenproblem und die WFW", en „Wissenschaftliche Welt", Berlin 1961, N-ro 2

12 Kp. Svadost, pĝ. (fonto 11), pĝ. 31

13 plej komplekse pri tio Valter Tauli: Introduction to a theory of language planning. Uppsala 1968, Acta universitatis upsaliensis, 227 pĝ., riĉega bibliografio, nemalhavebla por interlingvisto.

14 Kp. Internacia Pedagogia Revuo, Nürnberg 1971, n-ro 1, pĝ. 21–24

15 K. Marx / F. Engels: Die deutsche Ideologie, Bücherei des Marxismus/Leninismus, Bd. 29, Dietz, Berlin 1960, pĝ. 448

16 Kp. fonto 13

17 Jespersen, O.: A new science: Interlinguistics, Cambridge 1930

18 – Pei, M.: Glossary of Linguistic Terminology, New York 1966, pĝ. 128

19 Webster's Third new international dictionary of the English language unabridged, Springfield, Massachusetts 1964, pĝ. 1179

20 Tauli (fonto 13), pĝ. 167

21 Manders (fonto 8), pĝ. 3

22 Meyers Neues Lexikon, Leipzig, Vol. 4, 1962, pĝ. 390

23 Monnerot-Dumaine, M.: Précis d'interlinguistique, Paris 1960, pĝ. 9/10

24 Ölberg, H.: Zur Grundlegung der Interlinguistik, en Ammann Festgabe, II. Teil, pĝ. 65, Innsbrucker Beiträge zur Kulturwissenschaft, 2. Band, Innsbruck 1954

25 Haupenthal, R.: Enkonduko en la librosciencon de Esperanto, Nürnberg 1968, pĝ. 29

26 Fremdwörterbuch, VEB Bibliographisches Institut, Leipzig 1966, pĝ. 304

27 Wandruszka, Mario, Interlinguistik: Umrisse einer neuen Sprachwissenschaft, München, pĝ. 10

28 Szerdahelyi, I.: Interlingvistiko. Celo, Objekto, Metodo en Norda Prismo 11 (1965), pĝ. 150–151, Boros, Svedio

29 Bormann, Artur: Grundzüge der Interlinguistik, en „Sprachforum", revuo, 3 (1959/60), pĝ. 14–25, Köln/Graz

30 Plena Ilustrita Vortaro de Esperanto, SAT, Paris 1970

31 Haupenthal, R.: Was ist und zu welchem Zweck betreibt man Interlinguistik? en Linguistische Berichte, 15/1971, Braunschweig, pĝ. 48–52

32 Kp. Blanke: GDR-Paco (4) 1971, pĝ. 34

33 Manders, W. J. A.: fonto 8, pĝ. 4

34 Wüster, E.: La terminoj „esperantologio" kaj „interlingvistiko" en Esperantologio, Vol. I, 209–214, (1949/55), Copenhagen

35 Neergaard, P.: La esperantologio kaj ties disciplinoj en „Tra densa mallumo", Kopenhago 1942

36 O. S. Aĥmanova / E. A. Bokarev: Mezdunarodnyi uspomogatelnyi Jazyk Kak lingvistiĉeskaja problema, en Voprosy jazykoznanija 6/56, pĝ. 65/78, Moskva

37 V. P. Grigorjev: O nekotorych voprosach interlingvistiki, en Voprosy jazykoznanija 1/66, pĝ. 37–46, Moskva


Detlev Blanke – CR –

---

# EPIGRAMOJ

## de R. Dobrzynski

### Alvoko al la konkreta laboro

Ni sidas sentaŭge, sensence rezonas.
Forlasu ĉi tiun rondeton elitan!
La fortojn pli junajn movado bezonas.
Ni iru la vojon ĉelitan!

### Ĉu eblas

Ĉu eblas danci kun ĉapelo?
Ĉu eblas vivi sen viskio?
Ĉu eblas lerni dudek lingvojn?
Jes, eblas – sed por kio?

### Al la plumamiko

Vi kun bona versverkado,
Malgraŭ famo kaj rutino,
Havas tiom da komuna,
Kiom puto kun putino.

# Sándor Petöfi - poeto de libero kaj amo


Foto: Zentralbild

**Petöfi, Sándor: Libero kaj amo; poemoj elektitaj el la hungara tradukis: Kálman Kalocsay, Libroeldonejo Corvina, Budapest 1970, 260 pĝ, 10,2 × 19 cm, bindita. Prezo 2,50 $**

Jaron antaŭ la 80-a vivojubileo de Kálmán Kalocsay estis publicitaj kelkaj liaj eminentaj tradukoj, „Kantoj kaj romancoj" de Heinriĥ Heine (kune kun G. Waringhien), „La tempesto" de Shakespeare kaj de Sándor Petöfi „Libero kaj amo", elekto el la poemaro de la granda hungara nacia poeto, kies verko kompareblas kun tiu de Heine.
Sándor Petöfi (1823–1849), filo de buĉisto kaj de servistino, mortinta nur 26-jara en liberigbatalo estas elstara figuro de la mondliteraturo. Modelo por progresistaj sociaj kaj literaturaj movadoj, li vidis en la popoleska poezio kaj batalo por la liberigo de sia nacio nemalligeblan unuecon. Liaj poemoj estas tradukitaj en plej multaj lingvoj kaj cetere, vivaj ankaŭ hodiaŭ. Kompreneblas ja, ke hungaraj esperantistoj plurfoje ek- kaj retradukis poemojn de sia nacia poeto. Sed, kiel tiel ofte, la finpunkton metis Kálmán Kalocsay. Arttraduka giganto. Mi ne konas la hungaran lingvon, tial neniom povas diri pri la originalo kaj la fideleco de la traduko. Sed mi konatiĝis pere de tiu traduko kun poeto antaŭe al mi nekonata, kies poeziriĉo ebligas al ni iom trapordi en la hungaran mentalecon kaj historion.
Por Petöfi, la popola poeto, poezio ne estas iu elita eksterreala mondo. Ame li priskribas la homon kaj sian patrolandon ekzemple en „La ebeno" (pĝ. 34):

*Sur marplata region' Ebena*
*estas mia mondo, hejmpejzaĝo,*
*ĝin vidante, la animo estas*
*aglo eskapinta el la kaĝo . . .*

*La galopa kur' de ĉevalaroj*
*muĝas en la vento, hufoj plaŭdas,*
*ĉevalistajn kriojn kaj la klakon*
*de la laŭtaj vipoj oni aŭdas . . .*

*Tien venas el kanej' proksima*
*ĉe krepusko svarm' sovaĝansera;*
*se moviĝas kano en la vento,*
*time fuĝas tra la voj' aera. . . .*

Simpleco, klaro kaj vivproksimeco karakterizas lian verkon. Forta estas lia ligiteco al la subpremata popolo. En 1844 aperis la fabela epopeo pri hungara kamparana heroo, „Johano la brava". En pli ol 350 4-versaj strofoj rakontatas popolfabele la heroaj, fantaziaj aventuroj de al amo kaj libero soifanta Janĉi Kukorica. Pro tiu versrakonto la siatempaj kritikistoj tre atakis la poeton pro la „primitiva" stilo kaj enhavo. Sed ja estis la parolo de la popolo, kiun ili atakis. En „La sovaĝplumo" (pĝ. 87) Petöfi donas akran respondon:

*Ĉu alboji, ĉu ekmordi*
*min, hundaĉoj, vi arogas?*
*Oston ĵetos mi algorĝe,*
*tian, ke ĝi vin sufokas!*
*Tondu ja kadukajn plantojn,*
*kiujn ŝirmas vitra mur',*
*sed mi estas sovaĝfloro*
*en senlimo de l'natur! . . .*

En multaj poemoj de la juna poeto, ni kompreneble ankaŭ trovas amsuferon, pesimismon, melankoliajn sentojn, sed la kamparana ribelo 1846 en Galicio, la studo de la franca revolucio kaj la konatiĝo kun sia estonta edzino, al kiu li en „Fine de septembro" (pĝ. 159) dediĉis tre belan ampoemon, ĉio ĉi helpis venki tiun krizon.
La poemoj iĝis pli kaj pli popoleskaj, patriotaj. En „Miaj kantoj" (pĝ. 117/118) li demandas:

*Sed kial ĉi sklavpopol' toleras,*
*kial ĉenon rompi ne ribelas?*
*Ĉu atendas, ke per graco Dia*
*rust' formordos ĝin de mano ĝia?*
*Miaj kantoj estas en ĉi horo*
*fulmofrapoj de kolera koro.*

Sed Petöfi ne nur estis kantisto de la revolucio (ni tuj pensas pri H. Heine), li aktive partoprenis organize, ja eĉ batale, tiel perdinte la junan vivon. En marto 1848 li estis unu el la organizintoj de la revolucio en Pest kaj la entuziasmiga kaj tre efika heroldo de la pleba alo en la liberiga batalo. Tre rapide li reagis je politikaj eventoj. Ni aŭdas lian vokon en „Nacia kanto" (pĝ. 182). Ek, hungaro! la patrian

*Ek, hungaro! La patrian*
*vokon aŭdu! Nun, se iam!*
*Aŭ plu sklavi aŭ liberi:*
*jen demand'! Ĉu konsideri?*
*Je la dio de l'hungaroj*
*diras ni,*
*ĵuras ni, ke jugon plu ne*
*tiras ni! . . .*

Por la batalo li aŭdigas sian voĉon eĉ pli senpere en „Batalkanto" (241):

*Bru' tambura, kri trumpeta,*
*trupo staras batalpreta,*
*antaŭen!*
*Kuglo fajfas, glavo tintas,*
*la hungaron tio svingas*
*antaŭen*

*La standardon alten levu,*
*ke la mond' ĝin vidi devu!*
*Antaŭen!*
*Vidu, legu tuta tero,*
*sur ĝi sankta vort': Libero!*
*Antaŭen! . . .*

Speciale kortuŝa estas „La apostolo" (189–238), unu el la plej maturaj verkoj de Petöfi. Historio, rakontanta en liberaj ritmoj, la vivon de orfo, kiu de ŝtelisto, almozpetanto kaj humiligita servisto sin suprenlevas el la humileco, agante kiel notario en vilaĝo, iĝinte kle: riganto kaj alvokanto por la homa digno, kontraŭ sklaveco kaj subpremo. Ĵetita en karceron, perdinta la familion, li, blankhariĝinta apostolo de la vero, kiu antaŭiris sian tempon, missukcesinte en atenco kontraŭ la reĝo, fine perdas la vivon sur la eŝafodo. Ĉio-ĉi, kvankam fragmente prezentita, tamen aperanta kiel tuto, tre forte emociigas. Ĝi estas kulmino kaj finkanto de la jakobina-revolucia poezio de Eŭropo. La revolucioj ĉirkaŭ la jaro 1848 ne alportis sukceson kaj estis sange subpremataj.

*Eŭropo mutas, ree mutas:*
*revolucioj malaperis.*
*Honto! ĝi kvietiĝis kaj la*
*liberon por si ne konkeris. . . .*

versas Petöfi alvokante al la daŭrigo de la batalo.
Certe, oni povus prezenti aliajn liniojn de la poemkolekto prezenti, sed ĝin oni legu kaj komprenu kiel tutan, metitan en la historian tempon. Kaj se ni atente rigardas nian nuntempon, ni komprenas, ke Petöfi ankaŭ hodiaŭ por ni multon signifas. Kaj ni denove, kun danko, vidas en Kálmán Kalocsay ne iun „l'art pour l'art"-tradukiston sed engaĝintan artiston. Ĉu ĉe Dante, Shakespeare, Heine, Petöfi aŭ aliaj tradukitaj mondliteraturuloj, ĉiam la tradukinto nin konatigas kun batalantoj, humanistoj, kiel li mem estas unu. Ŝajnas al mi, ke niaj originale en Esperanto lirikantaj verkistoj ne nur lernu lian stilon, sed ankaŭ el lia elekto kaj konsideru la saĝon de Petöfi:

*Facilanime sin neniu*
*dediĉu al surkorda lud':*
*tre gravan taskon entreprenas,*
*kiu nun tuŝas al liut'.*
*Se vi kapablas sole kanti*
*pri l'propraj ĝojo kaj dolor',*
*ja vin la mondo ne bezonas,*
*la sanktan lignon metu for! . . .*

Detlev Blanke – CR –

# La opino de eminentuloj – ĉu grava?

*Dratwer, Isaj (Komp.). Pri internacia lingvo – dum jarcentoj. Wembley, Centro de Esploro kaj Dokumentado pri la Monda Lingvoproblemo, 1970, 141 p. Ofset, 21 × 15 cm (Provizora ekstervica eldono en la dokumento-serio A, sekcio VII) 6,– gld + 10 % sendkostoj. Broŝ.*

Isaj Dratwer entreprenis la sendube malfacilan provon ordigite prezenti la dissemitan kaj ofte facilanimeĝe uzitan materialon de opiniesprimoj de eminentaj personoj. La opinioj de ĉ. 200 elstaruloj el la homara estinteco kaj nuno pri internacia lingvo ĝenerale kaj speciale pri Esperanto estas prezentitaj laŭ la sekcioj, filozofoj, verkistoj, sciencistoj, filologoj-lingvistoj kaj aliaj (religiestroj, politikistoj k.s.).
Laŭ la antaŭparolo la dokumentaro estas „provizora" kaj kompletigenda. Estas serĉataj la tekstoj en la originala lingvo kun preciza fontindiko. La provizoreco substrekindas. La takso pri la senco aŭ malsenco de la cito de ies opinioj pri io certe diversas. La citaĵoj en Esperanto ofte estas sufiĉe troige uzataj. Malĝusta, mankhava aŭ eĉ falsa citado ne maloftas. Fontoprecizo ofte ne multe turmentas la citemulojn. Eĉ invento de citoj, se oni opiniis necese, okazis. Ni konas la problemojn pri la Lenincitaĵoj[1]. Opinicito de iu altrangulo ja estas pli facila por kelkaj ol per faktoj saĝe argumenti. Tial ni ne supertaksu opiniojn de eminentuloj. Tamen, en serioza kunteksto *interesa* opinio (kaj ili bedaŭrinde maloftas en la broŝuro) trovas efikan lokon.
Sed jen la demando, kiu estas eminentulo kaj kiu ne? Por mi la opinioj de la papoj (pĝ. 99/100) pri Espo ekzemple estas tute seninteresaj, tamen supozeble ne por katolikoj. Sed kion pri iu araba ŝejko (16) aŭ forgesitaj mezepokuloj? Kial ne citi tiajn filologojn kiel E. Bokarev[2], E. Wüster[3]? Vere tre multaj opiniesprimoj estas banalaj aŭ nuraj ĝentilaĵoj.
Ofte Dratwer nur mencias, ke iu okupiĝis pri internacia lingvo (Galenus, 16, More, 17, Bacon 17 k.s.), faktoj recititaj el Drezen „Historio de la mondolingvo"[4]. Ne uzita estas la materialoj de la du internaciaj lingvistaj kongresoj[5], kie pritraktatis la problemo de internacia lingvo. Same oni utiligu la faman verkon de Wüster pri lingvo-normigo[3].

Certe kelkaj ideoj estas fruktodonaj kiel instigoj al sciencaj esploroj (Komensky, 18, pri IL per kiu oni pli facile komprenu „la sencon de aferoj", do pri la rilato inter lingvo kaj pensado).
Treege diskutindaj estas la fontindikoj. Jes, en la antaŭparolo oni atentigis pri ties mankhaveco. Mi tamen timas, ke la kompilinto ne ĝuste taksis kaj la specifikecon de la esperantaj fontindikoj kaj la ĝenerale grandan senzorgecon kaj suprajecon de la esperantistoj rilate precizа fontindikado. Fontindiko devas antaŭ ĉio esti tiel preciza, ke ĝi kontroleblas por ĉiu, ankaŭ aŭ speciale por laiko, neesperantisto. Kaj tiu postulo por esperanto-dokumentoj ofte estas malfacilege plenumebla. Gazetoj, gazetetoj, bultenetoj, libroj kaj broŝuretoj estas eldonadataj en malgrandaj, ofte sensignifaj kvantoj. Nur malmultaj titoloj estas dokumentitaj en naciaj aŭ internaciaj bibliografioj. La plej multaj „eldonejoj" esperantistaj estas en eksteresperantistaj bibliotekistaj rondoj tute nekonataj. Jen kial la dokumentado de la verkoj estas tiel malfacila. Aldoniĝas, ke iu sento pri korekteco kaj precizeco en la informado ŝajnas manki ĉe multaj esperantistoj, kiuj ekz. aventure ĵonglas kun nepruveblaj nombregoj, se oni demandas ilin pri la disvastigeco de Esperanto. Ili citas Lenin „el la maniko", presas liajn „eldirojn" sur poŝtkartojn kaj simile malutilas al la prestiĝo de Esperanto.
Mi iom timas, ke tiuj niaj trofervoruloj same sentime rigardas ankaŭ la nedokumentitajn „eldirojn" de la kolekto de Dratwer kiel taŭgaj kuraĝe citeblaj „kanonkugloj". Ili ne iĝu retropafoj! Ĉe pli ol la duono de la opinioj mi estus aldoninta la averton „ne uzu!" Ĉar vere nur malmultaj havas tute kompletan fontindikon. Multaj „fontindikoj" ofte estas pli ol dubaj. Neakceptebla kiel fontindiko estas ekzemple „El la sonmagazino de Pola Radio . . ." (Sternfeld, 77/78), kio signifas „El materialoj de Internacia Esperanto-Museo?" (Fuchs, 72) kaj alifoje aŭ „Germana Esperanto-Revuo (Einstein, 69)?
La verkoj de Drezen (Fersmann, 77) kaj de Stojan (Balzac, 39) sendube estas eminentaj, sed tamen „nur" esperantistaj verkoj kaj ne povas anstataŭi la originalan fonton. Tio ankaŭ validas por CED-Dokumentoj (Voltaire, 21/22) aŭ „La Internacia Lingvo"[6]) de Lapenna (Sinclair, 47, Cotton, 65 k.a.). Por ke estu fakto dokumentita, ne sufiĉas nomi ĝin tia . . . Tro ofte mi havis la impreson ĉe cetere sufiĉe konataj materialoj, ke Dratwer kontentiĝis ĉe iu parta fontcito. Ĉe Am-

père (23) ekz. mankas la paĝoindiko, ĉe Naville (25) la eldonloko, ĉe Pavlov (30) la eldonjaro kaj paĝonumero, ĉe Korolenko la eldonloko, same ĉe Lunaĉarski, k.t.p. k.t.p. Simila nekompleteco ĉe probable konataj fontoj kutimas. La eldonejoj estas preskaŭ neniam indikitaj, kvankam tio utilus. Ĉe cititaj leteroj estus bone havi faksimilon, minimume de la pli aktualaj (ekzemple Isakovskij 38, Dimitrov 112). Mi krome konstatis kelkajn erarojn: Kautsky (pĝ. 119) ne estis „Gvidanto de la II-a Internacio", sed unu el la gvidantoj de la Centrisma alo. La romano de Jack London estas „Martin Eden" (pĝ. 46). Georgi Dimitrov (pĝ. 112) ne estis prezidinto sed ĝenerala sekretario de Komintern.

Jen mi esperis, ke mi ne nur kritiknotis, sed samtempe montris la neceson serioze okupiĝi pri la enhavo de tiu CED-dokumento. Ĝin devus posedi ĉiu esperantisto, kiu komprenis la neceson de serioza, korekta kaj scienca teoria laboro pri la internacia lingvo ĝenerale kaj pri Esperanto speciale. Li utiligu la materialon zorgeme kaj singarde kaj komprenu kiel ĉeftaskon ties kompletigon kaj precizigon. I. Dratwer faris gratulindan komencon.

**Indkoj**

1 Vidu „der esperantist", Berlin DKB, n-ro 42 (1970), S. N. Podkaminer, Leningrad, „Lenin kaj Esperanto", 12 paĝa plej kompetenta artikolo

2 Vidu nekrologon en „der esperantist" n-ro 47 (1971)

3 Wüster, Eugen: Internationale Sprachnormung in der Technik, 2. erg. Auflage, H. Bouvier & Co., Bonn, (Sprachforumenbeiheft) 1966, 468 pĝ.

4 Drezen, Ernst: Historio de la mondolingvo. Tri jarcentoj da serĉado, Leipzig 1931

5 Actes du deuxième Congrès international de linguistes, Genève, Août 1931, pĝ. 72–108, Paris 1933 – Actes du 6ième Congrès international des Linguistes, Paris, Juillet 1948, pĝ. 93–112, 409–416, 585–600, Paris 1949

6 Lapenna, Ivo: La internacia lingvo (faktoj pri Esperanto) Universala Esperanto Asocio (CED), London 1954.

Detlev Blanke

# „La Ĝenerala Instruado en V.D.R."

*Fremdlingva eldonejo, Hanojo 1971, 143 paĝoj. La ses ĉapitroj de tiu ĉi broŝuro estis publicitaj en la revuo „Etudes Vietnamiennes" (vjetnamaj studoj) – n-ro 30 – Hanojo, Vjetnamio.*

Ĝ donas al leganto, ĉu li estas pedagogo aŭ ne, bonan kaj interesan impreson pri pluraj edukaj problemoj, kiujn devas solvi la socialisma ŝtato kaj partio.

La unua ĉapitro „La ĝenerala instruado en V.D.R." estas intervjuo kun la ministro pri Nacia Instruado de V.D.R. Ĝi pritraktas la kondiĉojn, en kiuj estis aranĝita ĝenerala instrusistemo en V.D.R., ni ekkonas la ĉefajn etapojn de ĝia evoluo kaj ankaŭ la plej gravajn problemojn, kiuj staris kaj ankoraŭ staras antaŭ la vjetnama popolo.

Ĉiam batalante kontraŭ japanaj, francaj kaj ekde 1961 kontraŭ usonaj subpremantoj, la vjetnama popolo konsideris la alfabetigon kaj klerigon de amasoj, la evoluigon kaj aranĝon de bona instrusistemo kiel esencan taskon.

La resumo: ĉirkaŭ en 1960, kvin jarojn post la liberiĝo de franca jugo, ĝi disponis pri ĝenerala instrusistemo, konsistante el

- infana instruado,
- ĝenerala instruado en tri cikloj por 7–17-jaraj infanoj (dek klasoj),
- kompletiga instruado por plenkreskuloj paralele kun la lerneja instruado,
- pedagogiaj lernejoj.

Pri tiu ĉi partigo oni povas informiĝi pli precize el tabelo je la fino de la broŝuro. Tie ankaŭ estas videbla la disvolviĝo de la instruado en V.D.R. – 1945/46 – 1969/70, i.a. nombro de lernejoj, lernantoj, instruistoj, ktp.

Interesa, granda evoluo!

Sed, kiajn plej diversajn malfacilojn oni devis venki, kiel konstanta adapto al militaj cirkonstancoj, detruo per bomboj precipe de lernejoj, manko de instruistoj kun profesia kvalifiko, ellaboro de realaj studprogramoj kaj ankaŭ superstiĉoj!

Per la sekvanta ĉapitro de Hoang Tu Dong ni povas informiĝi pri „La kompletiga instruado por plenkreskuloj". Ĝi montras la evoluon de edukado precipe dum la nacidemokrata kaj socialisma etapoj de la revolucio. Grava tie estas la alvoko de la prezidanto HO CHI MINH: „neniigi la malsategon, la malklerecon kaj la agresanton", ĉiuj samvaloraj taskoj por la popolo. Kaj li konkretigis la kialon kaj la vojon, atingi la celon: „Por firmigi la nacian sendependecon, por fortigi kaj riĉigi la landon, necesas, ke ĉiuj el ni sciu ekzakte, kiaj estas liaj devoj, ke li posedu novajn konojn por povi partopreni en la rekonstruo . . ."

La tasko ne nur konsistas el memlernado sed ankaŭ el lernigo al aliaj legi kaj skribi.

Legindaj estas la partoj pri la tipoj de kompletigaj lernejoj, pri la organizado, la metodoj kaj programoj, pri la instruistaro kaj la postlerneja instruado, pedagogiaj kaj gvidaj problemoj.

La sekva ĉapitro „La Lernejo de l'Junaj Socialismaj Laboruloj de Hoa Binh (L.J.S.L.) temas pri lernejo en montara provinco kiel ekzemplo por la instruprincipo „politeknika instruado". Estas interese, kiamaniere precipe la junuloj tie realigis tiun ĉi principon laŭ organizado, havigi instruantojn . . . rezulto de siaj laboroj kaj penoj. Ni ankaŭ trovas tabelon pri la distribuo de la tempo por la studoj kaj la laboro.

Laŭ la ekzemplo de „Cam Binh, la lernema komunumo" la aŭtoro montras al la leganto, kiajn obstaklojn devis venki la klerecema popolo de Vjetnamio, ĝis kiam ĝi forigis la analfabetismon.

La nova, socialisma sistemo nur funkcias, se ĉiuj, ankaŭ la virinoj, havas la eblecon, labori kaj agi por la socio. Sed kio okazas kun la infanoj, kiuj ankoraŭ ne lernas en lernejoj? Ankaŭ tiun problemon solvis la vjetnama popolo kontraŭ ĉiuj malhelpoj per infanvartejoj.

Kunlaboranto de la Instituto de Pedagogiaj Studoj donas en la lasta ĉapitro koncizan informon pri la tradicia instruado en Vjetnamio.

Leginte tiun ĉi interesan, informantan broŝuron, oni denove sentas grandan estimon por la por instruiteco luktanta popolo, kiu ĉiam kontraŭas malfacilajojn, por ni jam preskaŭ forgesitajn. Sed same oni estas certa, ke vjetnama popolo venkos.

Ingrid Schödl

# Anekdotoj

Mi imagas, kiajn terurajn suspektojn naskiĝis en via kapo, kara edzo, kiam mi por du tagoj malaperis . . .

– Jes, vi pravas: mi tuj konjektis, ke vi revenos.

Aútobuso estis plenlena. La pasaĝiero, sidanta apud fenestro, subite fermis okulojn kaj turnis sian kapon flanken. La homo, sidanta malantaŭ il, demandis lin:

– Ĉu vi ekmalsanis, sinjoro? Ĉu mi povas helpi vin?

– Ne mi sentas min bone. Sed mi entute ne povas vidi starantajn maljunajn sinjorinojn.



Foto: Zentralbild

# La tempesto

*William Shakespeare: La Tempesto. – El la angla verse tradukita, kun Postparolo kaj Komentaro, de Kálmán Kalocsay. – Kovrilo de Jan Schaap Jr. – Stafeto: Beletraj kajeroj, 40. – J. Régulo, Eldonisto. – La Laguna, Tenerifo, 1970 (1971). – 12 × 18,5 cm. – 120 paĝoj. – Prezo: 2,00 usonaj dolaroj aŭ egalvaloro.*

Ankaŭ en esperanto estis tradukitaj multaj verkoj de la giganto de la monda literaturo, William Shakespeare. Humphrey Tonkin en Doc. D./II/13 de CED (Londono 1966) listigas 15 dramverkojn, inter ili intertempe 4 dufoje tradukitajn. Ankaŭ „la tempesto" apartenas al la retradukitaj verkoj de la angla poeto. 1904 prezentis Achille Mottlau (1836–1906) sian tradukon de „The tempest" („La ventego"). Kalocsay jam pruvis sian shakespeare-an talenton i.a. en la tradukoj de „King Lear" (retraduko) kaj „Somermeznokta sonĝo" (same retraduko). Unue la granda tragedio, sekvas Komedio burleska, kaj fine la fabela ludo „la tempesto", kiun Shakespeare verkis en la jaro 1611. En tiu dramo oni ne plu trovas la temon de la tragedioj, la sortojn de la anglaj reĝoj. Ni trovas Fabeleskan historion pri malbono kaj ties fina malvenko. Prospero la laŭleĝa granduko de Milano atingas, el lia grandukeco pelita pro intrigoj, sorĉan insulon kie li, ekipita per sorĉkapabloj kaj -libroj, iĝos la tiea reĝo. Ŝipo kun nobeloj el Milano kaj Neapel, kiuj siatempe intrigis kontraŭ Prospero rompiĝas en tempesto. La ŝiprompiĝo kaj la saviĝo de la pasaĝeroj kompreneble okazas kub la gvida sorĉo de Prospero. Diversaj travivaĵoj sur la insulo, la konfrontiĝo kun Prospero vekas la konsciencon de la intrigintoj, kaj finfine kondukas al interpardono kaj reamikiĝo.

Kalocsay liveras kompetentan tradukon, kiun li mem tre bone komentas. En glosaro troviĝas malpli konataj vortoj, principe neologismoj. Kvankam Kalocsay en postparolo defendas diversajn poetikajn licencojn, certe laŭrajte, mi tamen ne povas akcepti la kripligon de „estas" al „'stas": „. . . mi vin pardonas, kvankam vi 'stas malnatura" (Prospero, V, 1, pĝ. 77 kaj aliloke). Kiel karakterizo lingva por la trinkulo Trinkolo mi ĝin tamen eĉ trovas bonega: „Ĉ' tio 'stas tre stupida monstro" (II, 2, pĝ. 46). Por Shakespeare „The tempest" estis unu el la lastaj verkoj. Ni esperu, ke Kalocsay ne pravu ĝin titolante „propablege mia lasta traduko el Shakespeare" (103). Kontraŭe, ni atendu pluajn!

Detlev Blanke

# „eta vivo"

*Clelia conterno guglielminetti „eta vivo", poemaro, antaŭparolo de G. Waringhien. STAFETO: Beletraj kajeroj 37, J. Régulo, Eldonisto, La Laguna, Tenerife, 1969 (1970), 12 × 18,5 cm, 134 pĝ., 2 US dolaroj aŭ egalvaloro.*

Jen poemkolekto, kiun mi vere legis kun granda streĉiteco kaj ĝuo. Sed mi tuj diru averte: mi nur estas meza poemkonsumanto kaj kiel tia certe ne pretendas prezenti ĉiujn aspektojn de la verko. La aŭtorino ne estas nekonata, itale verkanta, eldoninta la „Dian Komedion", membro de la Akademio de Esperanto. Sincere dirite, mi ŝin antaŭe ne konis, sed vere nur nun konatiĝis kun ŝia „eta vivo", kiu prezentiĝas en ĉarme kompreneblaj (jes kompreneblaj) poemoj. Sen granda glosaro sen cerbumado pro malfacilaj digisteblaĵoj mi konatiĝis kun „maleta" vivo de estiminda virino kaj tion mi ne bedaŭras. „La aŭtorino ne penis konsterni sian leganton per elmontrado de sia vortriĉeco, per la elekto de raraj neologismoj aŭ per la sistema elserĉo de rutinrompaj metaforoj " Jen kiel trafe karakterizas Waringhien. Kaj jen kial mi estas speciale danka al ŝi.

En la poemoj ni trovas la vivon de virino de 1925–1968. De junaĝa amsopiro, el la tempo de la nigraj nuboj de faŝismo kaj arestado de la amato en germana koncentrejo, longa atendado kaj pri li kaj pri la dezirita infano, finfine patrino, laboro en malfacila medio kiel instruistino. Kutima vivo, ĉu ne? Jes kaj ne. La poemoj estas simplaj sed tamen (aŭ ĝuste tial!) de granda poezio. Jen kiel la lingvo belsonas en „Velŝipo":

*Sur la breto,*  
*velŝipeto,*  
*travidebla ĉizo-reto,*  
*en kristala cindrujeto*  
*enĉizita,*  
*la velaron al la vento*  
*donas vi en plenkonsento,*  
*vide,*  
*fide*  
*kaj senbride.*  
*Sed vi vojas*  
*sur ŝaŭmanta mar'senmova,*  
*sen impulso ventoblova;*  
*ĝi rigide,*  
*kiel vi ne vivipova,*  
*ondas nur en la gracio*  
*de l'fikcio*  
*sur ĉizita ebenaĵo*  
*de l'kristalo.*  
*La sopiro*  
*al veliro*  
*al sekreto*  
*de la nekonata maro*  
*nur utilas por ornami*  
*la malvarmon de kristalo.*  
*Se mi povus liberigi*  
*vin, ŝipeto*  
*vivomanka*  
*svelta, blanka,*  
*kaj vin ĵeti*  
*al la granda mara ondo*  
*de l'estonto . . .*  
*Ŝtorm-alsaltojn ni trapasus*  
*kaj postlasus*  
*en triumfa nia drivo*  
*tra la vivo*  
*nur trenaĵon ros-lazuran*  
*sur senlima martrankvilo,*  
*glima brilo,*  
*ŝaŭma riĉo*  
*de l'feliĉo.*

La poemaro dividiĝas en kvar periodoj 1931–39, 49–65, 46–54, 55–59. Estas substrekinde, ke la temoj de la poemoj estas prenitaj el la vivo, sen modernismaj kaj mistikaj nuboj (kiujn oni ĉe niaj poetoj en recenzoj tro facile laŭdas).

Gravan parton ampleksas la periodo

1940–45, krimnuba, nigra, malespera. Sencertecon, malbelan premon, timon ni trovas ekzemple en „Nokta solo" (35), kie ni ankaŭ renkontas la ofte troveblan en ŝiaj poemoj motivon de la domo t.e. la sopiro al la hejmlanda ĉirkaŭo kaj certeco. La amato baldaŭ estas en „koncentrejo" (pĝ. 50). Sed la veplendo sajnas al mi iom tro individuigita. Pli fortan akuzon ni trovas en „Todt-kunlaborantoj" (53) kaj „Lager" (54) (germana vorto por koncentrejo), kie c.c.g. senmaskigas la malhomecon de la faŝismo. En „La judeto" (58) ŝi tamen nur restas ĉe speco de nesufiĉa kompato. Sed fortajn impresojn ŝi pentras en „Milito" (60).
Min, germano, kiu sin plene distancigas de ĉiu ajn rilato al la bruna pesto kaj iu tradicidaŭrigo de tiu regno, tre kortuŝis „La Donaco" (68). Eble ŝi volis diri, ke tiu donaco venis de germano, kiu tamen apartenis al alia Germanio, al la sincera?
En la parto 1946–54 de la kolekto ni ofte renkontas la deziron al infano kaj grandan pesimismon pro la neplenumiteco („Finite", 83, „Nenaskiĝinto" 88), sed tamen finfine la ĝojo pri la naskito tiel longe sopirita, poemita en „La Krono" (102), simpla kaj bela fiero de patrino. Sed c.c.g. ne povas forgesi la multajn virinojn, kiuj pro la milito devis resti seninfanaj („La Tombejo de l'Mortnaskitoj", 105).
Multon oni povus diri ankoraŭ pri aliaj poemoj kaj tiel aŭ jen interpreti. Plej bone estus ilin mem legi. Tiu libreto elradias virinan varmon, ĉarmon kaj vivkomprenon. En la granda, sed eleganta modesteco de la prezento, en la poeziigo de „eta vivo", mi trovis grandan homecon. Trovu ĝin same.

# Bona ŝanco

*Werner Bormann: Bona ŝanco. Dek du prelegoj pri la Internacia Lingvo kaj la sociaj sciencoj. – Prologo de Ernesto Sonnenfeld. – Kovrilo de Jan Schaap Jr. – Stafeto: Movado, 5. – J. Régulo, Eldonisto. – La Laguna, Tenerifo, 1970 (1971). – 15,5 × 22 cm. – 247 paĝoj. – Prezo: 3,60 usonaj dolaroj aŭ egalvaloro.*

La internacia lingva problemo kaj la eblecoj de raciigo inter esperantistoj neprave ofte estas rigardataj kiel ege simpla afero. La enkonduko de esperanto laŭ ilia imago ja solvus ĉiujn problemojn. Sed evidente la afero ja estas pli komplika. Bedaŭrinde oni tro ofte izolas la lingvan problemon de la socia realaĵo kaj de la leĝece evoluantaj sociaj fenomenoj. La esperantomovado ankaŭ ne povas esti pritraktita sen tiu ligo al la ĝeneralaj sociaj problemoj.
Dro. Werner Bormann konscias pri tio kaj provas respondi diversajn demandojn kiel sociologo. Evidente la pensoriĉo de Ernest Drezen tamen ne estas atentata kaj tial la, kiel Bormann diras, „Esperanto-politiko", tre ofte laŭ mia opinio estas spekulacio kun la estonto, imagante la estontecon en la ĉeftrajtoj simila al la hodiaŭo, treege simpligante ĝin, kaj malatentante la leĝecajn evoluojn de la homa socio. La libro ne estas unueca, sed serio de prelegoj de la aŭtoro: I. Eŭropo kaj ĝia lingva problemo; II. Esperanto en la lernejojn; III. UNESCO-Jaro de Internacia Kunlaboro; IV. Situacio kaj ŝancoj de Esperanto en la nuna fazo de la evoluo; V. Situacio kaj ebloj de la Esperanto-movado; VI. Sciencaj obstakloj por internacia lingvo; VII. Internaciaj rilatoj kaj internacia lingvo; VIII. Mondtrafiko kaj mondlingvo; IX. La scienca pritrakto de Esperanto (Esperanto kaj interlingvistiko); X. 80 jarojn Esperanto; XI. Homaj rajtoj kaj lingva diskriminacio; XII. La oficiala enkonduko de Esperanto.
Ĉe W. Bormann Eŭropo (evidente la okcidenta) estas pritraktata kiel sufiĉe unueca kaj harmonie evoluanta ŝtataro de komunaj interesoj, kie la lingva problemo akriĝos tiel, ke solvo pere de Esperanto sin sendube ofertas. Tamen la internaj kontraŭdiroj inter la profitregataj ekonomiaj fortoj de tiu Eŭropo certe komplikigas tiun demandon tre serioze.
Estas ĝuste, se Bormann substrekas la gravecon de interlingvistiko kiel precipe socia scienco (42). La pionireco de Artur Bormann rilate la difino de interlingvistiko ne povas esti kontestata. Tial ankaŭ la koncerna ĉapitro verŝajne estas la plej interesa (IX).
Ofte en la libro oni devas konstati tre suprajan pritrakton de komplikaj politikaj problemoj. La duan mondmiliton preni kiel ekzemplon, montranta „Kien malharmonio povas konduki" (51) estas simptome. Ankaŭ ne la komprenemo aŭ nekomprenemo de UNESCO kulpas pro la pasiva sinteno al Esperanto sed la fakto, ke la politikaj interesoj de la membroŝtatoj kaj la socia nuntempo ankoraŭ ne favoras la solvon de la lingva problemo pere de planlingvo. Uzante la nebulan nocion „fina venko", la aŭtoro tamen eksplikas, ke la nuna monda situacio ĝin ne favoras. Sed ĝuste pritraktante la „ŝancojn de esperanto" kaj la problemojn ĉe eventuala enkonduko la aŭtoro tro atentas administraciajn kaj taktikajn demandojn de la esperantomovado anstataŭ respondi la decidan demandon: Sub kiuj konkretaj sociaj kondiĉoj entute eblas la enkonduko de internacia lingvo? Kia devas esti la sociordo? Jen la plej malfacila demando, kiun marksistoj respondas pluevoluante la tezojn de Ernest Drezen. Interesa estas la ekspliko de Bormann pri la kaŭzoj de pasiva aŭ eĉ negativa sinteno inter sciencistoj al la ideo kaj praktiko de planlingvo (VI).
Certe la nedialektika emo „konstati" la realon anstataŭ ĝin korekti estas unu el tiuj kaŭzoj, kial interlingvistiko kiel scienco ankoraŭ ne estas ĉie akceptita kiel necesa kaj utila.
Sendube la libro povas esti utila por pripensigi pri diversaj problemoj de la perspektivo de esperanto. La libro ankaŭ evidentigas la neceson okupiĝi science, sed vere science, pri tiuj problemoj. Ke multaj ĉapitroj ne kontentigas, multaj tezoj atakeblas, certe ne povas esti ne atendate ĉe tiu prezentita komplika objekto.

D. Blanke

Nin forlasis la 2 an de februaro 1972

**Gladys Keable**

elstara redaktorino de „Morning Star", anino de MEM, laborista esperantistino.
Okaze de la UK en Londono multaj MEM-anoj, membroj de IK de MEM, havis la eblecon konatiĝi kun ŝi. Ni perdis varmkoran kunbatalintinon kaj esprimas al la edzo Bill Keable kaj la tri filoj nian sinceran kaj profundan kunsenton.

IK de MEM

# Kelkaj trajtoj pri la esperanto-movado en vjetnamio

## Mallongigita raporto de S-ro Dao Anh Kha, ĝeneralo sekretario de VPEA

La historion de la vjetnama Esp-movado oni povas dividi en tri etapojn.

**En la unua etapo,** ĉ. 1930–1945, sub la kondiĉoj de la franca superregado, francaj esperantistoj enkondukis Esperanton en nian landon. La radio-oficisto André Guerineau fondis Esperantistan Federacion de Hindoĉinio en 1929. Helpe de tiu unua organizaĵo esperantiĝis certaj vjetnamaj kleruloj, kiuj tuj poste fondis proprajn organizaĵojn: en la Nordo, Tonkinan Esperantistan Grupon kaj en la Sudo, la Koĉinĉinan Esperantistan Grupon. En 1932 Huynh Ba Duong verkis la unuan lernolibron de Esperanto uzeblan por vjetnamoj. La sekvantan jaron aperis la dua lernolibro de Bui Nguyen Dinh, kaj 1940 aperis en la Sudo nova lernolibro verkita de Nguyen Thanh Lian. Krom tio la unuaj adeptoj de E-o verkadis plurajn artikolojn por propagandi la Internacian Lingvon en tiamaj gazetoj kaj ili malfermis kursojn.

Tamen la movado estis for de vasta disvolviĝo, eĉ stagnadis, ĉar la franca regantaro tuj rigardis ĝin per suspektemaj okuloj kaj iagrade malhelpis al ĝiaj manifestiĝoj, ĉar ili celis surtronigi la francan lingvon, tiam konsideritan kiel oficiala lingvo ĉe la administracio kaj ĉefa lingvo ĉe la vjetnamaj lernejoj.

La dua etapo daŭris 9 jarojn en la Rezistada milito kontrau la francaj koloniistoj. Tiam la cititaj E-organizaĵoj fakte mortis. Tamen fidelaj esperantistoj, kiuj estis partoprenintaj la Rezistadon, ĉiuklopode plu vivtenis la lingvon inter vjetnamoj, en la malfacilaj cirkonstancoj de la gerilo. Traduko de franca lernolibro „Racia kurso de Esperanto" estis stenciligita kaj ne vendata sed disdonata. Permesu min mencii, ke la nuna ĝenerala sekretario de VPEA venis el la nova generacio de tiu dua etapo.

Dum la tuta periodo, blokate de la makiso[1], vjetnamaj esperantistoj havis neniun kontaktiĝon kun eksterlandaj gesamideanoj, nek per leteroj nek per presaĵoj, escepte dum ununura okazo, ĉe kiu mesaĝo de S-ano Hoang Huy Nam transiris la landlimon kaj fine aperis sur bulteno de Esperantista klubo de Praha (1955).

**La tria etapo,** 1954 ĝis hodiaŭ, markas la plej brilan epokon el la historio de nialanda movado. Sur la norda teritorio komplete liberigita el sub la koloniisma jugo Esperanto multe profitas de la favoro kaj subteno de la Registaro same kiel de la gvidanta partio – Vjetnama Laborulara Partio.

Konsekvence la 9-an de decembro 1956 fondiĝis Vjetnama Pacdefenda Esperantista Asocio, iniciate de S-ano Nguyen Van Kinh, la animo de la movado dum la dua etapo.

Honoraj membroj de la Centra Komitato estas la ministro pri kulturo Hoang Minh Giam, la ministro pri klerigado Nguyen Van Huyen, la kultura vic-ministro kaj fama poeto Cu Huy Can, kaj Luu Huu Phuoc, ministro pri kulturo de la Provizora Revolucia Registaro de Sudvjetnama Respubliko. Tiuj kaj aliaj eminentuloj, kvankam pli malpli au eĉ neniom posedante la lingvon, portis al nia Asocio siajn simpation kaj grandan moralan subtenon. La samideanoj Dao Anh Kha kaj Nguyen Hai Trung faris centojn da prelegoj pri Esperanto en Hanojo kaj diversaj provincoj, por starigi tute novan tajdon de nia movado, kiu nun klarvide celas al la nacia liberiĝo, al sendependo, socialismo kaj mondpaco.

1956 ambaŭ cititaj samideanoj eldonis Memlernolibron de Esperanto en du volumoj, je 20 000 ekzempleroj. 1959 kaj 1960 aperis pluraj lernolibroj kaj vortaro E-Vjetnama, kompilita kolektive de hanojaj E-klubanoj, kaj sekve unu legolibro en Esperanto. Ĉiuj tiuj lerniloj vendiĝis kaj elĉerpiĝis rapide, kaj jam ni planas novan, pli bonan lernolibron kaj vortaron Vjetnama-E.

En la pasintaj 15 jaroj aperis 57 El-libroj[2] en ĉiuj specoj – skizoj, eseoj, rakontaroj, novelaroj, romanoj, poemaroj, dokumentoj ... tuŝintaj ĉiujn flankojn de la vjetnama vivo, historio, kulturo, folkloro, literaturo, moroj, sociaj aktivecoj, nacisava batalo – kiuj gajnis la simpation de la legantaro el ĉirkaŭ okdek landoj. Ili efektive kontribuis diskonigi la veron pri nia lando, nia vjetnama popolo kaj ties revolucia heroismo en la socialisma konstruado same kiel en la nacisava batalo kontraŭ la usonaj agresantoj. Pluraj el niaj eldonaĵoj estas tradukitaj rusen, germanen, hungaren, polen, anglen, sveden, hispanen, portugalen, finnlingven ktp.

Nia Asocio ĝis nun starigis amikecajn kaj kulturajn rilatojn kun E-organizaĵoj kaj e-istoj de pli ol 60 landoj. Kun Mondpaca Esperantista Movado, kies sekcio ĝi estas, VPEA kunlaboras per la aperigo de preskaŭ ĉiujara vjetnama numero de PACO kaj laŭ siaj eblecoj partoprenas ties aktivecojn. La landaj sekcioj de MEM plurfoje manifestis per deklaroj kaj agoj sian plenan subtenon al la justa batalo de nia vjetnama popolo kontraŭ la agreso fare de la usonaj imperiistoj. Tiel klara, firma kaj senlaca subteno estas por ni vjetnamaj Esperantistoj granda kuraĝigo en nia afero. Ne nur la frataj socialismaj landoj sed vasta Esperantistaro el kvin kontinentoj montras al ni sian grandan simpation. Kvazaŭ seninterrompe venas al ni donacoj, medikamentoj, vestaĵoj kaj salutleteroj, kio profunde kortuŝas la vjetnamajn esperantistojn same kiel ĉiun vjetnaman batalanton.

En 1959 nia Asocio sukcesis sendi delegacion al la 2a Konferenco de MEM kaj samtempe al la UK de Esperanto okazinta en Varsovio. Tiu grava kontaktiĝo per la samideanoj Dao Anh Kha kaj Nguyen Van Kinh malfermis por VPEA disflorantan epokon de amikecaj rilatoj kun eksterlando. De tiam pluraj el niaj gemembroj havis okazojn renkontiĝi kun fremdaj esperantistoj en diversaj landoj.

Dum la pasintaj 15 jaroj nia Asocio sukcesis esperantigi pli ol dumil kvincent personojn, kiuj per ekzameno ricevis sian ateston pri unuagrada lernado de

Esperanto. Ĉirkaŭ sepcent el ili ricevis la ateston pri duagrada kapableco. Ili ĉiuj estas ĉu aktivaj ĉu subtenantaj membroj de VPEA.

En Hanoj ni disponas pri unu Esperanto-Klubo, kie de tempo al tempo okazas Esperanto-kurso, ĉu unuagrada ĉu duagrada, ĉu vespera ĉu dumtaga, kiu daŭras de tri ĝis kvin monatoj. Tie ankaŭ kunvenas niaj esperantistoj por pridiskuti niajn taskojn, por ĉeesti prelegon, por celebri datrevenon de iu amika lando, por subteni la lukton de amika esperantistaro. Kiel ekzemplon mi citas la tute freŝdatan mitingon de la hanojaj esperantistoj por subteni la lukton de la japana esperantistaro kaj popolo kontraŭ la Japan-Usona Sekureca Traktato, por la tuja kaj senkondiĉa redono de Okinawa al Japanio.

Nin vizitis fremdlandaj gesamideanoj kiel la ĉeĥa William Hajduĉek en 1957, bulgara D-ro Todor Todorov en 1962, la ĉina verkisto Ba Kim en 1966, la geedzoj Thedenskog el Svedio en 1963.

Ĉi-jare VPEA decidis starigi propran Eldonejon. Sub la gvido de la Centra Komitato de VPEA aktiviĝas certaj komisionoj, kiel la redakcio de INFORMADO, la reviza komisiono kiu prizorgas la lingvonivelon de niaj eldonaĵoj, la instruada komisiono, kiu planas kaj efektivigas E-kursojn, la propaganda komisiono ktp.

Tamen ni devas konfesi, ke ne ĉio iras glate, sukcesplene en niaj laboroj, ekzemple en la tradukado de fremdlandaj E-verkoj en la vjetnaman. Pri la korespondado kun eksterlandaj esperantistoj ni renkontas ĉefan malhelpon, kio estas la usona agresmilito mem, kaj la multflanka okupiĝo de niaj homoj en la nuna batalo, kies ne-korespondemon bedaŭras pluraj fremdaj geamikoj. Plejparto de niaj esperantistoj nur komencas sian lernadon kaj pri ilia nebona posedado de la lingvo ili ne emas korespondi, kvankam ĉiu scias, ke la korespondado mem perfektigos al ĉiu sian lingvon.

Restas al ni ankoraŭ la tempo atendi ĝis la fino de tiu ĉi usona agresmilito, por sukcesplene akceli la korespondadon de niaj gemembroj. Alia manko: Ni ankoraŭ ne sukcesis organizi kaj firmigi larĝan retaron de E-filioj en diversaj lokoj de la lando, kvankam ekzistas preskaŭ ĉie novaj aŭ malnovaj esperantistoj. Spite tion ili regule kontaktiĝas kun nia Asocio kaj vigle partoprenas en ĉiuj ĝiaj aktivecoj. Tamen ni estas konvinkitaj, ke tiaj malfacilaĵoj estas nur provizoraj, ĉar supereblaj pli malpli rapide. Ĉar ni disponas pri membraro unueca, unuiĝinta kaj ĉiu laŭ sia ebleco klopodas helpi la Asocion plenumi siajn sanktajn devojn rilate al la patrujo kaj al la homaro.

1 Soleca loko, kie rifuĝas kaj organiziĝas ribelantoj, partizanoj, rezistantoj k.t.p. (laŭ PIV)
2 Intertempe eldoniĝis minimume pliaj 4 titoloj

(mallongigita el „La Verda Kolombo", Japanio, No 14/1971) – CR –

# Kie aboni al „Paco"?

*Aŭstrio:*
S-rino A. Sindl, A-3100-ST-PÖLTEN-WAGRAM, Traisengasse 26 — 50 š.

*Belgio:*
Jean Coen, 9, rue Arthur Rolland, BRUXELLES-3 — 100 f.

*Britio:*
P. Hewitt, 3 Elmdale, Madeline RD. PETERSFIELD-Hants. — 50 nov. penc.

*Ĉeĥoslovakio:*
Ĉeĥa Esperanto-Asocio-MEM-sekcio, Poŝtovnischránka 8, PRAHA-2 — 20 k.

*Danlando:*
Egon Starup, Vingetoften 34, 2730 HERLEV — 10 k.

*Finlando:*
Erkki Järvinen, Ukonkivenpolku 2, C. 19 HELSINKI-44 — 5 m.

*Francio:*
Fédération espérantiste du Travail 179, rue Oxdener, PARIS-18 (p.ĉ.k. Paris no 902-52) — 15 f.

*Federacia Respubliko Germanio:*
Albrecht Metzkes, D-405 MÖNCHEN-GLADBACH, Burggrafenstr. 52 — 10 m.

*Germana Demokratia Respubliko:*
Centra Laborrondo Esperanto de GDR en Germana Kulturligo, 108 BERLIN, Charlottenstr. 60 — 5 m.

*Hungario:*
Hungara MEM-komitato, BUDAPEST-VIII, Kenyérmező utca 6 — 36 f.

*Italio:*
Rag. Leone Costantini, Via G. C. Matteucci 1, 20-162 MILANO — Avonprezo 1300 l

*Japanio:*
Humaki Hideo, PO Box 17, Edogawa-TOKIO (Japana Pacdefenda Esperantista Asocio) — 1000 e.

*Kubo:*
Raul Juarez-Sebdeño, Apartado 570, CAMAGUEY

*Nederlando:*
Cor de Waart, Plancinsstr. 71, AMSTERDAM-C — 4,5 g.

*Nepalo:*
Keshab Ran Joshi, Esperanto-societo 10/319 Bhosiko Tole, KATHMANDU — –

*Norvegio:*
Henning Nielsen, TÖRVIKBYGD — 10 k.

*Peruo:*
Ildefonso Nuñez, Calle 2 de Mayo 796, CAJAMARCA — –

*Pollando:*
Pola Esperanto-Asocio, ul Jasna 6, WARSZAWA — 35 z.

*Popola Respubliko de Koreo:*
Korea Esperanto-Asocio, (S-ro Sin Gosong), postkesto 16, PJENJANG — –

*Rumanio:*
S-rino Irma Fülop, str. Calan 12, etj I, SIBJU — –

*Soveta Unio:*
Unuiĝo de sovetaj societoj de amikeco kaj kulturaj rilatoj kun aliaj landoj, Esperanto-Komisiono, Kalinina 14, MOSKVO K-9 — 2 r.

*Svedio:*
K. Kvist, Rinmansgatan 13, S-660.92 DEJE (p.ĉ.k. no 442478) — 15 k.

*Usono:*
Jim Deer, 12946, NE NANCOCK, Portland Oregon 97230 — 3 d.

*Vjetnama Demokratia Respubliko:*
Vjetnama Pacdefenda Esperantista Asocio, 68, Ly Thuong Kiet, HANOI — –

*Aliaj landoj:*
S-rino G. Roux, 47-MONFLANQUIN (Francio) — 18 int. respondkuponoj 3 dol. aŭ 15 fr. F

– CR –

## Adresoj de gvidaj funkciuloj de M. E. M.

Prezidanto: Nikola Aleksiev, Nezabravka I, blok I, vhod. II SOFIO-13 (Bulgario)
Generala Sekretario: Tomàs Balda, Revnice 416/23, PRAHA západ (Ĉeĥoslovakio)
Centra administranto: Ivan Canev, Bulgara MEM-komitato, Bulv. Ĥristo Botev 97, SOFIO (Bulgario)
Kasistino: (S-rino) Germaine Roux, 47-MONFLANQUIN (Francio)
Centra Redaktoro de „Paco": William Gilbert, 30, Rue Croix-Montoire 37-TOURS-02 (Francio)
Prezidanto de la eldonkomisiono: Helmut Fuchs, Hohe Str. 33, 83 PIRNA (GDR)

Grave!: Nepre skribu al la koncernata adreso laŭ la temo pritraktita, t.e. al la prezidanto pri fundamentaj politikaj problemoj, al la ĝenerala sekretario pri organizaj problemoj, al la centra administranto pri administraj kaj financaj aferoj, al la kasistino por pago de kotizoj (koncernas la landajn perantojn), al la centra redaktoro de „Paco" pri redaktaj aferoj, al la prez. de la eldonkomisiono pri eldonproblemoj (notinde eldonplanoj de „Paco"). Ni ne povas garantii sekvon al leteroj kaj dokumentoj ne senditaj al la taŭga adreso aŭ pritraktantaj diversajn problemojn!

Al niaj legantoj!
Abonprezo por unu jaro garantias 96 paĝojn entute. Principe aperos ĉi-jare almenaŭ 6 N-roj de „Paco", po 16 paĝoj minimume po NO. La abonantoj bonvolu pardoni al ni gravajn mankojn, notinde malfruojn. Ili estas parte la komplika flanko de sistemo, kiu ebligis ekde 1953 liveri nian revuon el diversaj landoj kaj kontinentoj kaj same de fortaj kaj malpli fortaj sekcioj, kontraŭ relative malalta prezo. Krome, nia revuo fariĝis pli kaj pli luksa kaj ampleksa, kaj ni ĉiam liveras multe pli ol la 96 paĝojn garantiitajn por ĉiu jaro. Konklude: ABONU, ABONIGU, REABONU . . . al „PACO"!

La centra redaktoro de „PACO" . . .
. . . serĉas kunlaborantojn kapablajn traduki bonstile artikolojn el naciaj lingvoj esperanten, aŭ verki regulajn rubrikojn pri difinita temo (junularo, virinoj, arto, sporto, Esperanto, k.s. . . . .)
– CR –

## Oratoro

Noblaj Sinjorinoj, Estimataj Sinjoroj, Karaj Geamikoj, Samideanoj!
Oni ne devas multe mediti, oni ne devas multe konsideri, sed tamen videbliĝos tuj tutsimple kaj memkompreneble, ke la afero estas sendube senduba. Kaj mi emfazas ankoraŭfoje, mi emfazas trian kaj kvaran fojon, ĉar tio meritas emfazon. Kaj ni ne timu emfazi. Ni ne timu! En nia marŝo antaŭen nenio nin povas timigi, do, ankaŭ la emfazo.
Estimataj Gesinjoroj!
Efektive estas evidente, ke ĉiukaze kaj ĉiuokaze la afero konsiderinde kreskas. Tio estas pro la fakto, ke mi, vi, li, ŝi, ĝi, ni vi, ili kaj la aliaj kuraĝe marŝas. Fakte . . . kuraĝo estas bezonata. Kuraĝo! Klare? . . . Kompreneble, ke klare . . . Kuraĝo, tutsimple kuraĝo ĉiutage . . . ekzemple hodiaŭ. Kaj hodiaŭ ni havas lundon . . . jes! lundon, sed volu memori, ke ni devas havi kuraĝon lunde same kiel marde. Ankaŭ merkrede, ĵaŭde kaj vendrede. Kaj sabate? Malamiko povus al vi diri – sabate ne. Sed ne kredu, sabate precipe ni devas esti kuraĝaj, same dimanĉe, tutan semajnon, sendepende de tio, ĉu flora printempo karesas la korojn, ĉu zefiro aŭtuna pelante defalintan folion flustras mildan kanton. Memoru, ke kuraĝo ne povas nin forlasi nek januare, nek februare, nek marte kaj des malpli aprile. En majo, junio, julio kaj aŭgusto, septembro, oktobro, novembro, decembro . . . decembro jes decembro.
Noblaj Sinjorinoj, Estimataj Sinjoroj, Karaj Geamikoj, Samideanoj!
Fakte oni povus paroli tutsimple sendube ankoraŭ longe. Tamen ne paroloj estas la plej gravaj. Agojn ni bezonas – agojn. Kompreneble de tempo al tempo oni devas paroli kaj tiam mi estas preta.
*(El „Pola Esperantisto") R. Dobrzynski*



## Britio

Radioteknikisto, 48 jara, dez. korespondi kun GDR-ano pri vivmaniero, eduka sistemo, libertempajoj k.t.p. Donald G. Dickinson, Ivy House, *Ousby*, Pentrith, Cumberland

## ĈSSR

Kontraŭ p.m. mi interŝanĝas 1500 bk el la tuta mondo. Zdanek Navrat, Slavickova 19, *Ostrava 1*

Bakisto, 45 jara, interesiĝanta pri lumbildoj, esperantajoj, dez. koresp. kun amiko el Potsdam aŭ Berlin. Jaroslav Bečka, *Ričany*, II/219 (ĉe Praha)

Filatelisto dez. korespondi. Bily Zdenek, Velka 17, *okr. Prerov*

## Francio

Instruisto, serĉas korespondon kun gejunuloj. Le Mercier, 6 rue Beaumarchais 29 N, *Brest*

## GDR

Vigla Esperanto-grupo (membroj de 15–60 jaroj) serĉas korespondamikojn en ĉiuj landoj, ĉefe en regiono Zielona Gora (Pollando) kaj urbo Witebsk (Soveta Unio). Sendu bele afrankitajn vidajkartojn. Respondo samvalore garantiata! Skribu al: Esperanto-Grupo ĉe Germana Kulturligo, *12 Frankfurt/Oder*, Dr.-Otto-Nuschke-Straße 34, GDR

Dez. interŝanĝi pensojn kaj bildojn pri sinoptika tabelaro pri mondhistorio. W. Giese, *1124 Berlin*, DDR, Rupprechtstraße 19. Represo petata

Interesiĝantoj pri internaciaj ŝakludoj pere de Esperanto sin turnu al Martin Krätzschmar, *8019 Dresden*, Wallotstr. 14

Ni aranĝas fine de oktobro letervesperon. Bv. sendi al ni por tiu okazo bele afrankitajn bildkartojn. Ni dez. korespondi. Respondo certa. Skribu al s-ino Evelin Berndt, *806 Dresden*, Helgolandstr. 9b, GDR

Kursanoj, 12–40 jaraj, serĉas korespondon kun ĉiuj landoj, ĉefe kun la regionoj Usti/n. L., ĈSSR, kaj Wroclaw/Pollando. Bv. sendi bele afrankitajn leterojn aŭ bk. Respondo certa. Skribu al s-ino Evelin Berndt, *806 Dresden*, Helgolandstr. 9b, GDR

Dez. korespondi kun esperantistoj el la tuta mondo pri ĉiuj temoj, 30 jara. Bernd Marr, *6088 Steinbach-Hallenberg*, Arzbergstr. 28, GDR

## Hungario

Junulo, 17 jara, dez. korespondi kun samaĝaj esperantistoj, ŝatas sporton kaj kol. bk pri floroj. Duali Zoltan, *Gyöngyös*, Bajza Jozsef Közepiskolai Kollegium, Pf. 128

Tiuj, kiuj serioze interesiĝas pri la FAKINSTRUADO de esperantologio kaj interlingvistiko en la universitato de Budapest, bonvolu skribi al la adreso: SCIENCA RONDO STUDENTA – Universitato ELTE, *Budapest V.*, Pesti B. 1–3., Hungario

GESTUDENTOJ-ESPERANTISTOJ, dezirantaj korespondi, kolekti kaj interŝanĝi materialon en la temoj ESPERANTOLOGIO, INTERLINGVISTIKO, ĜENERALA LINGVISTIKO skribu al la adreso: SCIENCA RONDO STUDENTA, Universitato ELTE, *Budapest V.*, Pesti B. u. 1–3., Hungario

D-ro I. SZERDAHELYI sciigas, ke lia antaŭa adreso (BP., VIII., Szigetvári u. 22.) *ne plu validas*. Li petas la sendaĵojn adresi al lia ofica adreso: Universitato ELTE, Katedro pri Ĝenerala kaj Aplikita Lingvistiko, *Budapest V.*, Pesti B. u. 1–3., Hungario

Lernantino, 11jara dez. korespondi kun knaboj 12–18 jaraj, interesiĝas pri bk, diskoj, pm, artistofotoj. Persona foto petita. Edit Bicskei, *Budapest*, IX ker. Üllöi ut. 161, I. lepczöhaz, 1 emelet 8

Du lernantinoj, 17jaraj dez. korespondi Eva Vati, vil Mernye, str. Lenin 49, Somogy megye / Judit Varga, vil. Mernye, str. *Lenin 61*, Somogy megye

Elektrikisto, 21jara, dez. korespondi kun GDR-anoj, ankaŭ korespondas germane, interes. pri ĉiu temo. Molnar Istvan, *Borgond Gardonyi*, ut. 1, Fejerm

## Pollando

Instruisto, 25 jara, dez. korespondi tutmonde kaj interŝanĝi bk kaj esperantaĵojn. Jerzy Postuszny, *Wroclaw 17*, p. kesto 1629

Komencantino, 49-jara, profesie instruistino, dez. koresp. pri div. temoj. Danuta Kamiriska, *Kudowa-Ldvoj*, Klub „Nefryt"

Instruisto, 27-jara, turisto, dez. koresp. precipe kun GDR-anoj pri eventualaj vizitoj. Janusz Motykiewicz. *Babimost*, Zwirki i Wigury 3/2 Woj. Ziel. Gora

Filatelisto dez. koresp. pri filatelo, en Esperanto, ruse, france, germane kaj angle. Jerzy Zyzniewski, *Jaroszowiec* ul. Kolejowa 4/11, woj. Krakow

Oficisto, 25-jara, dez. korespondi tutmonde pri literaturo, moderna muziko, kino, teatro. Dez. interŝanĝi gramofondiskojn, bildkartojn, pm, alumetetikedojn. Mieczyslaw Porowski, *Opole*, ul. Dambonia 133/15

Geskoltoj dez. korespondi. Kontaktu D. H. Amikeco-Esperanto, pny Liceum Ekonomianym, *Gdansk-1*, ul. Sereynskiego.

Radioteknikisto, instruisto, 41 jara, dez. koresp., precipe kun anoj el Dresden kaj Berlin. Interesiĝas pri pm, turismo kaj sporto. Wojciech Sczakowski, *Lodz 11*, ul. Mokra 23 m 59

Esperantisto, 33jara dez. koresp. kun tuta mondo. Interesiĝas pri pm, bk, moneraj katalogoj, turismo, esp.-revuoj. Wladyslaw Stasiow, Skrytka pocztowa Nr 518, *Krakow 1*

Kuracisto, specialisto por pulmomalsanoj kontaktiĝas volonte kun samprofesianoj. Zygmunt Moskwa, *Opole*, ul. Pstrowskiego 1

## Soveta Unio

Dez. korespondi kun esperantistoj el la tuta mondo, interŝanĝas kol. bk L. Bartaŝevičius, *235030 Kedainiai*, P/K 30, Litovio

17 jara komencanto dez. korespondi pri sporto, muziko, literaturo, kol. bk Vitelmo Kutmaħmenovu, *Ufa-65 (450065)*, ul. Ševčenko, 3–82

Dez. koresp. pri ĉ. t., ĉefe pri filatelo, 48-jara, apotekisto. Eug. Inokaitiene, Soveta Unio, Litova SSR, *235045 Šeta*

Knabino, 22 jara, dez. korespondi kun GDR-ano, kol. bk, pm, diskojn kaj artisto-fotojn. Elvira Stanislauskaite, Kedainius, *235031 Medekŝiai*, Litovio

Docento, 30-jara, dez. korespondi kun kolektantoj de libroj, pm, bk kaj insignoj. Vladimir Telpiŝ, ul. Severo-zaradnaja 226/26, *Barnaul-50*, 656050

Rivija Lekutyte, Vainhatiŝkiai 3–5. Dotnuva-Akademiaj, *235051, Kedainiz Raj.*, Litova Sov. Resp. Ŝi estas 18jara, kol. bk, ŝatas muzikon, lernas ankaŭ la polan, anglan lingvojn. Dez. korespondi tutmonde.

Dez. korespondi Ogonjkova Ella, 33jara inĝenierino, 5 mikrorajono domo 54, kv. 31, *310103 Karkovo* 103

Elektrikisto, 23-jara, dez. korespondi, kol. bk, diskojn, librojn korespondas ankaŭ germane. Anatolio Ivasenko, *Krasnodar-27*, abonkesto 464

Instruisto de germana lingvo dez. koresp. kun geesperantistoj el la tuta mondo, principe el GDR, interŝ. de libroj kaj de opinioj. Ivan Kulakov, 34 jara, Voronej-42, *Minskaja 19/2-141*

NOVA E-grupo multnombra: Skribu el tuta mondo: „KID", Mezlernejo N 138, str. Makejevskaja 1, *340031 Doneck*, Ukraina SSR

Juna instruistino deziras korespondi pri literaturo. Skribu el tuta mondo al: Tamara Familnova, str. Volgo-Donskaja, 25/1, *340074 Doneck*, Ukraina SSR
Nova es-ino 22-jaraga deziras korespondi tutmonde pri literaturo, poezio, muziko. Adreso: Svetlana Zabuĉina, str. Volgo-Donskaja, 7-V./13, *340074 Doneck*, Ukraina SSR

Junaj gekomencantoj deziras korespondi tutmonde. Skribu: Esperanto-grupo, Mezlernejo N 5, *340015 Doneck*, Ukraina SSR

75 gekomencantoj – anoj de interklubo „Globus" deziras korespondi tutmonde, Skribu al: „Globus", Mezlernejo N 103, str. Dunajevskogo 1, *340039 Doneck*, Ukraina SSR

19 jara studentino dez. koresp. kun germanaj gejunuloj, eble kun poligrafiisto, intersiĝ. pri artoj, lingvoj, popolkutimoj, junulara vivo, kol. insignojn, p. m., b. k. Nina Fedorova, *Klin* (Moskovskaja obl.), Borodinskij projezd, d. 5, kv. 37

Sigitas Baranaukskas, M. Gorkio 23-3, *Klaipeda*, dez. koresp. kaj interŝ. p. m., b. k. kun lernantoj el Karl-Marx-Stadt kaj Dresden en Esperanto kaj rusa lingvo

Kairis Bronius, *Palanga*, p/d 37 dez. koresp. kaj interŝ. p. m. bildkartojn kun esp. el eksterlando

Klubo de internacia amikeco serĉ. kontakton kun diverslandaj junularaj kaj studentaj organizoj, dez. kunlabori, i. a. reciprokan turistinterŝanĝon. P. K. 65, *Barnaul-99*

Grupo, 14–16-aĝuloj dez. koresp. tutmonde pri diversaj temoj. Skribu al Esperanto-klubo, *99-Omsk*, abonkesto 155

Dez. interŝanĝi poŝtkartojn, alumetetikedojn gramofondiskojn. Respondo certa. Kostja J. Aristarhov, *Leningrad-191040*

Projektisto, 24-jara, dez. koresp. tutmonde, interesiĝas pri estrada muziko, turismo, filatelo, interŝ. esperantajn kaj aliajn insignojn, bk, sondiskojn, kol. esp. literaturon. Korespondas esperante, germane, ruse, litove, pole. Gaidamavičius Stasys, *Zirmunu-112-18*, Vilius-12

**Eldoninto de tiŭ ĉi numero:**
GDR-MEM-sekcio Germana Kulturligo / asocia sekretariejo (Centra Laborrondo Esperanto de GDR). Redakcio: 108 Berlin, Charlottenstrato 60, Telefono: 22 59 91. Respondeca redaktoro: Detlev Blanke, Redakcia komisiono: Otto Bäßler, Dr. Hans Eichhorn, Rudi Graetz, Rudolf Hahlbohm, Rainer Knapp, Willi Vildebrand, Redakcia fino: 20a Februaro 1972. Aperas ĝenerale 6 foje dum jaro, ĉiu- foje kiel eldono de alia MEM-landa sekcio. Presejo: Grafischer Grossbetrieb Völkerfreundschaft Dresden, Betriebsteil Meissen.

2700 - 36

